**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

**Novaj prezoj! Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj! El tiuj ĉi prezoj ne plu estas favoro por malbonvalutaj landoj**

| | Bindita malnova | Bindita nova | Broŝurita malnova | Broŝurita nova |
|---|---|---|---|---|
| | prezo | | | |
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj | 5.40 | 1.70 | 3.40 | 1.20 |
| " " Viktimoj | 6 20 | 3.10 | 5.— | 2.50 |
| " " Hura tolbind. 11.20 7.20 | 9.30 | 6.90 | 7.40 | 6.— |
| " " Preter la Vivo | 3.30 | 2,20 | 2.— | 1.50 |
| " " Pilgrimo | 3.30 | 2.10 | 1.80 | 1.50 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo Stilo Formo | 4.50 | 1.90 | 3.— | 1.— |
| " " Streĉita Kordo | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.40 |
| " " Rimportretoj | 4.50 | 1.30 | 3.— | 0.80 |
| " " Eterna Bukedo duontole 7.— | 11.20 | 6.— | 9.— | 5.— |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l'Homo luksa | 7.50 | 3,50 | 6.— | 2.50 |
| simpla | 6.— | 3.— | 4.50 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj, La taglibro | 3.— | 2.10 | 2 — | 1.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero | 11.— | 5.70 | 8.80 | 4 80 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. | 15.— | 6.80 | 13.— | 6 — |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio II. | 12.— | 7.90 | 10.— | 7.— |
| luksa | | 9.— | | 7.80 |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo simpla | 3 30 | 1.90 | 1.80 | 1.20 |
| luksa | 4.— | 2.50 | 2.20 | 1.50 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 5.— | 2.70 | 3 60 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto simpla papero | 9.50 | 7.10 | 8.— | 6.— |
| luksa bindo, luksa papero | 10 50 | 8 20 | — | — |
| " " Hungara Antologio | 14.— | 7.90 | 12.— | 7.— |
| **Bleier—Kőkény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto vol. I.-II. ilustrita | 34.— | 20 50 | 30.— | 18.— |
| neilustrita en unu volumo | 20.— | 12 20 | — | — |
| **Asch-Lejzerowicz:** La sorĉistino el Kastilio | 5.— | 2.70 | 3.50 | 2.— |
| ***Grenkamp—Brzekowski:** Pri l'Moderna Arto | 9.— | 2.— | — | — |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.50 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | 5.— | 2.70 | 3.— | 2.— |
| " " Poemaro el Hungarlando | — | — | 1.50 | 1.— |
| " " La Simpla Esperanto | — | — | 1.50 | 1.— |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La Pentroarto en la Malnova Hungarujo | 15.50 | 9.— | 10— | 6.— |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon | — | — | 1.20 | 0,70 |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | 4.— | 2.40 | 2.50 | 1.80 |
| " Dekdu Poetoj simpla | 4.— | 2.50 | 2.50 | 1.50 |
| luksa | 5.— | 3.— | 3.— | 1 80 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero | 5.— | 2.90 | 3.60 | 2.20 |
| " " Infanoj en Torento | 3.50 | 1.80 | 2.— | 1,20 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4. | 5.50 | 2.90 | 4.— | 2 20 |
| **Aisberg:** Fine mi komprenas la radion | 6.— | 3.70 | 4.50 | 2.80 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 4.— | 2.10 | 2.50 | 1.50 |
| **Kikuĉi—Ŝimomura:** Amo de Toojuuroo | — | — | 1.20 | 0.70 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato | 4.20 | 2.50 | 2.70 | 1.80 |
| **Slonimski—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 4.20 | 2.20 | 2.70 | 1.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro | 11.— | 6.10 | 9.— | 5.40 |
| **Adamson:** Auli | 3.— | 1.70 | 1.80 | 1. |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio | 14.— | 7.90 | 12,— | 7.— |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto | 4.20 | 2.60 | 3.— | 1.80 |
| lukse bind. 3.50 | | | | |
| **Jerome—Badash:** Tri homoj en boato lukse bind. 4.50 | 5.50 | 3.60 | 4 — | 2.80 |

La prezoj estas montrataj en svisaj frankoj.

Aldonu 10% de sendkostoj por la libroj, aparte ne signitaj.

Por la libroj, stele signitaj aldonu 15% por sendkostoj.

Kotizo al AELA restis la malnova.

**Rabato de 20% al la membroj de AELA el la supraj prezoj!**

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**AELA** kotizoj por 1935. estas akceptataj antaŭ ol la lasta libro de 1935. estas aperinta (proksimume en fino de februaro 1936.)

**Pagojn ni akceptas:**

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, „money order" a Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

**Poŝtmandatojn, sendatajn al Budapest ni rifuzas**

Poŝtmandatoj estas sendeblaj nur al la jena adreso:
PONTOWA, KASA, OSZCEDNOSCI, KRAKÓW, Polujo, Literatura Mondo Kto nr. 403.148 pagu zloty 1.73 por unu svisa franko.

ABONPREZO AL LINGVO LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro

0.80 aŭstrajn ŝilingojn, 4.— belgajn frankojn, 8 penny, 9.— ĉeĥajn kronojn, —.60 danan kronon, 0.60 estonan markon, 4.— francajn frankojn, 0.60 markon, 1.20 peseton, 0.80 pengő, 3.— lirojn, 8.— dinarojn, —.80 laton, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon, 0.60 norvegan kronon, 0.20 zloton, 4.— eskudojn, 25.— leojn, 0.60 svedan kronon, —.20 USA dolaron, 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.80 svisan frankon aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por duoblo de la supraj sumoj.**

ABONPREZO DE LITERATURA MONDO por tuta jaro

la unua ekzemplero al la sama adreso

12.50 aŭstrajn ŝilingojn, 65.— belgajn frankojn, 0.7 britan pundon 6[illegible] — ĉeĥajn kronojn, 7.— danajn kronojn, 7.— estonajn markojn 45.— francajn frankojn, 7.50 germanajn markojn (pagatajn al nia konto en Berlin). 15.— pesetojn. 10.— pengőjn, 35.— lirojn, 100.— dinarojn, 9.— latojn, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI), 4.50 guldenojn, 7.— kronojn norvegajn, 15.50 polajn zlotojn; [illegible].— eskudojn, 300.— leojn, 7.— svedajn kronojn, 1 80 USA dolarojn,

aŭ 9.— svisajn frankojn kaj ĉiun egalvaloron.

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas svisajn, frankojn 4.50 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu svisa franko egalvaloras la 15-an de decembro 1935.**

1.75 aŭstrajn ŝilingojn; 9.70 belgajn frankojn; 0/1/4 anglan pundon 8.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 1.48 danajn kronojn; 1.25 estonajn markojn; 5.— francajn frankojn; 1.25 germanajn markojn, se pagataj al nia konto en Berlin kaj 1 50 germ. mk. se pagataj al la hungara kliringkonto aŭ per ĝiro poŝta al Budapest; 2.40 pesetojn hispanajn; 1,66 hungarajn pengőjn; 4.— italajn lirojn 15.50 jugoslavajn dinarojn; 1.40 latojn; 1.25 yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto, 2.50 lidojn litovajn; 0.50 nederlandan guldenon (pagu nur al) nia monopola deponejo en Nederlando: S-ro A. C. v. Ingen. Nederlanda Esperanto-Centro, Rotterdam, W, Voorhaven 43). 1.32 norvegajn kronojn; 1.73 polajn zlotojn; [illegible] portugalajn eskudojn; 45.— rumanajn leojn; 1.30 svedajn kronojn; 0.33 USA. dolaron, aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.

# LUMAJ NOKTOJ

## Fragmento el romano „Tomas Nipernadi"

**— August Gailit —**

Ŝajne li estis jam sufiĉe longan tempon survoje — li estis laca kaj polvokovrita. Li rapidis nenien, iradis simple por sia plezuro kaj amuzo tra arbaroj kaj landvojoj kaj kelkfoje ripozis sub iu arbusto, en la ombro de iu arbo, en iu malnova fojnejo ie ĉe marĉo. Li ne estis pretendema kaj kontentiĝis per malmulto.

Ofte li tute deflankiĝis de la vojo, iris tra kampoj, trafis en profundan arbaron kaj erarvagadis tutajn tagojn en densejoj (kaj sovaĝejoj, ĝis kiam li denove trovis ian irejon aŭ vojon. Kelkfoje li haltis sur la bordo de lago, ĉe la kurbo de rivero, kaj, kiam li kredis estis sola, li kantis, ludis harpon aŭ laŭtvoĉe parolis kun si mem. Kun intereso li ekobservis ian birdon, ian baraktantan insekton sur herbotigo, ian papilion — ĉiu lia muskolo streĉiĝis pro intereso kaj atento — sed poste li ekvekiĝis kaj denove ekiris plu. Nenie li restadis longe, lin okupis senpacienca maltrankvilo, li nervadis senĉese kaj li iradis kvazaŭ ion serĉante.

Kelkfoje li subite sen videbla kaŭzo ekiris returne laŭ la venita vojo — ekbojo de vaganta hundo, subita ekgrako de korniko povis tute difekti lian humoron. Ĝis kiam ankoraŭ sufiĉis pano en la poŝoj, li evitis homojn kaj la loĝejojn, li ĉirkaŭiris per granda rondo. Kiam homo venis al li renkonte, li jam frue deturniĝis en la arbaron kaj atendis pacience malantaŭ arbo, ĝis kiam tiu pasis.

Foje li haltis antaŭ vilao, deprenis la ĉapon kaj ekkantis. Sed kiam en la fenestro aperis dormema vizaĝo de viro, li interrompis la kanton, alturnis abrupte la dorson kaj daŭrigis sian vojon. Alian fojon li kaptis en marĉo multe da viperoj kaj portis ilin en malplenan fojnejon. Vespere li alportis kompletige ĉapelplenon da lampiroj. Poste li mem sidiĝis sur la tero kaj ĝuis, rigardante la strangajn lumetojn ĉirkaŭ si kaj aŭskultante la koleran sibladon de la viperoj. Kaj tiel li ekdormis inter ili. Sed matene la viperoj estis for kaj la lampirojn li trovis nenie. Li estis ial ĉagrenita kaj seniluziigita kaj li ekmigris plu. Io estis en li rompita kaj senordigita. Ŝajne la lumaj noktoj estis la kaŭzo de lia maltrankvilo.

La senpluveco daŭris. La suno, flamanta fajrorado, disĵetadis fajron kvazaŭ el radradioj. La vento dormis kun la fermita buŝo kontraŭ la varmega tero — eĉ folio ne tremis, eĉ herbotigo ne moviĝis. La rostita tero estis malmola kiel ŝtono kaj ardis kiel ruĝvarma fero, prenita el fajro. La musko de la arbaro estis bruligita kiel karbo de keno, tuŝate ĝi disflugis kiel polvo. Brulis la marĉoj, la densaj nuboj de la fumo disfluis, kovrante la ĉielon kvazaŭ per flava vualo. Kiam iu veturis sur la landvojo, longa, longa polvonubo serpentumis post li — longe, longe ĝi ŝvebis en la aero, kvazaŭ drako maldiligente movanta la voston kaj per la kapo rapide persekutanta la veturanton, dum unuopaj vertebroj de la spino restis malantaŭ iu bosko, iu monteto sur la zigzaga vojo. Estis konsterne silente.

Eĉ la birdoj dormetis lace en la densejoj, kun la flavaj bekoj spiregante malfermitaj. Nur malgranda kanbirdo pepis soife, ficedolo[1]) ĉirpis maltrankvile, galinago flirtis ekkriante super la bruligita marĉo. Ie malproksime en la arbaro sonis la voĉo de kukolo, sed eĉ tiu, narkotita de la suno kaj la odoro de rezino, kukuis kun longaj intervaloj, ofte ripozis kaj kolektis forton. Kelkfoje ĝi komencis fervore, sed faliginte el la beko la unuan parton de la kanto — kuk —, la duan — ku! — eĉ ne sekvigis.

Kiam alvenis vespero, la aero estis plena de akra fumo kaj polvo. La akvo de la lagoj estis sunpaligita kaj senkolora. La subiranta suno tra la fumo kaj polvo ŝajnis rustbruna, falis por momento flamante malantaŭ la arbaron, sed la lumo ne ĉesis. La firmamento helis roze, kelkaj unuopaj nuboj vagis tie kvazaŭ ruĝaj veloj. La kuprobruna luno supreniĝis al la rando de la ĉielo, sed post momento jam paliĝis kaj malleviĝis denove — la ĉielo eklumis pro naskiĝo de nova tago. La noktoj estis mallongaj kiel momento, lakte palaj, flame varmegaj, plenaj de la venena odoro de trifolio, rezino kaj marĉo leviĝis malgranda nubelo, nur el sufiĉe malalta marĉo leviĝis malgranda nubeto kaj disiĝis rapide kiel fumo de pafilo. Komenciĝis nova tago, ankoraŭ pli varmega ol la antaŭa — nur la grizaj folietoj de la arĝentsaliko ektremis por momento pro timo de la sunleviĝo. Kaj arbalaŭdo ekvokis krie, sed poste ankaŭ ĝi malaperis rifuĝe en la marĉo.

Tomas Nipernadi jam trairis la arbarojn de Jaanihansu, la vojo krute malsupreniĝis. Antaŭ li malfermiĝis la vastaj marĉoj kaj torfejoj de Maarla, el kies malaltaĵoj leviĝis kiel tuberoj nur unuopaj insuletoj. Sur tiuj montetoj staris malgrandaj domoj kaj maltarĝaj kampstrioj de malriĉuloj, komenciĝantaj ĉe la domoj kaj penetrantaj kiel fiŝostangoj rekte en la marĉon. Mallarĝa, serpentuma vojo, apoganta sin pontone al la marĉaj razenoj kaj arbaj radikoj, kunigis tiujn insuletojn, jen iom leviĝante, jen tute malaperante en la akva putraĵo de la marĉo. El la arbaroj de Jaanihansu elfluis la larĝa rivero Kaava, sed atinginte la marĉojn de Maarla, ĝi disfluis, estigante lagetojn, flakojn kaj putromarĉon. Nur fore, ĉe la akvofalo, la rivero denove kuntiriĝis, refluis en la fluejon kaj muĝante falis malsupren tra la katarakto. Ĉe la akvofalo staris pramo kun malgranda kabano de la pramisto sur la bordo, dum sur la kontraŭa bordo estis drinkejo, ĉirkaŭata de alnoj, arĝentsalikoj kaj marĉaj betuloj. La ruĝa tegmento de la drinkejo vidiĝis kiel lumturo tra la marĉo.

Nipernadi intencis jam ekiri malsupren, sed jen li eksentis subitan ventblovon. Kiel hundo ĝi ekbojis jelpe, unu fojon, duan, trian. La arboj kaj arbustoj ekzumis, la polvo de la landvojo portiĝis kiel turniĝantaj kolonoj al la marĉo. La arbaro kvazaŭ ektremis, komence malforte, ie interne, en la koro, sed poste ĝi komencis muĝi kaj ŝanceliĝi kaj la suproj de la piceoj balanciĝis kiel kano.

De trans la marĉoj leviĝis karbnigra nubo.

Kvazaŭ morne nigra muro ĝi supreniĝis rekte el la tero.

Ĝi leviĝis rapide, egale, dum la rando blankis kaj radiis. Jam sonis ankaŭ malproksima bruo de tondro kvazaŭ el fermita ejo. La viro haltis ravite.

Per la leviĝado de la nubo la tuta tero distranĉiĝis je du malegalaj partoj. Tiu, kiu restis sub la nigra muro, fariĝis karbnigra, kvazaŭ vintra nokto sterniĝis super la kampoj. La arbaroj, kampoj kaj domoj

# EPISTOLO SENTIMENTALA

— Juljan Tuwim —

1.

Karesas min varma ĉambreto,
Aminda, brilanta, serena...
Mi volas nun vin pridonaci
Per ĉi epistolo sentplena.
La lampo mistere lumetas
Elsube de verda ŝirmilo...
Solsidas mi — vidvo maldolĉa —
Ĉe forno, en mola sidilo.
Kaj brandon ĉerizan, ŝtelitan
El panja provizo-regalo,
Trink-trinkas mi inde, trankvile,
El ĉeha eks-moda pokalo.
Mi fumas... Kaj eble en fumo
Bruligas estinto-fantomon,
Per blua rubando skribante
El buŝ', sur aer', vian nomon?

2.

Faligis min rev' pri potenco,
Bataloj, pasi', idealoj!
Dormetas mi dolĉe, kuŝante,
Kaj sonĝas pri bluaj migdaloj.
Vidiĝas petolaj »etetoj«
Aŭdiĝas »cimbaloj-kabaloj«,
Kaj tiuj fabelaj, neeblaj
Reviĝas nun bluaj migdaloj.
Mi vidas... vi ilin persiste
Etigas kaj pistas, muelas...
Kaj mi kun teruro demandas:
»Plej kara! do kion vi celas?«
Kaj vi en respond': »Ne malhelpu!
Kaj min ne kapturnu... Regalan
Torteton por via fianĉiĝo
Preparas mi nun... blumigdalan!«

3.

Mi havas tagojn tre sentemajn,
Infan', ĉagrene-senklopoda,
De Dickens, Walter Scott mi legas
Kaj sentas min antikva-moda.
Kaj havas strangajn aventurojn,
Forkuron en romana stilo,
Nekonatulojn tre misterajn
Sur voj' en poŝta veturilo.
Mi vidas vin — en krinolino, —
En manoj preĝlibret' necesa...
Kaj mi forgesas, ke ja estas
Nun jaro mil naŭcent deksesa!
Lasante mian varman ĉambron,
Tra strat' mi kuras pluvmalseka.
»Poŝtveturil'!... ne! fiakro!... flugu!
Kastela strat', numer' kvindeka!«

4.

Kaj jen memoriĝas... delonge
Al mi nevidata ĉambreto...
Sur muroj bildetoj multnombraj,
Sofeto, pianino, kaj breto...
Belaj': kusenetoj, floretoj,
Libret' (netranĉite-kutima),
Fenestrkurtenet', speguletoj...
Ho, kara sanktej' malproksima...
Seĝetoj, tableto trezora,
Ĉar dormas en eta tirkesto,
Sub roza rubando amase
Leteroj de mi — amatesto.
... Kaj se al tablet' vi aliras,
Aŭdiĝas: tirkesto silente
Pro ar' de teruraj leteroj
Sopiras, respiras turmente!

5.

Ho, Di'! ĉu estus forgesota
La kanari' en kaĝo ora?...
(Dum pluv' por grajnoj en butikon
Mi akompanis vin honora.)
Ĉe kanari-eskulapino
Konsultis vi tre malkviete,
Ĉar Maĉjo foje ĉesis kanti,
Rezignis pro malsan' komplete.
Ne scias mi, ĉu regajiĝis
Mate', sinjor' melankolia...
Laŭ mi — ĝi devas ĝemi kiel
Tableto pro letero mia!...
Mate', malnova ci amiko,
Se resaniĝo estas fakto,
Kaj ci nun kantas — ho! pardonu,
De ci ĝi estas ja — netakto!

6.

Vivfinas la malgajoj ŝercaj
Kaj vi, malgaja ŝercpetolo...
Post dudek strofoj — jen finiĝas
Sentimentala epistolo.
Okul', ne ploru!... Pli mallaŭte!
Malĝoj' finiĝos — ĝoj' finita...
Bonfartu, mia malproksima,
Mia pasinta kaj perdita!...
Jam kaptas min dormemo granda...
Mort' venas sen dolor' min preni...
Mi vin ne vidos eĉ en sonĝo:
Vi eĉ en sonĝ' ne volas veni...
Tamen al dormo min afabla
Man' malproksima lulos tiam...
— — — — —
Horloĝ' tiktakas: »Ne-neniam...«
Sed koro batas: »Ĉiam — ĉiam...«

El la pola: *Leo Belmont*

---

kvazaŭ malleviĝis en abismon. Sed ĉi-flanke blankis kaj radiis ankoraŭ ĉio, la suno brilis ankoraŭ super la marĉoj kaj kampoj kaj flavaj polvokolonoj turniĝadis gaje unu post la alia al la marĉo.

Vento silentiĝis, kvazaŭ streĉe ekaŭskultante. La arbaro kvazaŭ ekĝemis kaj ekstaris kandelrekte en ekscita atendo. Eĉ neniu herbotigo moviĝis. La birdoj ekatendis kun batanta koro, ne estis aŭdebla eĉ la plej malgranda ĉirpado, fajfado, pepado, kaj eĉ la akridoj ĉesigis la segadon. Nur malfruiĝinta korniko flugis terure grakante al la arbaro. Estis stranga silento, solena atendo kaj ekscito pro io granda kaj timiga.

Sed jen ekridetis subite la vento, kvazaŭ furioziĝinta ĉevalo ĝi starigis sin sur la malantaŭaj piedoj, ekkaptis arbojn, taŭzis arbustojn, leviĝis gaje renkonte al la nuboj kaj uragane ekrapidegis tra la marĉoj kaj arbaroj. Ekmuĝis la arboj, la arbustoj estis kvazaŭ frenezaj, ĉiu branĉeto, ĉiu herbotigo turniĝadis, susuris, fajfis. Jam falis la unuaj gutoj sur la varmegan teron, grandaj kaj pezaj. La karbnigra muro de la nuboj

estis leviĝinta en la mezon de la ĉielo, ĝia larĝa rando brilis kaj radiis kiel flavaj flamoj de fajro. Sed poste la suno malaperis malantaŭ la nigra muro kaj malserena vespera krepusko sterniĝis super la tero. Nur la malproksimaj montetoj antaŭe helis ankoraŭ momenton. La tondrobruo proksimiĝis rapide. Ekpluvis.

Tomas Nipernadi ekrigardis senhelpe.

Sed jen li subite ekvidis viron, kurantan de la arbaro.

Peze, malgracie, svingante la manojn, li kuris rapide al la drinkejo de Kaava. Liaj mallongaj piedoj en la pezaj krurbotoj ŝanceliĝadis kvazaŭ ebrie. Li estis malalta, dika, kun la malgranda kapo tute ĉe la ŝultroj. Sufiĉe longan distancon post li kuregis junulino, permane tenante la pendaĵon de la jupo.

— Küüp, Küüp, vokis la junulino, Küüp, ne lasu min sola!

Sed Küüp eĉ ne rerigardis, li flugis demonte kiel ŝarĝita ĉevalo.

— Küüp, aĉulo, kriis la junulino lamente, atendu do!

Subite eksonis laŭta ekkrako de tondro tute proksime. Akvostrioj ekfalis kvazaŭ tra malfermitaj digoj. Sur la varmega tero, kiu nur antaŭ momento polvis, estiĝis rapidaj fluetoj, komence malgrandaj, senfortaj, sed baldaŭ ili diligente ekfaris sulkojn, survoje ili kuniĝis, larĝiĝis, kvazaŭ per akra nazo plugis al si fluejon kaj plaŭdis jam en longfosaĵoj kaj inter flankoj gaje antaŭen. La pezaj gutoj, albatante la teron, dispeciĝis je fajreranta polvo. La tero vaporis kaj bolis.

La junulino haltis meze de la vojo, per timplenaj okuloj ĉirkaŭrigardante.

Per unu salto Nipernadi estis apud ŝi, ekprenis ŝian manon kaj ekkuris kun ŝi al proksima duonruina fojnejo. Tute malsekaj, gutante de akvo, ili saltis en la fojnejon.

La digaĵoj de la ĉielo fluis malsupren kiel ŝaŭmantaj akvofaloj, radiis, brilis, muĝis. Jam fluis de la deklivoj kaj montetoj larĝaj riveretoj malsupren al la marĉo, portante sur la dorso pezajn ŝarĝojn — defalintajn foliojn, sekajn branĉojn, putrajn strobilojn kaj survoje kuntiritan koton kaj ŝlimon. La malpli altaj lokoj fariĝis grandaj flakoj kaj grizaj akvejoj. Fulmo hakadis la ĉielon, kvazaŭ el sennorme granda fajrejo disĵetante blindigan fajron. La aero tremis kaj obtuze sonis pro la senĉesa bruado de tondro kiel malplena ejo. Estis konsterne varme kaj sufoke.

— Kio estas via nomo? demandis Nipernadi.

— Anne-Mari, — respondis la junulino, forviŝante akvon de la vizaĝo. Ŝiaj malsekaj haroj falis sur la varioldifektitan vizaĝon, la du malgrandaj okuloj rigardis iom malserene kaj kolere. Je ĉiu tondrokrako ŝi ektremis timeme kaj ŝoviĝis pli proksimen al la junulo. Pro la gutado de la vestoj estiĝis ĉirkaŭ ŝi sur la planko malgrandaj flakoj.

— Kaj kion vi faris tie en la arbaro? demandis Nipernadi. Vi tute ne aŭdis la proksimiĝon de la ŝtormo?

— Ne aŭdis, estis tiel kviete kaj bele. La suno brilis kaj...

Subite ŝiaj pensoj kvazaŭ ekhavis la ĝustan direkton.

— Tiu Küüp, fiulo! ŝi diris riproĉe. Lasis min meze de la vojo por batado de fulmo! — tia malkuraĝulo. Ne indas plu alifoje iri kun tiaspeculo en arbaron. Estis tiel varme kaj mi, stultulino, ekdormis sub arbusto. Nu, kaj kiam la vetero fariĝis karbnigra kaj fulmo subite komencis frapadi, Küüp saltleviĝis kaj kiel freneza ekkuris al la arbaro. Pri mi li tute ne pensis. Tia pigo! Ni estis nur por iom da tempo venintaj en la arbaron por kolekti berojn kaj promeni.

— Kiu estas tiu Küüp? demandis Nipernadi.

— Küüp estas drinkejisto, jen tie, ĉe Kaava — la junulino montris tra malfermaĵo de la fojnejo per la dikfingro al la marĉo. — Ne estas ja tiu drinkejo ia trezoro, somere ĝi estas malplena kiel sako. Nur muŝoj vagadas sur la malplenaj tabloj. Sed vintre estas iom pli agrable, tiam la viroj venas hejmen de la eksteraj laboroj kaj ankaŭ la karavanoj de la ciganoj revenas. Tiam Küüp havas sufiĉe por fari.

— Ciganoj, tie ĉi en la marĉo? miris Nipernadi.

— Guste ili! akcentis Anne-Mari konvinke. Rigardu tien maldekstren — la junulino montris per la dikfingro trans la ŝultron — tie estas iliaj kabanoj.



Béla Czobel — Stratoparto

# La arto

– Théophile Gautier –

Jes ja, la verk' pli belas,
se l' ŝtofo pri l' labor'
ribelas:
verso, oniks', marmor'.

Falsa malhelp' forestu!
Sed por rekt-marŝa uz'
survestu
kotornojn striktajn, Muz'!

Se l' ritmo plate pasas:
fi! — ŝu' de troa grand'!
Ĝin lasas
kaj prenas ĉiu pland'.

Skulptist'! for la molfleksa
argil', cedanta al prem'
poleksa,
dum la spirit-flugem'!

Luktu kun ŝton' Karrara,
Parosa: gardos dur'
pri rara
pureco de l' kontur'.

Bronz' Sirakuza decas,
kie per firma ark'
impresas
fiera-ĉarma mark'.

Per mano delikata
sekvu en la tavol'
agata
profilon de Apoll'.

Pentrist'! Ne akvarelu!
La farbon por rezist'
akcelu
en forn' de emajlist'.

Faru sirenojn bluajn,
kun vostoj volve en fon'
trafluaj;
la monstrojn de blazon';

Sub aŭreol-trilobon
Virginon kun Jesuet';
la globon
kun krucifiks-siluet'.

Forpasas ĉio. Staras
nur art' eterne plu.
Urb' falas;
transvivas ĝin statu'.

Kaj la medal' plugfere
fosita el kampar'
severe
atestas pri cezar'.

La dioj mem formortas.
Sed suverena vers'
pli fortas
ol ĉia bronz' kaj erc'.

Skulptu, fajlu, cizelu;
ke l' rev', ĉi fluga flok',
sigelu
sin en rezista blok'!

El la franca: *K. Kalocsay.*

---

Nun ili estas malplenaj, nur Jaan Trotulo loĝas tie — eble vi jam aŭdis pri Jaan Trotulo? Lia vera nomo estas Jaan Indus, sed Trotulo oni nomas lin pro tio, ke li estas freneza kaj opinias sin ĉevalo. Batante sin malantaŭe per vipo, li kuradas henante tra la marĉaj vojoj — tute freneza li estas. La tutan vivon li ŝakris, vendis, ŝanĝis, ŝtelis ĉevalojn, ĝis en la maljuneco li kredas sin mem esti ĉevalo. Nenion alian li volas krom nur skrapadi per la piedo, heni kaj troti. Speciale feliĉa li estas, kiam oni lin batas kaj vokas al li: nu, ĉevaleto! — tiam li malantaŭenigas sian kapon, ekhenas kaj ekkuras kiel vento laŭ la landvojo. La ciganoj, traveture haltante tie ĉi, restigas al li por manĝo pankruston, sed la maljuna Indus manĝas ankaŭ fojnon, avenon kaj herbon. Sed la ciganoj eklogis tie ĉi pro tio, ke la marĉoj estas por ili bona kaŝejo de la ŝtelitaj ĉevaloj. Ne povas fremdulo tie ĉi trovi la beston!

— Kaj kiu vi mem estas?

— Mi mem? — trenis Anne-Mari. Nenio — nur malmulto. Ankaŭ mia edzo, Jairus, estas for kaj mi servas ĉe Küüp kiel servistino.

Subite eksonis laŭta tondrokrako, la tuta fojnejo estis kvazaŭ plena de fajro. La tero tremis kaj obtuze bruis. Per unu salto la junulino estis sur la sino de la viro.

— Jesuo Kristo, sola kaj amata fileto de Dio, kara gardanĝeleto de ni ĉiuj, pardonu miajn pekojn kaj erarojn, trompojn kaj maljustaĵojn, samkiel vi ankaŭ pli frue pardonis al ĉiuj pekuloj! diris la junulino rapide per unu spiro, kun fingropintoj humile kunmetitaj ĉe la buŝo.

— Pekas vi ja ŝajne ege, kun tiu Küüp? ridis Nipernadi, tenante la junulinon sur la genuoj.

Anne-Mari alrigardis lin malŝate kaj depuŝis lin.

— Kun tia stultulo ne estas ja peko! ŝi diris simplanime.

Akvo gutadis de ŝiaj vestoj sur la plankon kaj la junulino, kvazaŭ hontante pro la flakoj, naĝantaj ĉirkaŭ ŝi, saltadis kiel pigo ĉiam denove al pli seka loko. Je ĉiu iom laŭta ektondro ŝi ektremis, timeme ĉirkaŭrigardis, metis la fingrojn humile al la buŝo. Sed en la intertempoj de tondro ŝi estis parolema, gaja kaj babilĉirpis rapide kaj kolorriĉe. La tukon ŝi estis preninta de la kapo kaj sterninta sur la genuojn, la blankaj haroj pendis kiel malsekaj tufoj sur la ŝultroj. Ŝia buŝo estis kvazaŭ ruĝa tomato en la flava kadro de la vizaĝo.

La viro rigardis ŝin iom nekomprene, demandis:

— Ĉu ankaŭ via edzo, Jairus, estas ĉe la eksteraj laboroj?

La junulino sulkigis la vizaĝon. Deturnis la rigardon.

— Mi ne amas tiajn demandojn, ŝi diris malkontente. La edzo forestas kaj nenio pli. Forestas jam du jarojn kaj tri monatojn kaj revenos ne pli frue ol

pasis ankoraŭ naŭ monatoj. Tiel. Kaj ion alian mi ne havas por diri en tiu ĉi afero.

Ŝi ridetis, ĵetis rigardon al la junulo. Fariĝis denove pli amika.

— Vi estas scivola kiel Tavet Jona, ŝi diris. Vi eble jam konas Tavet Jonan? — li estas nia pramisto, jen, tie en la kabano, kontraŭ la drinkejo. Li estas ankoraŭ tute juna, proksimume dudekjara, jam kiel dekjara li orfiĝis kaj de tiu tempo li tiradas la pramon. Sed orfiĝis li de tiu tempo, kiam lia patro akcidente mortis. Vidu, tiu viro estis vera kanajlo. Granda li estis, la nigra vila kapo estis kiel tiu de leono, kaj kiam li ekvokis foje sur sia pramo, tiam oni aŭdis kvazaŭ laŭtan tondrobruon. Ne ekzistis homo, kiu ne timis la maljunan Jona Leonkapon, neniu volis volonte entrepreni transveturon de la rivero. Kiu iel povis, restis prefere hejme, kaj kiam oni veturis al la urbo aŭ revenis de tie, oni ĉiam kuniĝis je longa karavano kaj nur tiam proksimiĝis al la pramo. Sed amis tiu maljuna Jona iun ciganan knabinon, sekvadis ŝin kiel kulo, kaj ne lasis sian intencon. Ofte oni diradis al li: hontu, maljuna Jona, prudentiĝu kaj estu saĝa, kien vi metos tian knabinon! Sed ne cedis la maljunulo, ne prudentiĝis, kiel urso li murmuris responde. Li diris: ne estas via afero nek via knabino, mi mem aranĝas miajn aferojn! Kaj foje, kiam la cigana knabino volis transriveriĝi, la maljuna Jona prenis ŝin sur la pramon. Kaj tiam li demandis la knabinon por la lasta fojo: aŭdu, knabino, respondu nun al mi kvazaŭ al via Dio: ĉu vi volas fariĝi mia por vivo aŭ morto? Tiel li demandis. Sed la junulino ridis responde, kion ŝi sciis timi aŭ antaŭvidi? Ŝi ridis kaj petolis ĝuie. Sed kiam la pramo venis mezen de la fluo, la maljuna Jona dishakis la ŝnurojn kaj tiam ili flosis malsupren de la akvofalo. Ho, kiel kriadis kaj vokadis la knabino, sed nenio estis jam farebla — nur post kelkaj tagoj oni trovis iliajn kadavrojn albordigite malproksime laŭflue. Eĉ la rivero ne volis tiajn.

De tiu malfeliĉa tago, Tavet Jona estas la pramisto, sed ankaŭ tiu knabo ne estas pli prudenta ol la patro. Tiel scivola li estas, ke li eĉ ne transriverigas la vojaĝanton antaŭ ol li fundamente pridemandis, kiu li estas, de kie li venas, kien iras, por kio, kiun oficon li havas, ĉu li tamen neniel povis resti hejme, ĉu la ĉevalo sufiĉe manĝis, trinkis. Kaj ricevinte al ĉiuj demandoj precizajn respondojn, li kantante alturnas la dorson, ektiras la ŝnuron de la pramo, kvazaŭ neniom lin interesus tiuj respondoj. Li demandis nur por havi interparoladon. Sed kanti amas Tavet Jona, ĉiam li sidadas ĉe la fenestro de sia kabano kaj kantas tutajn tagojn kaj noktojn senĉese. Neniu instruis al li la kantojn, Dio scias, de kie li prenas la vortojn kaj melodiojn. Kiel al birdo, la kantoj estis jam ĉe la naskiĝo metitaj al li sur la bekon. En iu geedziĝa festo li kantis tri tagojn kaj tri noktojn seninterrompe, kaj kiam la festanoj jam forveturis hejmen kaj la gemastroj volis jam havi pacon en la domo, oni diris al li: ĉesu nun, Tavet Jona, estas jam sufiĉe! Tiam la junulo kvazaŭ vekiĝis el dormo kaj diris: tre domaĝe, nur nun kvazaŭ komenciĝis la kantemo! Kaj kiam Jona ektrilas, li aŭdas jam nenion, la vojaĝantoj trans la rivero povas tutajn horojn voki lin al la pramo, sed Tavet Jona eĉ ne aŭdas ilin. Li ja vidas la svingantajn homojn, sed ne aŭdas ilin. Kaj okazas do tial ĉi tie ofte grandaj malkontentoj kaj insultadoj, neniu en la ĉirkaŭaĵo ŝatas Tavet Jonan. Ĉiuj diras, ke li estas turmento por ili, peza ŝarĝo sur iliaj ŝultroj. Nur Küüp laŭdas Jonan — ne malmultaj vojaĝantoj, vane atendinte la pramiston, eniras la drinkejon kaj malpleniĝas pro ĉagreno kelkajn botelojn da biero. Pro tio, kiam en la urbo estas foiro kaj estas multe da veturantoj, mi devas ĉiam porti de Küüp al Jona bieron kaj brandon: drinku kaj kantu la knabo! — ankaŭ Küüp havos en la somera tempo iom da enspezoj.

Nuntempe tie ĉi tute ne estas multe da veturantoj, ĉiuj evitas la pramon kiel peston. Nur pro plej granda bezono oni ekvojiras. Tial oni vidas tie ĉi malmulte, malmulte da fremduloj. Aŭ kiu do bezonas tiun pramon? Nur Jaan Trotulo kuradas ofte al la pramo, henante haltas, rigardas mirante en la akvon, skrapas senpacience per la piedo kaj poste, kvazaŭ ektimiĝinte, denove rekuras galope kaj bruspirante!

Komencis malrapide lumiĝi. La torenta falado de la pluvo portiĝis rapide plue. La tondrobruo malproksimiĝis, la ekbriloj de fulmo ne estis plu tiel blindigaj. Pluvis nur maldense, estigante sur la flakoj saltantajn, brilantajn vezikojn. Iom malaltaj lokoj vaporis kaj nebulis. La Kaava-rivero, kiu nur antaŭ kelkaj horoj estis kunpremita en la mallarĝa fluejo inter la nufaroj, riverlapoj, kano kaj tifeoj, fluis nun larĝe antaŭen. La akvofalo muĝis morne, malsuprenigante pezajn akvarojn. Vento ne furiozis plu, kvazaŭ laca hundo, bojinta ĝis raŭkiĝo, ĝi jam nur jelpante kaj spiregante kuris laŭ la postesignoj de la uragano.

Anne-Mari komencis plekti la harojn.

— De kie kaj kien do vi mem iras? ŝi demandis, tenante la harpinglojn inter la dentoj. Tian viron mi pli frue ne vidis tie ĉi. Vi estas verŝajne de malproksime — eĉ harpon vi kunhavas, verŝajne vi muzikis en geedziĝa aŭ alia festo? Aŭ eble vi kunhavas ĝin nur por ŝajno kaj vi venas serĉi malaperintan ĉevalon, bovineton, porkidon?



**Jenő Barcsay** **Laborista knabino**

Ŝi ridetis larĝbuŝe, surmetis la kaptukon.

— Ni havas tian famon; kiam io malaperis, tuj oni kuras tien ĉi por serĉi. Ĉiaspecaj viroj kaj oficistoj iradas tie ĉi esplorante, ili kvazaŭ serĉas spurojn de vulpo. Sed somere ja ne valoras veni tien ĉi. Somere ni vivas kiel musoj en la truoj, eĉ la viroj ne estas hejme. Certe ankaŭ vi sekvas iajn postesignojn?

La junulo svingis nee la manon.

— Mi iradas simple por mia plezuro, ne havas mi tie ĉi eĉ la plej malgrandan aferon. Mi denove plumigros.

Li ridetis, ĉirkaŭprenis la junulinon je la talio kaj demandis:

— Povas esti, ke vi eble petas min resti? Vere, vi povus esti iom pli afabla kaj akcepti min por kelkaj tagoj ĉe vi — ho, kiel mi tiam ludus al vi tiun ĉi grandiozan instrumenton!

Li frapis per la fingroj kelkfoje la fundon de la harpo kvazaŭ fanfarone kaj fieraĉe.

Sed Anne-Mari depuŝis lin.

— Neniun mi bezonas! ŝi diris. Mi mem havas edzon.

— Küüp?

— Ne, Jairus!

— Sed Jairus sidas pro ĉevalŝtelo en malliberejo kaj ne liberiĝos antaŭ naŭ monatoj! Eble la tempo iĝos eĉ pli longa? — tiaspeculo povas ankaŭ aliajn pekojn havi sur la koro.

La junulino ĵetis al la viro koleran rigardon.

Ŝia vizaĝo ardis kaj ruĝis. La buŝo fariĝis mallarĝa kaj kurba. Ŝi sidiĝis denove sur la sojlo de la fojnejo kaj rigardis kvazaŭ esplore la ĉielon, en kies griza teksaĵo komencis estiĝi bluaj strioj kaj makuloj. La pluvo ĉesis, falis nur unuopaj malfruiĝintaj gutoj. Jam helis en sunlumo iu pli alta monteto, iu verda kampstrio, por momento la riĉkreska pinto de iu pino aŭ pieco. Ombroj kuris tra la marĉo, kvazaŭ rajdistoj rapide galopante unu post la alia. La lastaj akvofluetoj plaŭdis malsupren laŭ la deklivoj kaj montflankoj, dum la vostoj forsekiĝis kvazaŭ tiuj de serpentumantaj viperoj. Jam ekfajfis jen tie, jen aliloke birdo, ruĝvosta alnobirdo fajfante enaeriĝis, fringelo ekvokis gaje cet-cet-cet! kaj citronflava citrinelo[2]) rondflugis super la arbaro.

— Tio estas mensogo, vokis Anne-Mari malafable, mi ne diris, ke Jairus estas mallibera! Eble tion rakontis al vi iu alia babilulo? Kaj eĉ se li sidas en malliberejo, do ne pro ĉevalŝtelo. Ho ne, la ĉevalojn de Jairus ne kaptas eĉ satano — ne estis li tia fuŝulo! Eĉ henadon oni povis aŭdi en la marĉo — sed la beston oni tamen ne trovis. Li konis sian laboron kaj la marĉon de Maarla. Li kreskis tie ĉi, konis ĉiun eĉ plej sekretan vojeton, ĉiun razenon, scipovis kaŝi sin kiel vipero sub razeno. Tute aliaj aferoj forkondukis lin de tie ĉi — mankas kaŭzo por rakonti pri ili. Sed nun li baldaŭ revenos kaj tiam pli ol unu viro gardu sin!

Ŝi ridetis superece, fierege.

— Ankaŭ Küüp? demandis Nipernadi.

— Ne, kial? miris Anne-Mari. Küüp ne havas kaŭzon por timi Jairus — ili estas amikoj.

Ŝi leviĝis de la sojlo kaj komencis sin rapide ordigi.

— Rigardu do, kia pluvego estis! ŝi diris ĝoje. La tuta Maarla subite fariĝis plaŭdanta lago. Certe nun ankaŭ Jona denove ekkantos. Lastatempe la suno brulsilentigis ankaŭ lian gorĝon.

Ŝi alrigardis petole la junulon kaj vokis:

— Tiel, kaj nun: ĝis!

## La lupoj kaj la ŝafoj

— Lafontaine —

Post jaroj kaj mil jaroj de streĉa viv' milita,
La lupoj kun la ŝafoj paciĝis post pardon'.
Por ambaŭ partoj tio tre certe estis bon'.
Ĉar, se festenis lupoj per ŝafidet' perdita,
Ilian haŭton uzis paŝtistoj laŭ bezon',
Neniam libereco, nek por sinpaŝtaj grupoj
Nek por la sangsoifaj lupoj.
Ne povis ili vivi sen tim' pri akapar'.
La paco do okazis. Da garantioj — kvanto:
La lupoj donis idojn kaj hundojn la ŝafar'.
La interŝanĝ' fariĝis en formo ordinara
Eĉ sub kontrolo komisara.
Post kiam la lupidoj, kun ĝojo kaj honor'
Sin vidis lupoj fortaj, perfektaj, sangavidaj,
Atendis ili iam — kvietaj kaj perfidaj,
Ke la paŝtistoj estu for.
Kaj ili jen strangolis plej grasajn ŝafojn por
Ĉe l' dentoj ilin porti al la arbar' apuda,
Kie la lupfrataro atendis, laŭ inform'.
La hundoj ripozantaj fidele al konform'
Murdataj estis en la dorm'.
Rapidis ĉio tiel, sen ia bru' aluda,
Ke eĉ por unu hundo ne eblis fuĝa kur'.
Konkludi ni do povas nur,
Ke justas, se trompulojn ni kontraŭbatalegas.
La paco estas bona mem — Sed ĉu utilas ĝi, se regas
Ĉe l' malamiko perfidem'?

El la franca: *Juliette Baudin.*

---

Per kelkaj saltoj ŝi estis sur la landvojo. Akvo kaj koto ŝprucis kaj bolis ĉirkaŭ ŝi. Ŝi ekprenis per la mano la malsekan pendaĵon de la jupo kaj gaje eksaltis trans la flakojn al Kaava.

— Anne-Mari! postkriis Nipernadi.

La junulino rerigardis por momento, ridetis sonore kaj poste kuris saltante plu. Baldaŭ ŝi malaperis ĉe la vojkurbo malantaŭ marĉaj betuloj, arĝentsalikoj kaj alnoj. Nur la sonora rido sonis ankoraŭ kelkfoje.

— Kia strangulino! diris la junulo ĉagrenite. Tiel ege ŝi rapidis, iom da tempo ŝi ja povus ankoraŭ resti, ne estis ja urĝe! Kiel mi ludus al ŝi! Estas certe nenio la kanto de Jona kompare kun tio. Sed ŝi ne volis — fiera ŝi estis. Nur laŭdis Jairus-on kaj Küüp-on, tiajn kanajlojn! Kaj forkuris — kiel blankis ŝiaj kruroj en sunlumo kaj la buŝo estis plenega de rido!

Li deprenis la jakon kaj dismetis ĝin por sekiĝo.

Jam helis la suno. Kelkaj malfruiĝintaj nubopecoj kuregis kiel erariĝintaj ŝafidoj post la ŝafaro. La birdoj kvazaŭ eldormiĝis, ĉiuj arboj kaj arbustoj estis subite plenaj de ilia pasia fajfado kaj ĉirpado. Ili trilis, fajfis, ĉirpis, huis, intermikse, konkure, kaj ĉiu ĉirpo kaj ĉiu fajfo estis plena de senbrida ĝojo kaj rapida batado de koro. Sur ĉiu folio kaj floro brilis kaj radiis pezaj pluveroj kiel perloj. Musko estis plensorbita de akvo, sukriĉa, ŝvelinta, kaj je tuŝoj de vento ĝi deskuis gaje la malsekajon kiel hundo veninte el akvo.

La suno komencis proksimiĝi al la horizonto.

La junulo staris kelkan tempon senmove, sed poste li prenis la jakon, pendigis la harpon per ŝnuro trans la ŝultro kaj ekiris rapide al la arbaro.

Ne, ne, tie ĉi li ne restos — eĉ la varioldifektita Anne-Mari ne invitis lin eĉ por momento al si. Tiaj strangaj homoj estas tie ĉi, eĉ Dio mem ne komprenas iliajn kuriozajn agojn kaj farojn. Ili ŝtelas, kantas,

restadas en malliberejo, iras dum fulmotondro en arbaron por kolekti berojn, kaj, kiam venas la deziro, veturas per pramo malsupren de la akvofalo — nur miru.

Kial estis Anne-Mari tiel fiera?

Ĉu li ne promesis ludi al ŝi sian harpon?

Ne, ŝi ne volis — ŝi bezonas neniun! Kvazaŭ li almozpetis amon! Li deziris simple iom sidi, sur la harpo iom movi la fingrojn kaj paroli, kiel strangaj estas tiuj ĉi lumaj noktoj, varmegaj kaj helaj, kiam ĉiu nervo estas ĵetita kvazaŭ sur varmegan amboson kaj en la animo regas ia neklarigebla maltrankvilo, ia stranga nervozeco.

Ne, bravulo estis tamen tiu maljuna Jona Leonkapo — dishakis la ŝnurojn kaj veturegis malsupren de la akvofalo!

Veninte en la arbaron de Jaanihansu, Nipernadi subite ekiris returne.

Li ja devus pli proksime rigardi tiun akvofalon?

Per granda ĉirkaŭiro li venis al la akvofalo de Kaava kaj sidiĝis tie ĉi. En la lumo de la subiranta suno brilis kaj radiis la ruĝeta akvo de la akvofalo. Falegis ŝaŭmante kaj muĝante malsupren de la alta kalkŝtona muro. La akvopolvo ŝvebis kiel rozkolora nebulo, sed kiam la suno subiris, ĝi malheliĝis, fariĝis griza. Malsupre turniĝadis la fluo, movis sin maldiligente kaj kvazaŭ sata besto moviĝis malrapide antaŭen.

Kaj la ĉielo estis luma, tiel strange luma kaj lakte pala.

Nipernadi abrupte stariĝis.

Rapide li ekiris al la drinkejo de Kaava.

*

La nokto estis kvieta kaj sufoke varmega, la ĉielo pale arĝentgriza, unuopaj steloj trembrilis malhele. Plenluno ekbrilis rustkolore tra la arboj.

Malantaŭ la drinkejo, ĉirkaŭate de plurbrakaj marĉaj betuloj kaj tremoloj, staris malgranda tenejo, malalta kaj malrektiĝinta, la muskokovrita tegmento apogis sin malantaŭe rekte al la tero, dum sur la spino kreskis abundaj herbo kaj urtikoj. Grandaj densaĵoj de lapoj staris ambaŭflanke de la sojlo. La herbejo, iom pli malproksime, estis plena de blankaj erioforoj.

Nipernadi alpaŝis al la tenejo,[3]) aŭskultis kaj frapis.

— Anne-Mari, kara, ĉu vi aŭdas? li diris — tio ĉi estas mi, la sama viro kun harpo, kun kiu vi estis dum la ŝtormo tie ĉe la marĉo en la duone disfalinta fojnejo, ĉu vi memoras? La sama junulo, al kiu vi rakontis pri Küüp, Jona, Jaan Trotulo kaj pri via kompatinda, malfeliĉa edzo Jairus, kiu estas malliberigita pro grava ĉevalŝtelo. Pardonu, ke mi ĝenas vin. Mi estis jam certe forironta de tie ĉi, jam mi eĉ foriris, sed tiam mi ekpensis, ke eble Anne-Mari eĉ ne estas tiel malafabla kaj tamen invitos min por momenteto al si? Kompreneble, ne tuj, ne hodiaŭ kaj ne morgaŭ, ankaŭ pri postmorgaŭ ni prefere nun ankoraŭ ne parolu, sed estonte, iom pli malfrue, ni diru, post unu aŭ du semajnoj. Tiam, kiam vi jam alkutimiĝis al mi, kiam vi jam ĵetis sur min kelkajn fajrajn rigardojn. Sed hodiaŭ vi permesas al mi simple iom sidi tie ĉi kaj iomete babili, ĉu ne? Kaj se vi volas esti aparte afabla, ŝovu vian liton pli proksimen al la pordo, alie vi certe ne aŭdas min.

Li starigis la harpon ĉe ŝtono, forviŝis la ŝviton kaj sidiĝis sur la sojlo de la tenejo.

— La noktoj estas tiel varmegaj, li diris, tiel varmegaj kaj lumaj. Oni rigardas la subiron de la suno kaj apenaŭ oni sukcesis turni sin, kiam la fajrodisko brilas kaj radias jam sur la kontraŭa parto de la ĉielo. Ĉu estis nokto aŭ tute ne estis? Kaj tio faras nin tiel maltrankvilaj kaj malsanaj, ni ĉirkaŭmigras kiel malsanuloj kaj ne trovas nian ĝustan lokon. Kaj dormemo mankas absolute, oni estas vigla kiel birdo sur branĉo.

Mi venis tien ĉi, Anne-Mari, sed tamen mi nenion volas de vi. Vere absolute nenion. Sed mi povas freneziĝi pro la penso, ke homo preteriras min kun plej granda trankvilo, kvazaŭ mi estus por li muskokovrita ŝtono, landvoja polvo, putra arbostumpo. Li preteriras kaj eĉ ne rigardetas. Tio ja estas terura, Anne-Mari, ĉu ne. Kaj tiam mi vokas tiun homon, vokas kaj ekparolas al li, Dio scias, kion kaj kial — eble nur por tio, ke vidu tiu homo, ke ankaŭ mi estas viro, ke mi spiras, suferas, sentas ĝojon pri la beleco de la someraj tagoj.

Kial mi ne rajtu paroli al vi, ke mi amas vin, ke vi estas tiel bela kaj ĉarma kaj ke ĉiuj homoj en la mondo estas kvazaŭ sunfloroj — ili turnadas siajn kapojn nur post vi, suno. Mi parolas ĉiam tion, kion la homoj volas aŭdi. Mi scias, ke tiel oni ne rajtas, ke oni devas diri la veron tute senkaŝe. Sed mi ne povas, mi hontas. Kiel mi povu diri la veron — Anne-Mari, malĉasta virino, tia sentaŭgulino, la propra edzo estas en malliberejo, sed ŝi kunvivas kun Küüp! Ŝi logas tiun arkpiedulon en arbaron por beroj, sed mem baldaŭ falas pro sunfrapo sub arbuston! Kaj ankaŭ tion ja neniu ankoraŭ scias, kio okazas tiam, kiam vi portas la bierojn kaj brandojn al Jona por kantigo? Certe vi kolerus pri tiaj paroloj kaj de tio profitus nek vi nek mi — prefere jam mi mensogos. Prefere jam mi diros: Anne-Mari, virino el la marĉo, tuj kiam mi ekvidis vin, tuj de la unua rigardo finita jam estis via kompatinda, malfeliĉa knabo! Tiam vi ridetos certe, alrigardos min pli afable kaj estos iom pli favora al mi, malfeliĉulo.

Vidu, kiel leviĝas super la arbarojn unuopaj nubogigantoj. Kiel vicigita armeo ili aperas. Ili ne estas ankoraŭ blankaj, sed iliaj randoj jam rozkoloriĝas kaj estas arĝentgrizaj — mateno estas proksima, la fajrujo jam ekbrulas. Jam ekpepis tie kaj aliloke fringelo, nigrakapa silvio vokis sonore. Kaj skaraboj kaj insektoj ekmovas sin sur herbotigo — finita estas la



**Ferenc Medgyessy** **Malĝoja virino**

nokto, pasis la momentlonga nokto. Antaŭhieraŭ mi kuŝis en arbaro sub brakriĉa kverko kaj tiam mi vidis strangajn aperaĵojn, tiel reale, tiel versimile. Ne, ili eĉ ne estis aperaĵoj, sed okazis vere tiel, kiel mi vidis tie sub la brakriĉa kverko.

Malproksime, malproksime trans landoj kaj maroj, vivas la reganta princo de Kapurthala, fama maharaĝo. Eble vi jam pli frue aŭdis pri li? Li havas grandajn palacojn kaj la sennombraj aroj de liaj sklavoj kunportadas kiel diligentaj formikoj al li trezorojn el ĉiuj partoj de la mondo. Kiel riveroj, riveretoj kaj torentoj, pasantaj montojn kaj arbarojn, fluadas riĉaĵoj en liajn trezorejojn. Kaj tie estas amasoj da perloj kaj diamantoj unu apud la alia kiel razenoj en niaj marĉoj. Ha, Anne-Mari, ekvidante tiujn juvelojn per nekutimigita okulo, oni subite blindiĝas kaj mutiĝas — tiel radias kaj brilas ili en la trezorejoj unu apud la alia, kiel miraklofloroj florante. Kaj la maharaĝo de Kapurthala havas filinon Enelele, tiel malgrandan kaj delikatan kiel ĵus malfermiĝinta primolo. Kaj iradas ŝi dancante, saltante, kun la perlaj kolĉenoj kiel fadenoj el lunarĝento ĉirkaŭ ŝi. Sed jen ŝi subite malsaniĝas. Ne aŭdas plu la reganta princo la ridadon de Enelele, ŝian gajan pepadon — dormas malvarma kaj senmova la malfeliĉa Enelele. Scipovas neniu ŝin kuraci, konas neniu rimedon kontraŭ la malsano. Eminentaj kuracistoj de la lando ĉirkaŭiradas sur piedfingroj, ŝiradas la harojn kvazaŭ herbaĉon de bedoj, kun longaj grizaj barboj kiel vipfinoj ĉe la buŝo. Konsumiĝas pro malĝojo la reganta princo, ne manĝas, ne trinkas, ne metas la kapon sur la molan kusenon, kun okuloj ruĝaj de kolero kaj malespero kiel tiuj de bovo. Li ordonis tiam senkapigi sescent eminentulojn de sia lando por puno kaj averta ekzemplo al la ceteraj, aranĝis solenajn preĝadojn, sed nenio helpas — malvarma, senmova kuŝas en sia lito la malgranda primolo Enelele. Kaj tiam, de la malĝojo kunpremita kiel malplena sako, proklamis la maharaĝo de Kapurthala tra la landoj kaj maroj: kiu savos la malsanan Enelele, ricevos lian tronon, lian potencon, liajn riĉaĵojn, ekhavos Enelelen por feliĉo kaj beno.

Vidu, jam alvenadas seninterrompe longaj karavanoj de blankaj elefantoj kaj sur ili la plej riĉaj kaj potencaj princoj de la lando en blankaj kaj nigraj turbanoj. Vidu, jam rapidegas el landoj malproksimaj vagonaroj kaj ŝipoj kaj riveroj da kameloj al Kapurthala. Kaj tie, apud la brilo kaj pompo de la aliaj, rajdas ankaŭ Tomas, junulo el nordo, kun la nomo Nipernadi, rajdas sur malgrasa ĉevalo, sen brilo, humile, en malriĉa vesto de laborulo. Sed li ja konas sian saĝon kaj sorĉon, li nur ridetas superece pri la insultoj kaj ne respondas al la mokoj — tia estas la norda junulo el la malproksima lando de arbaroj kaj riveroj. Kaj kiam alvenis la tempo, kiam la saĝuloj de ĉiuj landoj nenion sciis fari, ankaŭ la junulo provas sian ŝancon. Ion alian li eĉ ne faras krom nur paroli al la malsanulino pri la arbaroj kaj herbejoj de sia lando, pri la lumaj noktoj kaj varmegaj tagoj, ŝaŭmaj akvofaloj de la riveroj kaj mistereco de la marĉoj. Kaj rigardu, Enelele leviĝas, leviĝas de sia malvarma lito kaj la malgranda primolo-fringeleto ridas gaje kaj sonore — jen sana ŝi jam estas dank' al Dio.

La reganta princo de Kapurthala, la riĉa maharaĝo, batas sian altan bruston kvazaŭ bruantan tamburon: jen, li diras, prenu ĉion, kion mi havas, vi povas aldone ankaŭ min mem uzi kiel paĝion por vi. Kaj ĉiuj tiuj, kiuj estas ĉirkaŭe, ĉiuj princoj kaj saĝuloj kaj eminentuloj, ili kuŝas en polvo, sur la tero surventre, surbruste, renversite. Ili volus hurli de kolero kaj envio, sed ne kuraĝas, ili nur turnadas la okulojn kaj silentas.

Kaj tiam diras la junulo el nordo, kun la nomo Tomas: pardonu, sinjoroj, mi ja nenion postulis! Mi volas de vi neniom da riĉaĵoj, ĉar mi mem estas miloble pli riĉa: mi havas en la nordo balanciĝantajn arbarojn kaj super ili flugas klukantaj sovaĝaj anseroj. Mi havas herbejojn kaj tie floras miozotoj pli rave ol la amasoj de viaj rubenoj. Mi havas en la nordo kampojn kaj kiam vento movas la pezajn orspikojn, estas kvazaŭ muĝus maro. Kaj sunon mi havas, ĝi brilas kaj radias eĉ noktomeze.

Jen kiel, ili miras, ankaŭ la suno estas via kaj brilas eĉ noktomeze? — Jes, tiel, mi respondas, brilas ankaŭ noktomeze. Verdire mi ne havas ankoraŭ kabanon, kien meti mian kapon, tian malgrandan kabanon, sed viro certe povas aranĝi ankaŭ tion! Sed de vi mi volas nenion, mi venis tien ĉi nur por mia plezuro kaj ĝuo kaj pro la malgranda Enelele. Se vi permesas, mi kunprenas malgrandan memoraĵon! Kaj mi prenas de la piedo de Enelele ŝian ŝueton, metas en la brustpoŝon kaj sidiĝas sur mia ĉevalo. Bonan tagon kaj adiaŭ! mi diras.

Tio ĉi estas vere okazinta historio, pri tio mi povas ĵuri je Dio kaj liaj eminentaj altranguloj, la episkopoj! Tiel okazis al mi antaŭhieraŭ nokte kaj kiel pruvo pri tio estas en mia brustpoŝo la eta ŝueto de tiu primolo. Vidu mem, jen ĝi estas.

Nipernadi ekserĉis en la poŝoj. Li fariĝis ĉiam pli senpacienca, maltrankvila, li palpserĉis tie kaj ĉi tie.

— Kie mi ĝin kaŝis? Ĉu ĝi ne perdiĝis? li diris ektimiĝante.

Sed poste li viŝis per la mano la frunton kvazaŭ vekiĝante.

— Tiaj lumaj noktoj vere frenezigas la homon! li diris sopirĝemante.

Li silentis, sulkigis la brovojn.

— Tiaj paroloj ne plaĉas al vi, Anne-Mari, li diris, mi scias tion. Do mi klopodas paroli pri io alia.

Kiel domaĝe estas, ke vi ĉiam ankoraŭ ne kredas, ke mi enamiĝis je vi!

Vere, baldaŭ povos okazi tiel, ke iun belan tagon mi veturegos malsupren de la akvofalo, kiel tiu Jona Leonkapo. Mi veturegos malsupren kaj finita estos via knabo. Ĉe mi okazas tiaj aferoj simple kaj rapide. Estas ja facile tion fari: la rivero, akvofalo kaj pramo staras por dispono, necesas nur prunti hakilon, per kiu dishaki la ŝnurojn. Kaj hakilon pruntas por tia celo ĉiu ajn.

Aŭ eble vi ŝanĝos ankoraŭ vian sintenon?

Vidu, Anne-Mari, tio ĉi estas la marĉo de Maarla kaj mi ne komprenas, kial ĝi ankoraŭ ne estas sekigita je fekunda herbejo? Ĉiam ĝi gargaras kaj gluglas sub la razenoj kaj ĝiaj nebuligoj ne havas finon. Rigardu, kiel leviĝas la blanka nebulo, la malgrandaj marĉaj betuloj kaj miskreskaj pinoj kvazaŭ pendas per siaj pintoj de la ĉielo. Mi rigardis ĉe la akvofalo, tie estas nur kelkajn klaftojn larĝa kalkŝtona muro, ĝi tenas la akvon. Se tiun muron eksplodigi per kelkaj dinamitkartoĉoj, la marĉo senakviĝos kiel renversita plado. Tiam vi ne bezonos plu ŝteli ĉevalojn, konduki ilin por kaŝo en la marĉon, amikumi kun la ciganoj. Eĉ Jairus, veninte hejmen, povos fariĝi honesta terkulturisto kaj ankaŭ la tagoj de Küüp estos pli gajaj. Tiam oni konstruos tie ĉi larĝan landvojon kaj la veturantoj volonte eniros la drinkejon por iom ripozigi la piedojn.

Ha, kara Anne-Mari, kiaj grandiozaj herbejoj

## Al sia liuto

— Sir Thomas Wyatt (1503—1542) —

O liut', vekiĝu! Kun muziko rita
Nun kantu, — O, laboro malŝparita! —
La finon de l' esper' kaj revkonstru';
Ĉar kiam estos mia kant' finita,
O liut', silentu: mi ne kantos plu.

Mi tuŝos tra orelo surda koron,
Per plumbo ĉizos vorton en marmoron:
Al ŝi mi kantos ĉiam sen influ';
Ĉu do sopiron kantu mi aŭ ploron?
Ah, ne, liuto! Mi ne kantos plu.

Al mia amo kaj petego kanta
Ŝi restas pli kruele adamanta,
Ol rokoj al ondar' kaj ŝtormobru';
Nekonsoleblaj pro neglekto vanta,
La liut' kaj mi ne kantos plu.

Fiera, vi trofeojn multajn trafis
El koroj tro naivaj, kiujn pafis
Amoro per kruelaj sagoj. — Ĉu
Vi kredas: Li pafarkon malagrafis
Ĉar mia liut' kaj mi ne kantos plu?

Ne pensu, ke vi sola sub la suno
Mokeme glitos el la sort-plenumo,
Ke vin ne trafos venĝo kaj detru':
Suferon de amanto sekvos puno,
Eĉ se la liut' kaj mi ne kantos plu.

Vi eble kuŝos laca kaj velkinta
Dum longaj noktoj de l' malvarmo vintra,
Al lun' plendanta pri la korenu';
Torturos vin deziro akrapinta:
Kiu volos, zorgu! Mi ne zorgos plu.

Kaj povas esti, ke vi tiam pentos
Kruelon vian, kiam vin turmentos
La penso pri perdita ama ĝu':
Vi belon nura prunto tiam sentos,
Kaj sopirados — kiel mi ne plu.

O liuto, ĉesu la muziko rita,
Finiĝis la laboro malŝparita:
Mi malaperos en la tempoflu';
Nun estas mia lasta kant' finita —
O liut', silentu, mi ne kantos plu.

El la angla: *L. N. Newell.*

---

povus tie ĉi esti kaj sur tiuj herbejoj paŝtus sin dudeko da laktbovinoj de Anne-Mari, tiaj grandaj, ruĝaj, kun mamoj kiel blankaj tinoj. Kaj Anne-Mari starus sur la sojlo de sia bieno, rigardus tiun brutaron, dum paro da bubetoj ploretus ĉe ŝia jupo, ŝi rigardus la brutaron, ridus larĝbuŝe kaj vokus — halihalo! la brutaron hejmen por la vespero, mem havante blankan antaŭtukon por la melkado, kun la okuloj kaj buŝo plenaj de la brilo de la subiranta suno! La brutaro kurus brupaŝe al la hejmo, dum la pezaj mamoj pendtuŝus la fekundan herbejon, la hundo antaŭ ĉio, la paŝtisto post ĉio — kaj baldaŭ, baldaŭ lakto gaje ekfluus en la ladajn ujojn. Kaj jen, vidu, ankaŭ Jairus (aŭ Küüp, kiel vi deziras) envenus kun la ĉevalo kaj plugilo tra la pordego, forviŝus ŝviton de la frunto, rigardus ĝoje al vi kaj dirus: ho, satano kaj infero en la brulanta sulfuro, jen estis tago! Post tio vi ambaŭ irus en la vestiblon, kun la paro da bubetoj ĉiam pendantaj je la jupo, ĉiam pendantaj je la jupo, kaj tie via edzo dirus al vi ankoraŭ: jen, tute ne estas necese ŝteli ĉevalojn kaj pro ili, aĉuloj, sidadi en malliberejo, la aĉuloj mem kreskas sur la herbejo kiel fungoj en arbaro!

Mi rigardis la marĉon; dum jaroj la rivero portadis el la arbaro ŝlimon kaj koton kaj la kalkŝtona muro ĉe la akvofalo retenis ĉion ĉi. Tiamaniere dum jardekoj kaj -centoj estiĝis tie ĉi vasta marĉo, dum antikve estis tie ĉi fruktoporta valo. Mi konas tiujn ĉi aferojn, kredu min, Anne-Mari. Mi estas profesie marĉdrenisto, mi iradas tra la lando kaj kiam mi trovas tian marĉon, mi senprokraste eklaboras. Plurajn dekojn da marĉoj mi jam drenis, la akvo fluis kun terura bruo malsupren kaj postrestis bela valo kiel fermita manplato. La speciala arto en tio ĉi tute ja ne estas necesa, oni nur boru dinamitnestojn proksime al la akvofalo, proksimume dudekon da paŝoj flanke, plenigu ilin per eksplodmaterialo, almetu la meĉaĵon, kaj la ŝtonoj flugos aeren. Kiam tiel estas procedite, oni kunigas la riveron kun la kanalo kaj tiam — ho, graco kaj beno! — la akvo ekfluas laŭ la nova fluejo, fluas kaj ŝaŭmas, ĝis la marĉo estas seka. Aŭtune, kiam la marĉo sekiĝis, ni povos laborigi hakilojn kaj plugilojn kaj la sekvontan printempon ni semos novan herbon. Tiel nutra humo tiam aliloke apenaŭ troviĝos.

Kion vi opinias, Anne-Mari, se ni jam morgaŭ komencus tiun laboron? Vi, Küüp, Jona, mi, eĉ Jaan Trotulon ni petos por helpo, kaj multaj tagoj eĉ ne pasos antaŭ ol la laboro estos farita.

Imagu nur tiun miron, kiam la karavanoj de la ciganoj revenus aŭtune hejmen kaj konsternite haltus ĉe Kaava. Ili frotus la okulojn, skuus la kapojn: kia diabla fantomaĵo kaj sorĉo tio ĉi estas? Tie ĉi antaŭe ja estis marĉo kaj Maarla kaj ilia hejmo, sed restis de tio absolute nenio. Restis starantaj nur iliaj antaŭaj kabanoj duonpende, sed ankaŭ ili estas kvazaŭ pli alte, kvazaŭ en fremda loko? Anstataŭ la marĉo kuŝas belaj herbejoj kaj rivero fluas tra ili, ĉu ĝi estas Kaava? Ili serĉas sian antaŭan hejmon, sed ne trovas ĝin. Kaj tiam plenigus ilian animon granda teruro kaj timo, tremante ili saltus sur siajn veturilojn kaj galope rapidegus for de tiu ĉi malbenita kaj fremda loko.

Vere, Anne-Mari, jam morgaŭ ni ekboros la dinamitnestojn.

Pro prokrasti mankas kaŭzo, eĉ Jona liberiĝos de tiu malagrabla tien- kaj returne-tirado de la pramo kaj povos estonte trankvile vivi nur por sia kanto. Ne estos plu necese fulmrapide saltleviĝi, kiam sentaŭgulo veturas al la rivero; li povos trankvile fini sian kanton kaj komenci la sekvantan. Tiam pramo ja ne estos plu necesa, la rivero kuntiriĝos en la mallarĝan fluejon kaj sur tiun oni povos konstrui ponton.

Estas strange, Anne-Mari, ke vi respondas nenion. Vi eĉ ne salutis min ankoraŭ. Jam mi sidis kaj parolis tie ĉi kelkajn horojn, sed vi silentas kiel birdo en sia nesto. Aŭ ĉu la dormemo estas tiel forta, atakas kiel inkubo? Kaj ne ĉesas antaŭ ol ĝi faligis vin sur la litfundon por profunda dormo kaj ripozo. Leviĝadas nur la brusto, kaj la nazloboj estas disblovitaj kiel akvofaloj.

Ne, kompreneble ne, vi ne dormas, vi aŭskultas malantaŭ la pordo, kun oreloj pintigitaj, buŝo ridanta. Kiu do povus nun dormi, nun, kiam la nebulo jam mal-

aperis el la marĉo, la suno estas en la alto de duonhektaro kaj aroj da hirundoj rondflugas alte, alte. Estas preskaŭ certe, ke la nestoj de la hirundoj verŝajne jam estas plenaj de junaj idoj, ĉies pepantaj bekoj estas eletenditaj trans la randon de la nesto, tiel ke nenia forto kaj potenco jam povas plenigi iliajn avidajn kropojn. Vidu, la turdoj jam eĉ elportis siajn idojn, nun ili flugadas en granda aro, de kampo al kampo. Certe ili devas gluti ankoraŭ kelkcent milojn da raŭpoj kaj insektoj, antaŭ ol la flugiloj estos sufiĉe fortaj por la granda alsuda flugo trans la arbarojn kaj marojn.

Anne-Mari, komprenu do fine, ke mi amas vin!

Respondu nur unu vorton, unu plej simplan vorton, mi ja devas scii, ke vi estas malantaŭ tiu ĉi pordo.

Aŭ ĉu vi volas, ke mi ludu al vi?

Ĉu la paroloj jam sufiĉas, vi konsentas pri ĉio kaj volas nun aŭdi ankaŭ la muzikilon? Tute vere, mi ja promesis ludi al vi, jam tie, en la fojnejo, ĉu vi memoras?

Li prenis de la ŝtono la harpon, lokiĝis pli proksime al la pordo, pasigis kelkfoje la fingrojn sur la kordoj, aŭskultis poste iom kaj ekludis. Tio estis polko, rapida kaj brua. La fingroj tuŝadis kvazaŭ dancante la kordojn. La vizaĝo ridetiĝis, la okuloj fariĝis afablaj. Ŝajne li mem ĝuis sian ludon.

— Ĉu ne, Anne-Mari, tio ĉi estas ja bela? li demandis.

Sed ankaŭ nun aŭdiĝis el la tenejo nenia respondo.

— Ĉu vi vere ekdormis? miris Nipernadi.

Li frapis, ludis, frapis denove.

— Tia ursa vintrodormo! vokis la junulo.

Sed tiam knaris la malantaŭa pordo de la drinkejo kaj sur la sojlo aperis Küüp. Li estis dormema, ŝirmis la okulojn kontraŭ la suno. Liaj blankaj ĉemizo kaj kalsono brilis blindige.

— Kiu do bruaĉas tie la tutan nokton? li vokis, tenante la manon antaŭ la okuloj kaj penante tra la fingroj rigardi kontraŭ la suno. Ĉu estas veturanto al la foiro, edziĝfestano? Do li frapu sur la pordo de la drinkejo, tie, kie estas la elpendaĵo!

Li tusis longe kaj peze, inter la fingroj de la maldekstra mano fumis pipo. Tusante li arke kurbiĝis.

— Ĉu Anne-Mari estas tie ĉi, en la tenejo? demandis Nipernadi.

— Anne-Mari tie ĉi, en la tenejo? ripetis Küüp. Ne, tie estas nur malplenaj boteloj de biero.

Nipernadi malkontente dejetis la harpon.

— Kie ŝi estas do? li demandis spiteme.

— Estas do? ripetis Küüp la lastajn vortojn de la demandanto. Ŝi dormas tie, en la drinkejo, en la ĉevala parto.[4])

Tiel, kaj ŝi tute ne estas en la tenejo? Kaj ĉiuj belaj rakontoj pri la maharaĝo de Kapurthala, pri Enelele, pri la drenado de la marĉo de Maarla kaj ĉio cetera estas ĵetitaj kvazaŭ aeren, por neniu? Li nur vane parolis al la malplena tenejo, siajn plej belajn vortojn li ĵetis kontraŭ la putran pordon? Kiel ĉiam, kiel ĉiam, la plej bela pasas preter la oreloj, sed tio, kion ili kaptas, estas nuraj rubo kaj ŝlimo.

Kaj Anne-Mari aŭdis nenion, nek pri amo, nek pri la dudeko da laktbovinoj, kiuj havas mamojn kiel blankajn tinojn? Ne aŭdis, kiel li promesis ŝaŭmigi la akvon kaj muĝe malsuprenigi ĝin el la marĉo. Ne aŭdis — kaj tio estas la ĉefaĵo — lian majstran ludon, kiu povas ripetiĝi unu solan fojon en la vivo! Li ja ludas ĉiutage, sed tamen povas okazi tiel, ke la solan fojon en la vivo li scipovis enfermi en la ludo sian tutan animon kaj sopiron. Kaj Anne-Mari aŭdis el tio neniom, ŝi dormis kvazaŭ mortigita, dum la brusto leviĝadis, la nazloboj muĝadis kiel akvofaloj, dormis tie, en la ĉevala parto!

— Alportu al mi bieron kaj tranĉaĵon da pano! li diris al Küüp.

— Tranĉaĵon da pano? ripetis Küüp laŭkutime la lastajn vortojn de la parolanto. Unu botelon da biero kaj du tranĉaĵojn da pano? Aŭ du botelojn da biero kaj unu tranĉaĵon da pano? Kiel estis, sinjoro?

— Panon kaj bieron! vokis la junulo kolerete.

— Bieron? Jen tiel, nun la preciza kompreno estas per unu fino jam en la mano: du bierojn kaj du tranĉaĵojn da pano!

Li trenis sin dormeme for, liaj pezaj paŝoj sonis longe en la malplena drinkejo. Tie li tusadis kaj vokadis Anne-Mari-n. Verŝajne li trovis nenion. Fine li revenis kun biero kaj pano, metis ilin sur la sojlon de la tenejo, verŝis bieron en la glason.

— Ĉu vi estas de malproksime? li demandis, — jen, eĉ muzikilon li kunhavas? Supozeble vi ludas tian instrumenton, tio estis kvazaŭ aŭdebla antaŭe. Aŭ ĉu vi kunhavas ĝin por ia alia celo? Tie ĉi estis antaŭ nelonge viro kun granda trumpeto, sed lia trumpeto estis plena de kontrabanda brando, ankaŭ al mi li proponis por malalta prezo tiun brandon, tre bona trinkaĵo ĝi estis. En harpon oni certe ne povas meti brandon?

Li rigardis la muzikilon je ĉiuj flankoj, frapis la resonejon, provis ĝin skui.

— Aŭ ĉu la varo estas jam aliloke vendita? li demandis ruze.

— Mi estas marĉdrenisto! diris Nipernadi fiere. Mi iradas kvazaŭ kastristo tra la lando kaj kie mi trovas marĉon, tie — ek' al labor'!

— Tie — ek' al labor'? miris Küüp. Do tia viro vi estas — kiu povus tion konkludi laŭ tiu ĉi harpo. Nu, pri la marĉo de Maarla certe nenio estas farebla. Gia akvo kuŝas profunde kaj sub ĉiu razeno kirlas dekduo da fontoj. Tiun diablon eĉ satano ne venkos!

— Certe venkos! fanfaronis Nipernadi. Mi jam konas miajn laborojn kaj aferojn. Kaj fonto tute ne ekzistas tie ĉi. Ĉio estas ŝlimo kaj koto, portita malsupren el la arbaro, kaj la kalkŝtona muro ĉe la akvofalo ne lasas la akvon deflui.

— La akvon deflui? ripetis Küüp.

Li metis la harpon al la nazo, flaris — ne, tio ĉi vere ne estas por transporto de kontrabanda brando! Estas simple nur bagatela kaj senvalora ilo, taŭgas eble al infanoj por ludado. Domaĝe, tre domaĝe, en tiu trumpeto estis nedireble malkara brando, ĉiuj trinkis, laŭdis kaj bone pagis. Li, damnita, povus ja ankaŭ tien ĉi enverŝi kelkajn gutojn, kiam do li vane kunportas la instrumenton!

Jen, marĉdrenisto? Küüp vidis eĉ pli grandajn sinjorojn, kiuj sur maŝino rapidegis tien ĉi, mezuris kaj esploris la marĉon, ŝovis sian nazon sub ĉiun razenon, gluis en libron ĉiun muskon kaj tifeon, sed poste skuante la kapon denove forrapidis sur sia maŝino. Nur abomena odoraĉo de fumo restis post ili, nenio pli. Ili, malbenitaj, nenion povos fari al la marĉo de Maarla — restos eterne la marĉo kaj la aferoj, ligitaj kun la marĉo; se nur Jairus revenus pli rapide hejmen, tiam ĉiuj denove havus laboron, agadon kaj monon.

Jen, tia vanta muzikanto intencas sekigi la marĉon de Maarla! Mem li estas malriĉa kaj mizera, ĉirkaŭiradas kvazaŭ hubula servisto, eĉ la botoj estas tro grandaj kaj disŝiritaj. Eble li eĉ ne povas pagi la kalkulon? Sub la influo de dormemo mi kredencis al li tiel multe, tute sufiĉus unu biero kaj unu pantranĉaĵo. Aŭ ankoraŭ

pli ĝuste: unu tranĉaĵo da pano kaj por la biero monon tuj anticipe! Se do li ne povus pagi por la pano, Küüp povus lin enskribi en la libro por almozuloj. Küüp havas tian libron por almozuloj. Tie li enskribas ĉiujn siajn senesperajn debitorojn kaj donacojn al almozuloj. Kaj kiam do kiel vera kristano li iras unu fojon en la jaro, kaj nome dum la grava pentekosto, al komunio, tiam li kunprenas tiun libron al la preĝejo, antaŭ la sankta altaro genuante li metas tiun libron sub la genuojn kaj post la sakramento kaj hostio montras ĝin ankaŭ al la pastro. Kaj la pastro tiam faras strekon sub la jarraporto kaj skribas sub tiu streko tiamaniere, ke li legis tiun ĉi aĵon de la komenco ĝis la fino kaj laŭdas la malavaran donacanton kaj zorganton pri la malriĉuloj, sinjoron Küüp, la drinkejiston de Kaava.

Küüp multe ja ne donas, plejparte staras en tiu listo la senesperaj debitoroj — iu prenis kringon kaj ne pagis, iu trinkis botelon da biero kaj nepaginte forŝteliĝis, iu ĵetis glason kontraŭ la muron kaj obstinis pri la pago. Ili ĉiuj enestas en tiu libro sub la nomo almozuloj, precize, detale, laŭ la adreso. Tiaj uloj! koleretas Küüp. Tiaj sangsuĉistoj — nur tiom ili, rabistaj filoj, utilas, kiom la pastro laŭdas kaj kiom la bona Dio konsideros ĉe la absolvo de la pekoj.

Sed stampon la pastro ne metas sub la jarraporton. Li skribas, sed stampon ne metas. Ofte Küüp paroladis kaj insiste petadis pri tiu stampo, certe estus kvazaŭ pli noble kaj elegante kaj ankaŭ por li mem estus pli bele kaj agrable rigardi, se la gravaj stampoj de la preĝejo brilus tie en la libro de almozuloj. Sed la pastro estas terure avara kaj ne donas. Diras, ke la subskribo tute sufiĉas. Tia strangulo — ne volas fari ĝojon al proksimulo, kiel ordonas kaj instruas la sankta skribo. —

Trinkas la muzikanto, ĝuas, la panon li manĝas rapide kaj avide. Ne, — tia aĉulo certe ne kapablas pagi eĉ unu cendon! Denove la bona Dio sendis al li rabiston por ŝarĝo, li nur plenigas ĝue sian borborigmantan stomakon per la ŝvito kaj peno de la proksimulo. Plej terura estas tio, ke oni neniel scipovas diveni, kiu havas en la poŝo monon kaj kiu ĝin ne havas. Ja ekzistas, kiel oni rakontas kaj asertas, ankaŭ tiaj talentaj drinkejistoj, kiuj jam laŭ la vizaĝo scipovas diveni la kvanton de la mono de la gasto. Oni diras, ke ili, sataNoj estas tiel saĝaj, ke tuj post la unua rigardo ili povas diveni je precizeco de unu cendo — ili legas sur la vizaĝo kvazaŭ en libro. Sed Küüp ne scipovas, vere neniel. Li ja provadis kaj ekzercadis, sed nenio fariĝas el tio. Li verŝajne ne havas tian talenton, la grandan kaj de la Sinjoro donacitan talenton de drinkejisto.

— Do marĉojn vi drenas? demandas Küüp denove. Ĉu laŭ ordono de la registraro?

— Jen mono! diras Nipernadi. Ŝanĝu kaj prenu vian parton.

Li ja havas monon! miras Küüp. Ne, pro diablo, ĉiuj suspektoj estis vanaj. Nu, jen vi havas, kiam mankas la drinkejista talento. Vera drinkejisto rimarkus tuj, kun kiu li havas aferon, portus tutan korbon da biero al la sojlo de la tenejo, instigus drinki kaj gustumus ankaŭ mem. Jen, tiam jam estus kalkulo! Sed nun — nun vi timis pri viaj du bagatelaj boteloj kaj la granda drinkado pro tio tute ne venis. Ho, domaĝo kaj mizero! Ho, amaraj larmoj de malriĉulo!

Eble li eĉ estas marĉdrenisto, sendita de la registaro, afergvidanto de iu agrikultura societo, instruktoro, aŭ kiel oni nomas ilin, fiulojn? Nuntempe oni povas ja kredi neniun. La vizaĝo kaj vestoj diras ja nenion. Iufoje veturas tien ĉi eleganta sinjoro, drinkas kaj diboĉas, sed baldaŭ jam polico estas post li — li eĉ ne estis io alia ol ĉiutaga ŝtelisto. Sed alian fojon venas simpla vireto, tia malgrasa kaj modesta, sed poste li montriĝas grava persono. Kiu ilin scias, kiu ilin scias, tiujn vagantojn tra la lando!

Ŝajne necesas voki Anne-Mari'n, ŝi interparolu kun la junulo, eble li mendos ankoraŭ ion? Kelkajn bierojn, kelkajn vinojn, malgrandan botelon da kuminlikvoro? Kaj ankaŭ Anne-Mari parolu pri tiu ĉi marĉo, tie ĉi nenio estas por dreni. Tie ĉi estas tute senfunda ŝlimejo, sub ĉiu razeno estas kelke da plaŭdantaj fontoj. Eble li senpripense eĉ ekklopodaĉos tie ĉi, superakvigos ĉiujn herbejojn, troviĝantajn malsupre de la akvofalo.

— Jes, Anne-Mari ne estas tie ĉi, diras Küüp subite. Ŝi dormas en la drinkejo, en la ĉevala parto. Nun ŝi jam certe leviĝis — ĉu mi eble voku ŝin?

— Ne, ne estas necese, diras Nipernadi.

— Ne, ne estas necese? miras Küüp. Vi mem ja kvazaŭ demandis pri ŝi?

— Ha, tio estis jam antaŭ longe! diras la junulo.



**Rezső Diener Dénes:** **Muta naturo**

# La granda aventuro

— F. Szilágyi —

I.

Senpacienca knabinkrio: — Karlo for el la lito, mi devas min lavi!

Silento. Poste nova krio, eĉ pli akra boras sin tra la pordo:

— Ka-a-arlo! Iru jam, mi malfruos!

Ilonjo kriis. Ŝi estis la sola ano de la familio, kiu regule perlaboris iom. Ĉar pri la kontribuo de la patro oni ne multe povas kalkuli. Li estis ĵurnalisto, nun iom maljuna kaj, pro lia nekuracebla kverelemo, senkontrakta. Li kuradas nun de mateno ĝis vespero, agas, grumblas, kolektas anoncojn kaj dum la taga kurado forkonsumas tiujn bagatelajn sumojn, kiuj falas foje-foje kvazaŭ el la ĉielo. Sed li avare konservas la eksteran dekoron kaj Dio savu tiun, kiu ne alparolas lin: »Sinjoro Redaktoro«.

Ilonjo estas unu el liaj infanoj. Ŝi staras nun senpacience antaŭ la banĉambro. Tie dormas Karlo, la frato de Ilonjo. Nu, la loĝejo estas sufiĉe granda, memoro de la bona antaŭmilita tempo, ĝi konsistas el tri ĉambroj, — sed iamaniere oni devas solvi diversajn zorgojn. Oni ja povas ŝuldi per la luprezo al la domposedanto, sed singarde, ke la ŝuldo ne estu tro granda. Nun du ĉambroj el la tri estas subluitaj. Kiam la dua subluanto kun sia edzino, antaŭ kelke da tagoj, enloĝiĝis, la familio havis gravajn zorgojn. La domloko de Karlo estis facile trovebla. La domo estis konstruita ankoraŭ en tiu tempo, kiam oni povis trankvile grasiĝi sen la danĝero, ke oni fine ne povos eniri iun aŭ alian ejeton de la loĝejo. La banĉambro do estis sufiĉe granda. Karlo, dudektri-jara junulo, kiu ĝis nun ne povis labori, escepte kelkajn helplaborojn, ekz. sekreta nokta neĝbalaado, aŭ kelksemajna kontora laboro, kaj kiu neniam estis sola, verdire ĝojis pro sia ekskluziva, propra banĉambro, kie li vivis la pli belan duonon de sia vivo, de la deka vespere ĝis la sepa matene.

Tiu solvo do estis tre kontentiga. Pli malfacila problemo estis la lito. La novaj subluantoj bezonis unu liton kaj la solan kanapon (kaj ili ricevis tri el la kvar seĝoj de la familio). Antaŭ jardeko la meblaro estis multe pli granda, sed kelkaj procesoj, kelkaj ŝuldoj forblovis ties grandan parton. Nun Karlo bezonis liton kaj oni povis konstati sen tro longa kalkulado, ke inter la bezono kaj la provizo la diferenco estis precize minus unu lito.

La banĉambro estis nekutime granda. En tiu nekutime granda banĉambro staris nekutime antikva bankuvo. Oni jam delonge ne povis sin bani en ĝi, ĉar diversloke dek truoj vundis la maljunan korpon, sed estis fakto, ke en la nekutime granda banĉambro ankaŭ la bankuvo estis nekutime granda.

Archimedes iam elsaltis el la kuvo kun la subita malkovro de la Regulo. Karlo faris la malon. Li saltis en la kuvon kaj kriis: Heŭreka! Sed la kuvo ne montriĝis oportuna kuŝejo. Ia insida diablo ŝtelis sin en la duŝon, kiu cetere ne funkciis jam de kvin jaroj kaj la duŝo malgraŭ ĉiuj artifikoj, penadoj, teknikaj majstraĵoj faligis ĉiunokte kvar-kvin grasajn akvoglobojn sur la nazon de Karlo. Karlo ne amis tion. La problemo reviviĝis. Troviĝis en la loĝejo ripozseĝo kaj unu el la du fratinoj de Karlo (tiu, kiu ne havis laboron), de tiam dormas en la ripozseĝo. Vere la bona sorto konservis tiun ĉi meblon por la sepjaroj de la neceso.

Nun Karlo havas ĉambron kaj liton, sed li devas vekiĝi antaŭ la sepa, ĉar la knabino frue komencas sian laboron. Karlo tion ne amas, li amas duondorme kuŝi kaj revi pri tiu tempo, kiam li estos riĉulo, aŭ almenaŭ bone pagata laboranto. Tiuj revoj havas tre agrablajn detalojn, ili estas bagateleme konstruitaj kaj elĉizitaj. En tiu revmondo havas gravan rolon la deksepjara gracia knabino el la najbara loĝejo, kiu mirakle ekfloris en la lasta duonjaro. Ŝi iomete »katumis« kun li, dufoje ili rigardis filmon kune, sed poste io interrompis la bone ekirintan romanon. De kelkaj semajnoj ŝi arogante rigardas preter li, kiam ŝi vagabondas sur la mallarĝaj stratetoj de la antikva kvartalo kun tiu ruĝvanga, pomadita minesciaskiu. Agrable estus facile, elegante lin nokaŭti, malfermi la pordon de la eleganta Hispano, alporti ŝin ĉi tien (vi vidas, kiel eleganta virĉambro iĝis el la antikva banĉambro), kaj postuli de ŝi la kompletigon de la interrompita ludo. Ŝiaj friponetaj vangoj nun estas purpur-ruĝaj, ĉu vi vidas la junan, vivsopiran figuron, ĉu vi aŭdas la sensincitan ekvidon. Sed nun *mi* ludos kun vi, museto — li pensas. Li proponas cigaredon al ŝi, ili ekfumas ambaŭ atendoplene, nubo de delikata fumo ĉirkaŭŝvebas ilin kaj nun . . .

---

— Jam antaŭ longe? Ĉu antaŭ longe? Kaj nun vi tute ne havas plu emon?

Tio estas malnova afero — la humoro de la sinjoroj ŝanĝiĝas kiel vento. Nur ĵus li frapegis kaj kriaĉis pro la virino, sed nun, post momento, eĉ vidi ne volas ŝin plu.

— Ĉu vi longe restos tie ĉi, tie ĉi en Maarla? demandas Küüp scivole.

— Longe? ripetas Nipernadi kvazaŭ vekiĝante.

— Kiel mi sciu tion! li vokas poste spiteme. Vi estas tie ĉi vere strangaj homoj, mi devas ankoraŭ pripensi, kiel fariĝos pri la marĉo kaj ĝia sekigo. Vi kutimiĝis tie ĉi al la mizera kaj sentaŭga vivo, pli bonan vi eĉ ne bezonas. Kie aliloke oni povas vidi tian malsaĝaĵon, ke virino ne dormas en tenejo, sed ĉe ĉevaloj? Kaj la suno estas jam en la alto de dek hektaroj, sed ĉiuj ankoraŭ dormas profunde kaj videbla estas neniu.

Kaj Nipernadi prenas la harpon kaj stariĝas.

— Sed pri la drenado de la marĉo de Maarla ni parolos ankoraŭ! li diras.

Tiam li paŝas al la rivero kaj vokas:

— Jona, aŭdu, Jona, venu kaj transriverigu min!

Li staras, atendas.

— Jona, fripono! li vokas afliktite, venu do!

— Tia strangulo, diras Küüp, rigardante la junulon, Dio scias, de kie kaj kiu li povas esti? Ia tajloro, ia muzikisto? — instruktoro ŝajne certe ne!

El la estona: *Henriko Seppik.*

[1]) *Ficedolo* = bastardnajtingalo (Ficedula Hypolais).

[2]) *Citrinelo* = speco de birdo (Emberiza citrinella).

[3]) En la estona kamparo la fraŭlinoj kutimas somere dormi en la tenejo.

[4]) La malnovaj drinkejoj en la estona kamparo konsistis el du partoj — en unu fino la drinkejo mem kaj en la alia: ejo por la ĉevaloj kaj veturiloj.

— Ka-a-ar-lo-o! Tiu ĉi sentaŭgulo denove ekdormis!

Karlo grumblante ellitiĝas. Malbonhumora li estas. Rapide li surmetas la pantalonon, kies brilo logas la atenton al ne emfazinda korpoparto, la ŝtopoplenajn ŝtrumpojn kaj la ŝuojn, kies plandoj diskrete enlasas la koton kaj pluvon. Karlo oscedas. Li iras en la kuirejon. Tie li atendas, ĝis la banĉambro reliberiĝos.

— Ĉu la juna sinjoro jam moŝtis forlasi sian baldakenliton? — grumblas la patro kaj poste Karlo transprenas komision por urĝigi pagon, kiu eventuale neniam estos plenumita. Karlo almenaŭ trifoje estis tie. Komence li tre fervore klopodis pri la afero, ĉar Patro promesis dek procentojn, sed poste klariĝis, ke la tuta promeso ne valoras unu groŝon. Kvankam la mono nun estas ege necesa ne nur por Karlo, sed ankaŭ por la tuta familio. Ĉiu kredito nun elĉerpiĝis kaj de kelkaj tagoj ili manĝas senĉese stufitan grion sen viando, sen graso aŭ butero. Cetere hodiaŭ Karlo planas perfidon kontraŭ la familia majesto. Unu el liaj amikoj (kian societon serĉas al si tiu ĉi bubo; senlabora kelnero estas tiu amiko), akiris al Karlo senpagan bileton por tagmanĝi en la komunuma manĝejo. Jam plurfoje temis pri tio, ke la familio devus sin registrigi en la listo de la oficiale helpataj malriĉuloj, sed parte la sinjoro redaktoro protestis tre akre, parte Panjo, kiu trans ĉiu fajro komplete konservis la sinjorinan majeston, indigniĝis pro la malinda ideo:

— Prefere malsatmorti. Kune kun tiuj ĉifonuloj? Neniam!

Sed Karlo havas ian kriplan ribelemon en sia interno. Pri la mezuro de tiu ĉi ribelemo oni ankoraŭ nenion povas diri, sed eble la hodiaŭa tagmanĝo estas ĝia plej supra grado. Jes, hodiaŭ li gustumos la menuon de la kompato. Hieraŭ li jam vidis la menuokarton. Ĝi estas fidiga. Rizo-supo, bovoviando kun brasiko. Kaj grio tute ne!

La banĉambro estas daŭre okupita. Nun liberiĝis la gazeto. Honorekzemplero. Karlo trafoliumas la grizan kaj lacan paperon. La politiko ne interesas lin, oni nur devojiĝas de la plej ĉefa demando. La felietono estas tute stulta. Nenio en la kriminala rubriko, almenaŭ nenio interesa. Ebrieco, mortigo pro ĵaluzo, vilaĝa trinkejo kiel batalkampo; nu, nenio. Inter la anoncoj, kiel kutime, nenio. Oni serĉas nur agentojn por la »enkonduko de sensacia novaĵo«. Fiksan salajron oni ne pagas, nur procentaĵon. Karlo jam konas tion. Nu, entute nenio.

Fine! Denove malfermiĝas la pordo de la banĉambro. Karlo nun denove estas sola. Zorgeme li aerumas, lit-odoro restis post la sin lavintoj. Kaj nun li nudigas sin ĝiskokse kaj diboĉas en la freŝa akvo. Poste li longe rigardadas sin en la fendita spegulo. Li vidas tute belan knabon tie. Definitive li plaĉas al si. Nigra hararo, brunaj okuloj, etaj lipharoj. Oni povas miri, ke li konservis sian junecon en tia mizero. Sufiĉe alta li estas kaj kiel li konstatas, liaj movoj, gestoj estas elegantaj. En tiu ĉi momento Karlo estas tre kontenta. Cetere la kutimajn zorgojn li jam ne sentas, same, kiel oni ne sentas la normalan premon de la atmosfero. Karlo vivis ĝis nun nur militon kaj postmilitan militon. Punkto.

Pasis la naŭa. En la lukazerno bruo, frapado. En la korto estas ekspozicio de ĉifonoj, litaĵoj. Karlo nun estas preta. Vana rigardo al la najbara loĝejo. Nu, egale! Li ekfajfas. Kaj nun li iras piede por enkasigi la postulon de la patro. Li estas gaja, sed malrapide li iras kaj sen konvinkiĝo pri la utileco de lia vojo. Seninteresaj elmontrejoj rabas de li longan tempon, li postiras beletajn virinkrurojn nur *l'art pour l'art*, li faras tion tute diskrete, sin ne rimarkigante, fine li alvenas al la komercejo, sed tiel kredperdinte li parolas, ke la komercisto eĉ ne multe ĝenas sin:

— Mi bedaŭras, kara amiko, neeble. De mateno mi ankoraŭ ne vidis aĉetanton. Nu, tia estas nun la situacio. Bonvolu diri al via patro, ke li estos la unua, al kiu mi pagos, se mi povos.

La fripono. — Karlo nun tre malrapide paŝadas en la aŭtuna sunbrilo. Li ne rememoras pri simile bela novembro. Estas varme kaj foje-foje orfolio falas antaŭ la piedojn. Estas ĉarma la lula falado de la folioj. Estas gracia la ritmo de la lulfalo. Li rememoras la



**István Nagy:** **Montetoj de Erdély**

# Poemoj de Eino Leino

El la finna: *L. L. L.*

## Elegio

Kiel rivero
por la juneco eskapas.
Grizajn fadenojn
vivo-teksilo enfrapas.
Vane, ho vane
volas mi kapti momenton;
vino, kunuloj
plu ne ĝojigas la senton.

Tempo fiera
de l' energio jam pasis.
Mensa raviĝo
min antaŭ longe forlasis.
Post la leviĝo
ĉu nun do sekvos subiro?
Horon serenan!
jen mia nura deziro.

Tion mi scias:
por la serĉanto de l' vero
estos ripozo
nur en la tombo sub tero.
Ŝtormas la vivo,
sunon subglutas malhelo;
ruĝa strieto
restas: sopiro al belo.

Revo-montetoj
floraj subiĝis enmare.
Mi malriĉiĝis:
kantojn mi pagis tre kare.
Ĉion mi donis,
estis malmulta la kreo,
post la revaĵoj
restas nur tristo, kor-veo.

Laca mi estas
laca, ho, laca por morti!
Ĉu do tro peza
estis la ŝarĝo por porti?
Eble mi volon
havis, sed ne energion?
Nur memriproĉon
gajnis mi — plue nenion.

Estis do vanaj
ĉiuj suferoj kaj penoj,
vane rompitaj
estis la karaj katenoj?
Ĉu mi nun falos
antaŭ la fin' de l' laboro,
kiam cikatro
kovris la vundon de l' koro?

Spiti la diojn
estas neeble por viro!
Koron konsoli
eĉ ne kapablas la liro.
Raŭkas agordo,
frosto malvarmon alspiras.
Kiel rabbesto
morti en groton mi iras.

## La Tricoteuse*

La Tricoteuse! Teruran sencon havas.
Vaporas sango ĉirkaŭ tiu vort',
La Tricoteuse! Timigas ĝi kaj ravas
kiel abismoj de kruela sort'.
Aŭskultu, nokte jakobenoj krias,
forkuru, gilotinoj jam funkcias,
kaj en l' animo, kiel Belsazaro,
ekvidas vi per fajra literaro:
La Tricoteuse!

La Tricoteuse! De lando kaj popolo
per ŝtrumptrikil' turniĝas histori',
kaj falas reĝa kap' laŭ via volo,
se maŝon ruĝan ekdeziras vi.
La Tricoteuse! Kolero via: sango.
La Tricoteuse! Sed via am': lavango.
Patrinon karan oni murdi povus,
se ame-flustre al l' orel' sin ŝovus
La Tricoteuse.

La Tricoteuse! Nun iu pensas eble:
nur malfeliĉon donas via sin';
sed malfeliĉa estas ja duoble
la viro, kiu ne renkontis vin.
La Tricoteuse! Vi mian vojon baris.
La Tricoteuse! Vi min freneza faris.
Barakti en la maŝoj estas vane,
enkatenigis min ja blanka-mane
La Tricoteuse.

La Tricoteuse! Sed viro morte laca
ĉe vi en nigra nokto de l' harar'
ripozas dolĉe post klopod' senpaca,
kaj vin memoras dum la taglabor'.
La Tricoteuse! En viv' unua tento!
La Tricoteuse! Finflagro de l' prudento!
Mi ĉiam pensas vin, ĝis vivvespero.
Forgesos tuj la viron sub la tero
La Tricoteuse.

Sed kie trovi ŝin en vasta mondo?
demandas vi, kunfrato, kun esplor'.
Ŝi vagas kiel vento, mara ondo,
subite venas ŝi, tuj estos for.
Sed kia estas de l' poeto nomo?
La kanton verkis juna norda homo
al l' amatino: kun la buŝo varma,
rigardo rava, plej malica, ĉarma
La Tricoteuse.

*) Tiel estis nomataj la virinoj, kiuj dum la franca revolucio trikante aŭskultadis la rigorajn decidojn de la nacia konvento.

## Somervespera vento

La somervespera vento
delikate zumas,
la vojeton en arbaro
luno arĝentumas.

Inter pinoj eksonoras
la kukola kanto,
jam trankvilas la malgaja
koro de l' migranto.

## Konsolo

Ŝi mordis, elsuĉis, elprenis min,
forjetis la sekan kruston.
Ŝi trinkis la sukon el mia pokal'
kaj manĝis la koron el brusto.

Ho, se mi eĉ povus malami ŝin!
Sed cindro ne brulas en flamo.
Nur unu konsolon mi havas, jen:
Vi trinkis venenon en l' amo.

## Libera viro

Liberan viron en katen'
ne tenas glavo, fera ĉen',
lin ne sklavigas la perfort',
nek diktatora vort';
dum ĉio falis al la ter',
li staras en la fulmveter',
kaj ĉe la falo lia man'
plu frapas al tiran'.

Libera estas viro nur,
se li kuraĝas sen terur'
fidele iri al batal'
pro sia ideal';
ne skuas lin amasa kri'
nek punminac', nek ovaci',
tra nigra nokto sen ŝancel'
li marŝas al la cel'.

Libera vir' en ĉiu sort'
trankvile diras al la Mort':
»mi mortos; sed post mia hor'
plu vivos la labor'.«
Ĉar por hero' nur floro-kron'
ja estas mort', se laŭ ordon'
de l' konscienc' li devus sin
oferi en la fin'.

---

Iliadon: »Kial, vi, noblanima Tydeides, demandas min pri mia deveno. La homa gent' ja similas folion sur la branĉo. Vento forblovas ĝin ...« Estas bele, sed jen nur tio restis al li el la tuta greka lingvo. Kiom estas nun? Li rigardas al la turo de la ruĝa-blanka, gaja preĝejo. Pasis la dekunua. Nun li havas ankoraŭ du horojn. Tiam li renkontos la kelneron kaj ili kune iros al la manĝejo. Sufiĉe longa tempo ĝis la unua. Kion li faru? Li eksidas sur benko. La avenuo estas gaja kaj sunplena. El la centro de la urbo verŝiĝas gaja amaso. La trafiko havas elegantan karakteron. Oni promenas kun ridantaj infanoj, kun pli-malpli bonmoraj hundetoj. Karlo sidas apud la stratangulo. El la flankstrata parto servistinoj rapidas al la vendohalo; unu el ili tre petole alridas lin. Malbela ŝi estas. Ho, kiel bela estas tiu aŭto. Iu fremdlanda diplomato sidas en ĝi.

Tre malrapide pasas la tempo. Almozulo lamadas al li. Li devas ekridi: »Onklo, vi ne estas granda psikologo.« Entute li havas monon nur por du aĉkvalitaj cigaredoj.

En la tabakvendejo li elspezas siajn lastajn monerojn. Poste li residiĝas sur la benko. Nun li ne havas monon, li nun liberiĝis de ĉiu respondeco, nun li estas tute senpeza. Kvankam kiel agrable estus havi multe da ĝi! Tiom ekzemple, kiom certe havas tiu eleganta fripono, dando, kiu afekte frapas la aŭtopordon. Por momento pugniĝas la mano de Karlo. Sed li ja ne estas obstina karaktero, la mano rapide reglatiĝas. Tiu Karlo estas simila al juna hundo, lia rigardo saltas tien-reen, foje li ekkoleras, sed en la ora varmo de la tagmezo rapide fandiĝas la kolero. Estas pli bone ridi.

II.

La suno karesas la teron per somere varmaj kaj mildaj fingroj. La strata bildo viglas sub la kareso, sed subite la tuta bildo laciĝas. Estas momenta silento; oni ne vidas eĉ unu aŭton, la homoj haltas, mem la suno laciĝas, lacete ĝi okulumas. Kvazaŭ en ĉambro ĉiuj eksilentus kaj oni dirus: »Anĝeleto traflugas la ĉambron.« Aŭ, kvazaŭ en simfonio momenta silento atentigus pri la grandiozo de la sekvonta melodio. Ankaŭ Karlo laciĝas, preskaŭ li ekdormetas, kiam io neatendita kaptas lian atenton. Taksiaŭto venas en la proksimo, la antikva maŝino ekknaras kaj la veturilo subite turniĝas ĉe la angulo. La turno estas tiel abrupta, ke Karlo ektremas kaj la radoj kontuzas la trotuarrandon. — Certe la pasaĝero frapetis por la ŝoforo — pensas Karlo, — ke ĉi tie li turniĝu kaj la ŝoforo ne estas sufiĉe lerta. — Li ne havas tempon daŭrigi la pensojn, ĉar la aŭtomobilo faras nur kelkajn metrojn en la flankstrato, poste ĝi haltas. Sur la ŝtupo de la veturilo aperas ekstreme gracia virinkruro, en griza silkŝtrumpo kaj lakŝuo. La gracia piedo longe restas sur la ŝtupo, Karlo havas tempon bone ĝui la graciе sveltajn liniojn. Li konstatas, ke ŝi ne volas elpaŝi tute antaŭ ol fini la kalkulon kun la ŝoforo. Sed fine aperas la tuto, juna, eleganta, brunblonda virino. Virino, kiu havas ideale subtilan talion kaj indan tajlorinon. Karlo per la tuta korpo turnas sin en la direkto de la flankstrato. La virino ĉirkaŭrigardas kaj singarde ekiras. Ankaŭ la aŭto forveturas. Karlo preskaŭ senkonscie ekstaras. Lin logas la neverŝajne subtila kaj tamen radike reala estaĵo. La virino denove ĉirkaŭrigardas kaj nun, post la unuaj malrapidaj paŝoj, ŝi daŭrigas la vojon rapide kaj *piede*.

La cerbo de Karlo laboras fulmrapide. Kial ŝi haltigis la aŭtomobilon, se ŝi ankoraŭ ne atingis la celon? Kien ŝi iras, kaj de kie ŝi venas? La koro de Karlo pulsas forte. La rapidaj paŝoj maltrankvile frapetadas sur la trotuaro antaŭ Karlo. Ŝi estas bela, tre bela. La plej bela ŝi estas el ĉiuj virinoj, kiujn Karlo ĝis nun vidis. Oni povas nur sonĝi pri tia virino. Kial li sekvas ŝin? Li mem ne scias. La sekreta kulpo de la belulino nun incitas Karlon, kvazaŭ ŝi apartenus al li. Ĉar ŝi havas ja kulpon. Ŝi venas de sia amato, kie ŝi pasigis dolĉajn horojn kun tiu rabisto. Kaj nun ŝi de-

vas rapidi, ŝi foriris sub preteksto de aĉeto, baldaŭ hejmenvenos la edzo. Certe ili ne estas tro riĉaj, ĉar ŝi ne volis per aŭto alveni ĝis la domo. Tio ja estus suspektinda. Tamen ili ne havas materialajn zorgojn. Certe ne, ŝia eleganteco ne estas supraĵa, el ĝi radias la tradicia trankvilo, konstanteco. Kurbkrura junulino, proleta knabino, venas kontraŭe al li. Kial tiu tavolo de la socio neniam havas tiel deformitajn piedojn. Ho jes, la konstanta bonfarto. Tiu ĉi knabino vidis ĉiam mizeron, dum ŝi jam ne scias, kiel ŝi serĉu novajn plezurojn. Karlo divenadas, meditas kaj koleras. Nun li kredas, ke li kapablus esti kruela. Pri la maniero de la krueleco liaj ideoj estas iom miksitaj. Ĉar la virino estas tre bela.

La grizŝtrumpaj, lakŝuaj piedoj ritme frapas la asfalton. Ĉe la stratkruciĝoj, kiam ŝi suprenpaŝas, oni vidas pli multe. Komplete bela ŝi estas, kiel Phryne. Se la kulpo estas tiel bela, oni devas ŝin pardoni. La strato nun leviĝas, blanka ŝtuparo sekvas. La virino kurete iras kelkajn ŝtupojn kaj senintence donacas plezuralmozon al la junulo. Poste ŝi konsciiĝas pri la nedezirata akompananto. Ŝi konsterniĝas, hezitas kaj rerigardas. La rigardo de Karlo klare montras, ke li volas ion. Momento ne sufiĉas por analizi, kiaj ingrediencoj estas en tiu alrigardo. Sed io premas la koron de la virino. Ŝia bruna rigardo malheliĝas. La longgantaj manoj faras subitan, maltrankvilan geston. La bela figuro inter du ŝtupoj sin turnas, — statua bildo — la vestoj nun klare montras ŝian gracian korpon. Ŝi turnas sin rekte kaj defende — atake al Karlo. Estas klare, ke ŝi timas. Kaj la strato estas tute senhoma. De malproksime oni povas aŭdi la karakterizan siblon de la tramvojo. La suno ridas milde, sed ŝia apenaŭalda voĉo klopodas esti akra kaj decida:

— Kion vi volas? Bonvolu tuj foriri!

Karlo mem surpriziĝas pro ŝia certeco. Ĉar ankaŭ Karlo estas decida, kaj duonlaŭte, bone silabante la vortojn, li diras:

— Sinjorino, mi scias ĉion. Vi komprenas, ĉu ne, ĉion?

La subtile kolora vizaĝo ekpalas. La mieno iĝas dolorplena. Ribelemaj larmoj ŝoviĝas en la okulojn. La rigardo tute profundiĝas. Pereiga parfumo flugas al Karlo el eta poŝtuko. Karlo afliktiĝas kaj volas frakasi sian kapon.

— Mia edzo do, li komisiis vin — ŝi diras kaj en la kliniĝo de la belega kapo estas pento, malĝojo, kaj angoro.

Karlo ne respondas. Lin surprizas la nova rolo. Li rigardas ŝin. Rompita, florplena branĉo. Mem la duondiino de la malespero. Karlo estas kortuŝita. Nun li devus konfesi ĉion, ke li mensogis, ke ankaŭ tion faris la senlaboreco, ke temas nur pri subita kaprico de nenifaranto. Li devus tion fari, sed li nur staras. Li staras ja sub sorĉo. La sorĉo radias de la malgaja mieno de la belulino, el la parfumo, el la tuta komplekso de la virino, kiu nun staras tiel senkulpa, pura, — virga. La morala indigno de Karlo iom post iom cedas el sia streĉiĝo. Karlo komprenas ĉion. La edzo estas maljuneta homo, ŝtatoficisto, sekulo, eble prokuristo en banko. Senhara dikulo. Ŝi ne diras tion, sed la intuicio de Karlo diktas la priskribon. Ĉu ne estas nature, ĉu ne estas kompreneble, ke pompa papilio ne restas en polvoplena, griza ĉambro, sed serĉas plezurflorojn en la vivĝardeno. La pensoj de Karlo atingas la parnasan alton kaj li teksas en si la romanon de la nekomprenata virino. Sed la silento nun daŭras longe kaj ĝi iĝas tre ĝena.

La sinjorino nun subite decidis. Ŝi levas energie sian kapon kaj sen alrigardo, kvazaŭ ŝi parolus al malinda servisto, ŝi diras:

— Bonvolu veni kun mi. Kaj eĉ ne unu vorton pri la afero. Mi aranĝos ĉion.

Kaj Karlo iras kun la plej bela virino. Lia poŝo estas malplena, kiel la kapo de bankproduktisto, sed printempo tamburas en lia koro. Li ne rimarkas la malestimon de la virino, ĉar li sentas, ke li konfesos al ŝi la veron, la *tutan* veron. Kaj ĉu oni povas dubi pri tio, ke ŝi komprenos lin?

III.

La domo estas nova, moderna. Senvorte ili alvenas al la unuaetaĝa loĝejo. Blanka pordo. Ŝi elprenas ŝlosilon, malfermas. Ĉambristino venas el la ĉambro. Demande ŝi rigardas Karlon. La sinjorino nun turnas sin al Karlo. La voĉo estas rigida:

— Vi atendas respondon, ĉu ne? — iom da atentiga akcento estas en la frazo.

Karlo komprenas.

— Jes — li respondas.

La sinjorino nun ordonas al la servistino iri en la butikon por io. Jes, pensas Karlo, ŝi timas la ŝtelaŭskulton. La ĉambristino foriris. Karlo kaj ŝi eniras ĉambron. Varma nesto, glata moderna meblaro. La

---

## SERENE

Kiam *Strindberg* jam ne estis tute sana kaj ĉiam pli klare montriĝis la signoj de la poste plene atakanta frenezeco, en Gotenburgo li ĉiutage manĝis kune kun fama profesoro — malgraŭ lia fameco mi forgesis la nomon sed pro tiu manko mi ne volas oferi la anekdoton — nu, kiel mi diris, kun profesoro, kiu bedaŭrinde havis la saman malsanon, kiun Strindberg.

Foje Strindberg alvenis tagmeze al la tablo kaj lia amiko akceptis lin per la jenaj vortoj:

— Amiko, mi mortis.

— Azeno vi estas, — diris Strindberg — vi ne povis morti, vi ja manĝas bifstekon!

— Tio pruvas nenion, — respondis la profesoro — almenaŭ ne pli, ke ankaŭ mortinto povas manĝi bifstekon.

*

Ferenc *Molnár*, la konata hungara verkisto foje serĉadis inter la libroj de antikvario. La komercisto tre konvinke proponis bonaspektan libron al la verkisto. Fine li diris:

— Aĉetu tiun ĉi libron, sinjoro Verkisto! Ĝi estas el la biblioteko de barono N....

Molnár protestis:

— Ĉu vi kredas, ke vi povas min influi per tio, kiu la libron antaŭe havis? Al mi estas tute egale...

— Ho ne, — diris la librovendisto — ne egale. Mi nur volis vin certigi pri tio, ke la libro estas absolute netuŝita.

*

Ankaŭ tiu ĉi historieto okazis, tamen ni preterlasu la nomojn. Ŝtatviro, aristokratdevena, foje vizitis sian kolegon, same aristokratdevenan. La unue menciita ŝtatviro estis tre parolema homo. Kiam li alvenis, lin helpis maljuna lakeo, kiu ŝajnis al li konata:

— Mi jam vidis vin, kara amiko, ĉu ne?

La maljunulo serioze respondis:

— Ho jes, Grafa Moŝto. Mi servas jam ĉi tie la kvaran *de*generacion...

prokuristo ŝajne perlaboras multe. Eble eĉ mil pengojn monate. Kaj tiu aĉa dikventrulo havas ankaŭ ŝin. Ŝi estas nun tute trankvila kaj tranĉe frosta.

— Atendu momenton! — ŝi diras.

Post unu minuto ŝi revenas sen surtuto. Dekoltita, malpeza silkbluzo estas sur ŝi kaj malhela, duonlonga jupo. Ŝia mieno estas trofiera, sed sub ĝi kaŝkuradas ĉagreno. Ŝia beleco aliiĝas kaj renaskiĝas en ĉiu momento. La sorĉo daŭras.

— Vi devas silenti, ĉu vi komprenas? — ŝi diras kaj en la mano de Karlo ridas du fabele grandaj monbiletoj. Kvinoble pli granda sumo, ol la monata salajro de Ilonjo.

Karlo nun volus vekiĝi. Nun oni devus esti kavaliro. Oni devus ĉesigi tiun ĉi aĉan ludon. — Sinjorino, li devus diri laŭ la reguloj de la romantiko, — kion vi pensas pri mi. Mia koro estas via, reprenu vian monon. Mi silentos, ĉar vi estas la plej bela virino en la mondo. Rigardu min. Mi estas juna kaj nekompreneble malriĉa. Mia vivo estas griza kaj nun mi scias, ke sunvarmo ĝis nun ne penetris ĝin. Mi ne volas vian monon, sed... Tiel li devus nun paroli, sed Karlo nun balanciĝas inter du sorĉoj: la beleco de la virino kaj la beleco de la mono. Hodiaŭ li povos plensatiĝi en restoracio. Kaj... Estiĝas granda kaj longa silento. Ŝi miskomprenas la silenton.

— Ĉu *li* promesis pli multe? — la sinjorino diras kruele.

Karlo balbutas.

— Ne, ne.

Mallerte, kvazaŭ ne volante rimarkigi sian movon li ĉifas la monon en la poŝon.

— Do, — volas adiaŭi la sinjorino, kiam Karlo denove ekbalbutas.

Ŝi dumtempe reakiris sian ekvilibron. Kun intereso kaj pli multe da bonvolo ŝi rigardas la junulon. La juna homo nun estas ruĝa, li batalas kontraŭ sia embaraso kaj ŝi ekkonjektas ion. Ŝi sentas, ke temas ankaŭ pri io alia. Iom ŝi eklevas sian gracilinian mentonon, la bluzo iom glatiĝas kaj klare desegnas la formon de la juna brusto. Ŝi staras, sed unu el la rondaj genuoj apogas sin sur la sidejon de la malalta seĝo kaj reliefiĝas la tuta piedo. La rozkoloro de la karno opale diafanas tra la silkŝtrumpoj. Karlo nun subite vekiĝas kaj ekfajras.

— Sinjorino, — li ekkrias, lia voĉo estas raŭka. Mi estas sen unu groŝo, sed mi ne bezonas vian monon.

Ŝia rigardo montras surpriziĝon kaj pardonemon:

— Ni lasu la aferon — ŝi diras milde — mi komprenas vin. Vi bezonas la monon kaj mi — la lecionon. Sed nun foriru.

Ŝi etendas la manon al Karlo. Li ne ellasas. Lia mieno parolas tro klare. Sed nun li, kun la nekontraŭstarebla fajro de lia juneco kun la praa forto de la deziro, estas bela. La sinjorino unue ruĝiĝas, poste paliĝas. La sorĉo nun estas plena kaj reradias al ŝi. Ŝi paŝas malantaŭen. La libera mano de Karlo ekbrakumas ŝin. Ŝi volas krii, sed la lipoj de Karlo mutigas ŝin. Karlo tuŝas la veluran karnon kaj sovaĝiĝas.

— Ĉielo helpu — ŝi ĝemas kaj streĉas sian pugnon kontraŭ la juna viro, sed poste malfermiĝas la manoj kaj ankaŭ ŝi karesas. Poste ŝi subite elŝiras sin kaj diras:

— Ĉu vi freneziĝis? Kara, kara! Sed vespere je la naŭa venu ĉi tien...

— Tiam mi redonos la monon — pensas Karlo. Ho tiam...

## IV.

Duono post la dekdua. Karlo sidas sur la benko. Li rigardas ĉirkaŭ si. Jen ĉi tie la aŭto puŝiĝis al la trotuaro. La postsignoj estas klare videblaj. Li ekstaras. La aŭtomobilo iras kelkajn metrojn. Jen la loko, kie ĝi haltis. Ĉi tie ŝi ekiris. Li denove vidas la gracie belajn virinkrurojn. Grizaj ŝtrumpoj, lakŝuoj. Ŝi iris en tiu direkto.

Li metas sian manon en la poŝon. bankbiletojn li ne trovas.

— Jes — li diras al si — ŝi iris en tiu direkto. *Kial* mi restis sur la benko kaj kial mi ne akompanis ŝin *vere?*

La kapo de Karlo ankoraŭ muĝas pro baldaŭ forgesota fabelo. En la poŝo estas nur la manĝbileto.

Kaj iom laca li ekiras al la komunuma manĝejo.



**István Farkas:** **Strato en periferio**

# INFANETO

— Janusz Korczak —

Pasas jarcentoj, multaj jarcentoj.

Mi diras: multaj jarcentoj, ĉar la horoj de la infaneta maldormo, traplektitaj per dormo, la momentoj de gajaj ridetoj kaj de kolereksplodoj, de mallaŭtaj pripensoj kaj de doloraj malesperoj, — tiuj horoj kaj momentoj, kiuj sur la disko de horloĝo signas sin kiel malgrandaj tempospacoj, por infaneto estas periodoj senlime longdaŭraj.

La hieraŭan impreson ĝi travivas hodiaŭ nebule, kiel centjara maljunulo siajn unuajn infanjarojn.

Pasis multaj jarcentoj, antaŭ ol etulo komencis distingi bonajn kaj malbonajn ombrojn. Bonaj ombroj, kiujn ĝi jam konas, estas ĝiaj du manoj. Bona ombro estas la brusto de la vartistino: ĉi tiu granda nubo kovras la tutan horizonton, donas varmon kaj forigas malsaton.

Kiam ĝi vekiĝas, ĝi kuŝas trankvile, rigardas scivole, atente aŭskultas, turnas la kapon en la direkto de ĉiu brueto kaj de ĉiu lumekbrilo.

Kiam ĝi ploras, oni montras al ĝi brilajn objektojn, — oni klakas, frapas, oni balancas ĝin — kaj la lacigita etulo sentas sin kvazaŭ vojaĝanto, kiu post multaj, sendormaj noktoj troviĝas neatendite en kabaredo, kie estas riĉa, interesa programo kaj bruema societo. Oni volus aŭskulti kaj rigardi, tamen la okuloj estas plumbopezaj kaj la bildoj fluas sur supraĵo de konscio, kiel grizaj nuboj dum krepusko.

*

Lumigu hele ĉambron kaj legu laŭte, ĝoje, triumfe...

Infano estas jam homo...

Kaj tio fariĝis tiel rapide kaj nature.

Kiu vekis en etulo penson, ŝvebantan dum la unua flugo super kolorriĉa, bruplena herbejo de la vivo, kiu vekis penson, enaŭskultanta en la kanton de la leviĝanta suno!

Ho, penso infana! Vi estas, kiel surfaco de fonto, kirlata de kvieta venteto.

Tiom da steloj sur ĉielo, alvenis ankoraŭ unu.

Tiom da arboj en arbaro, ankoraŭ unu arbetaĵo eliĝis el grajno.

En ĥoron de arbara birdaro eniĝis ankoraŭ unu eta, naiva voĉo de kantisto...

La naturo ne konas ripozon, puŝata al laboro per potenco de nevidebla mano. Ĝi mirinde elskulptis malgrandan homon dank' al krea inspiro. La inspiro de l' Naturo havas forton de titano kaj sanktan konscienecon. Ĝi ĵetas amasojn de montoj tute senorde, ĝi majstre skulptas ĉiun ŝtonflankon per rosogutoj kaj ornamas per musko, kies eretoj vivas, ĝojas kaj kredas.

La verko de belarto, penega produkto de homa laboro, erarigante la okulojn, trompas la naturon. Ekbatu skulptaĵon per martelo, vi havos gruzon, krustojn, disrompitan polvon. Detranĉu per mikrotomo peceton de etula, rozkolora ungeto, vi ekvidos sub mikroskopo vicon de novaj, belegaj bildoj.

Se en la vejnoj de etulo ne fluus sango, celanta tra riveroj kaj riveretoj al maro-koro, se tra la riveretoj de ĝiaj nervoj ne fluus impresoj al maro-cerbo, se ĝi ne havus mirindan povon de kreskado, ĝi estus onkoraŭ milionfoje pli perfekta, ol ĉiuj senvivaj verkoj de belarto, pendigitaj en la malhelaj salonoj de valoraj muzeoj.

Kaj kunveturas homoj el diversaj landoj de la tuta mondo por admiri ilin, senkolorigitajn, pene ellaboritajn dum longaj horoj, katalogitajn, laŭdatajn kaj provizitajn per prezo.

Vi, infaneto, ne havas prezon.

*

Infaneto estas sovaĝa homo, kiu antaŭsentas jam unu kaj alian el la ĉirkaŭanta ĝin mondo, klarigante al si naive la reciprokan rilaton de la misteraj aperaĵoj.

Kiam ĝi antaŭe kuŝis silente kun okuloj fiksitaj en la spacon, ne ĉirkaŭrigardante, ne plorante, nenion dezirante, — ĝi tiam vicigis senscie amasigitajn en sia animo diversajn bildojn.

Infaneto kredas en bonaj kaj malbonaj spiritoj, kiuj alportas favorojn aŭ anoncas malsukcesojn. Ĝi iam kredis, ke ili ĉiuj estas egale potencaj, ke ĉiuj estas videblaj kaj ke nenio pli potenca estas super ili. Nun etulo scias, ke la spirito-doloro estas nevidebla, kaj la bona spirito-patrino ne scipovas batali kontraŭ ĝi, etulo scias, ke ekzistas sorĉvoko, alvokanta la bonajn spiritojn.

Tiu ĉi sorĉvoko estas la krio de infano. Kaj nun infano krias konscie, cele, por alvoki la bonajn spiritojn, ke ili plenumu sian servon.

La pordo, post kiu malaperas la vartistino, estas ĉielo, kiu, ridetante, donas sunfavoron, kolerante, silentas aŭ tondras.

Simile al la primitiva homo aŭskultanta arbarbruon, rivermurmuron, venteghurlon por legi en ili ordonojn de dioj, infano atente aŭskultas kaj esploras la signifon de la tonoj elirantaj el la bonaj spiritoj. Ĝi atente aŭskultadas siajn longajn monologojn kaj penas ekkapti rilaton inter ili kaj inter la movo de la propraj manoj. Ĝi ĉesis esti senpensa observanto, konstatanta indiferente faktojn, ĝi deziras kompreni, ĉu ili estas produkto de bonaj aŭ de malbonaj spiritoj, de amikoj aŭ de malamikoj.

Kiam patrino en ĉapelo kliniĝis super la lulilon, infano ektimis, vidante, ke la bona spirito ŝanĝis sian formon.

Vidante la unuafojon moveblan ludilon, hundon, kanarion en kaĝo, etulo antaŭ ol fidi al io, deziras diveni, ĉu aperis bona aŭ malbona spirito, ĝi esploras patrinon per okuloj, plenaj de demandoj kaj de miro.

Infano decide fidas al siaj bonaj spiritoj kaj kredas ilian senerarecon.

*

Tio estis grandega malkovro, eksterordinara, epoka, decida. Etulo konvinkiĝis, ke la du ombroj — ĝiaj manoj — estas absolute obeemaj al ĝia volo.

Ĝi jam de longe suspektis, ke la du proksimaj ombroj, la du amataj bonaj spiritoj, havas ian specialan valoron, ke ili estas tute aliaj, ol ĉiuj ceteraj. Tiam tio estis nur neklara antaŭsento de granda vero.

De la momento, kiam infano ekvidis la grizajn konturojn de la ĉirkaŭanta ĝin mondo, tio estis la dua tiel grava momento.

Ĉiujn senmortajn malkovrojn de inspiro, kiuj simile al fulmo malfermas neatendite ĉielon de konscio, antaŭiras longdaŭra, penega laboro de multaj, multaj generacioj.

El la vico de faktoj, en kiuj io sin kaŝas, laŭŝajne mirindaj, laŭŝajne nedependaj inter si, tamen ligitaj per io, naskiĝas subite viva, blindiganta sintezo en plej misteraj ĉeloj de la cerbo. Komplikitaj faktoj

tute senvole kaj senscie kunmetadas sin en vicojn kaj en kolonojn — kaj subite aperas nova mondo de ideoj, logika kaj klara kune kun siaj sunoj, lunoj, kometoj, lakta vojo.

Infaneto, kiu apenaŭ egalas homon el ŝtona epoko, jam fratiĝas kun la geniuloj de la homa gento.

*

Kiam antaŭe oni donadis al infaneto klakilon en manon, ĝi kaptis ĝin forte kaj alrigardis mirigite, ĉar la mano, la bona spirito, ŝanĝis sian formon. La klakilo eldonis sonojn kaj infaneto miris, ke la ĝis nun silenta bona spirito sonas. Kiam la klakilo elfalis el la mano, ĝi miris, ke la bona spirito revenis al sia antaŭa formo kaj eksilentis.

Tiuj ĉi esploroj daŭris treege longe, la disvolvo de la mistero estis tre malproksime.

Suĉante la propran pugneton, etulo de tempo al tempo eligas ĝin el la buŝo, atente alrigardas, sulkigas la brovojn kaj dronas en ekstazo.

Kaptinte ian objekton, infaneto portas ĝin al la buŝo kaj ree atente alrigardas ĝin. Etulo estas ĉiam pli proksime al la vero, tamen ankoraŭ ne tute certa, ĝi estas kvazaŭ timigita de la kuraĝeco de sia hipotezo.

Infano estas ankoraŭ malproksime de la plena vero, ĝi ne scias, ke ĝiaj manoj estas ja ĝi mem, sed ĝi scias, ke ili estas obeemaj al ĝi, ke oni ne bezonas sorĉvoki ilin per krio, ke ili estas ĉiam al ĝia dispono kaj ĉiam estas kune kun ĝi.

Infaneto estas ravita pri la malkovro, estas feliĉa pro sia aŭtoritato, pro sia unua proprajo — unua grado de sendependeco, liberiĝo, forto.

Aba, a, aa, ooo, — pepas infaneto, direktante siajn manojn tien kaj reen kaj postrigardas ilin, jam certa, ke ĝi ne eraras.

Post la granda fortoŝtreĉo ĝi sentas sin laca.

Patrino ridetante kliniĝis super ĝin. Kaj infano ekridis laŭte, koreŭe. Patrino parolas al ĝi plej karese, kaj infaneto jen etendas la manojn al ŝi, jen metas ilin en la buŝon, kaj suĉas ilin kaj ridas.

Patrino eligis al ĝi la manojn el la buŝo, etulo ektimis pri sorto de sia nova proprajo, ekkriis dolore kaj laŭte, protestis tiel forte, ke patrino paliĝis.

*

Ĉiuj ridetas al infaneto.

Mi opinias, ke maljuna kverko, rigardante ridindan formon de malgranda kverketo kun etaj folietoj, ridetas al ĝi per siaj verdaj folioj, kaj juna kverketo, senzorga, gaja en la ombro de la patraj branĉegoj, pepas al la patro mallaŭtflustre. En la korpego de la maljuna kverko, en ĝia arboŝelo kaj radikaro estas jam tiom da senvivaj ĉeloj, en ĝiaj vejnoj rondiras sukoj malrapide, kvazaŭ laciĝinte; kaj la juna kverketo, trinkante la sangon de patrino-tero, sin nutras kaj kreskas, kreskas, kreskas.

Ŝajnas al mi, ke ĉiu birdo havas ridetojn por siaj etuloj, ĉar kora bondeziro por venontaj generacioj, kvazaŭ blua nebulo, ĉirkaŭas ĉion, kio salutas la morgaŭon.

La serioza, maljuna suno-nutranto trovas rideton eĉ por arbara konvalo, kaj arbara konvalo respondas al ĝi per la tremo de la blankaj folietoj kaj per pura aromo.

Infaneto respondas ridete al rideto, ne tial, ke ĝi komprenas ĝin, ne tial, ankaŭ, ke ĝi konas la koran parolon de la rideto, sed tial, ke tiel estis dum centoj da jarmiloj, ke la hodiaŭa tago salutas kortuŝe la morgaŭan matenon, kiu kviete respondas al ĝi, ke tiu ĉi rideto fluas trans milojn de generacioj kaj ligas en unu fratecan familion la blankiĝintajn estojn de idolana tombejo kun la infano, kiu estas fluonta en la aerspaco. Ĉar tiu ĉi rideto estas ligilo en la ĉeno de generacioj.

Kiel la unua spiro estas senvola movo, antaŭanta la konscian vivon de infaneto — sen tio ne estus vivo, — tiel la unua rideto antaŭas la penson, — sen ĝi ne estus penso...



**Jenő Gadányi:** **Kompozicio**

# BESTAFEROJ

*Fiŝoj en sanatorio*

Proksime al Stockholm, sur la insulo Lovö estas la sanatorio de la fiŝoj, kiel ni legas en la semajna raporto de *Sveda Internacia Gazetservo*. En tiun sanatorion alvenas el tuta Svedujo la senmanaj, senpiedaj pacientoj por traktado kaj ekzamenado. Ho, ho, eĉ la fiŝoj?

La mutaj pacientoj plejparte kiel poŝtaj pakaĵoj alvenas en la sanatorion, kies oficiala nomo estas Dolĉakva Fiŝeksperimenta Instituto. La doktoroj estas la plej spertaj fakuloj de fiŝmalsanoj kaj la sendantoj estas la fiŝakvaj inspektoroj, kies tasko estas malhelpi fiŝ-epidemiojn. Ŝajnas al mi, ke eĉ la vivo de la fiŝoj ne estas »ĝisfunde kremo«, kiel oni diras en Hungarujo.

Jen estas la afero de la kankro. La kankro, dum la aŭtuno, estas preskaŭ nacia afero en Svedlando. Neontransparentoj sur la stratoj anoncas, ke Ĝi alvenis, la ekstero de la restoracioj estas ornamita per gigantaj kankrofiguroj, oni ricevas specialajn telerojn, ornamitajn per kankro-reliefoj kaj eventuale eĉ la blanka antaŭtuko de la ĉarmaj, blondaj kelnerinoj estas ornamita per aktuala kankro-girlando. En la mezo de la tablo ruĝa kankromonto turnas kaj al tiuj, kiuj ne malestimas la alkoholaĵojn, la kankroj servoplene glitigas la gorĝojn.

Kaj nun klariĝis, ke io minacas la plezuron de la sveda *gurmand*-aro. Mistera malsano disvastiĝis inter ili kaj ĝi kaŭzis tre grandan maltrankvilon inter la kankroj — kaj la homoj, kiuj ja havas specialan bonvolon al la kankroj. Rapide oni transportis kelke da malsanuloj al la Instituto, sed la esploroj nur parte donis rezulton. Verdire la kankroj ne multe helpis al la doktoroj, ili nenion diris pri sia farto, pri la simptomoj; ili ja estis jam trans la unua timo kaj kondutis kiel filozofoj. Tamen oni konkludis, ke la kaŭzo de la malsano estas speciala fungospeco, sed bedaŭrinde ĝis nun oni trovis nenian kontraŭrimedon. Kiel mi diris, la kankroj montris sin filozofoj kaj akceptis eĉ la malesperigan deklaron senemocie, pensante, ke preskaŭ egale, ĉu dika fungo metas punkton al la fino de ilia vivo, aŭ ornamita pledo iĝas ilia honora katafalko. La homoj estas malpli rezignemaj, tamen ili provizore devas kontentiĝi per la konsilo, ke: »oni malhelpu la iradon de kankroj el infektitaj akvoj al aliaj, kiujn la malsano ankoraŭ ne atingis«.

La instituto esploras i. a., kian efikon havas al fiŝoj la industriaj elfluaĵoj en la riveroj kaj lagoj.

Kompatindaj fiŝoj! Kaj ni vivas, kiel fiŝ' en la akvo.

*Katoj en pensio*

En la *Interligilo de l' PTT* antaŭ ne longe mi legis, ke en la angla buĝeto estas registritaj 120 pundoj por pagi la aĉet- kaj konservadkostojn de katoj, servantaj por forigi la ratdanĝeron en la poŝt-magazenoj kaj konservejoj. Kelkcento da katoj ricevas tiamaniere ŝtatan funkcion, — eble eĉ insignon. Imagu, kiel fiera estas tia kato: »mi estas oficiala besto!« Kaj vi ankoraŭ ne scias, kio estas la plej rimarkinda en tiu afero: ke la katoj post fiksita tempo iĝas pensiitaj katoj kaj ĝuas je regnaj kostoj senzorgan maljunaĝon.

La subskribinton, kies maljunaĝo ne estas tiel firme esperigita, konsolas, ke almenaŭ la anglaj katoj ...

*Memmortigaj ursoj*

Samloke, kie la aferon de la fiŝsanatorioj, en la semajna raporto de la *Sveda-Internacia Gazetservo* mi legis pri la nordaj ursoj, ke vunditaj de homo ili prefere dronigas sin en montlagon, ol transdoni sin al la homo. Unu el la stokholmaj gazetoj antaŭ nelonge eĉ intervjuis faman ursĉasiston kaj petis la opinion de la fama persono pri la vero de ursa sinmortigo. Poste li rakontis, ke foje li mortvundis urson. Homo kaj hundo sekvis la sangospurojn de la besto ĝis malgranda monta lago, kie malaperis ĉiu spuro. Nenie oni povis trovi ion, estis do klare, ke la urso ne volis kapitulaci al homo, prefere ĝi mortigis sin. Pli volonte ĝi dronigis sin en la montlageto. Mi ne komprenas tiujn ĉi ursojn, ili estas tiom pesimistaj!

*Fersil.*

---

Ridetas al vi patrino, ho infaneto. Ŝi ne bedaŭras, ke ĉiu tago de via grandiĝo estas tago de ŝia falo, ke ĉiu via spiro, ĉiu pulsobato estas paŝo antaŭen por vi, malantaŭen por ŝi.

*

Infano nun faras siajn esplorojn laŭ ia plano kaj kun granda entuziasmo. Ĝi konas jam la unuopajn spiritojn, penas nun diveni ilian reciprokan rilaton.

Ĝi observas la tagmanĝon de la gepatroj.

La bonaj spiritoj faras iajn strangajn gestojn. Infaneto postsekvas iliajn manmovojn, armitajn en forkojn kaj tranĉilojn, observas ilin de la telero ĝis la buŝo atente kaj pacience.

Dum sia esplorado etulo travivas tri momentojn: tiun de plej malgranda miro — tiam ĝi havas larĝe malfermitajn palpebrojn kaj rideton en la okuloj, tiun de pli granda miro — ĝi duonmalfermas la buŝon kaj rigardas, rigardas; tiun de plej granda miro — ĝi rapide spiras, maltrankvile moviĝas kaj timeme rigardas.

— Donu al infano iom da supo — diras la patro al la edzino — ĝi tiel nin rigardas.

Kaj al infano-esplorulo oni volas perforte enverŝi acidan, salan supon. Ĝi deturnas la kapon, kraĉas, forpuŝas mane.

Ĝi jam de longe ĉesis kredi la senerarecon de la bonaj spiritoj kaj la neprecon subiĝi al ili, kontraŭe, ĝi rigardas ĉiam pli suspekteme, estas ĉiam gardema, ĉiam preta protesti.

Ankaŭ la bonaj spiritoj havas siajn strangaĵojn, oni devas atente observi ĉiun ilian agon, oni devas ilin eduki tiamaniere, ke ili estu obeemaj al la volo de infano.

Ĝi iam fidis al la bonaj ombroj kaj multfoje rigardis la patrinon kun dolora riproĉo, antaŭ ol ĝi konvinkiĝis, ke oni ne devas ĉiam al ŝi fidi.

La manoj de infano estas la solaj seneraraj ombroj.

Infano nun postulas esplori ĉiun objekton per la manoj kaj per suĉo.

Gepatroj diras, ke ĝi amuziĝas.

La malgranda homo komencis tro seriozan laboron kaj havas tro malmulte da tempo por malŝpari ĝin en amuzado; ĉirkaŭas ĝin tro multe da danĝeraj misteroj, kun kiuj oni ne povas facilanime ŝerci.

Kiam ĝi kuŝas en la lulilo, laŭŝajne senokupe, ĝi esploras siajn manojn por konvinkiĝi, ĉu ili ne enhavas iajn kaŝitajn kaj gravajn ecojn, kia estas ilia reciproka rilato; ĝi paroletas, ekzercas la voĉajn kordojn, kiel

# VERKOJ KAJ VERKISTOJ*

## SWIFT KAJ ANDERSEN

I.

Stranga estas la sorto de la libro. Strange estas kiel ofte la suprajo, la formo erarigas la amason, dum la esenco malaperas. La formo de la Gulliver - vojaĝoj estas ĉeno de aventuroj kaj ĝia sorto, ke la plej amara satiro, la plej kruela pamfleto de la mondliteraturo, en mallongigita, oni preskaŭ dirus, kastrita formo estas nun — infanlegaĵo. Nu, tio tute ne estis la intenco de Swift; lia libro estas unu el la plej malesperigaj, plej groteskaj grimacoj, plena de malgaja ridaĉo. Swift volas montri, kia estas kaj kia ne estu la homo. Gulliver estas la heroo de izoleco; lia vojaĝo al la pigmeoj, lia restado ĉe la gigantoj kaj liaj aliaj aventuroj estas unuavice simbolo de mortemulo, kiu restas soleca kaj nekonata ĝis sia morto. Sub tiu ĉi tragedia vualo okazas la ploriga komedio, la groteskaj scenoj kun kuriozaj figuroj kaj kun la konstanta esenco, *kiaj estas ni*. Kiam Swift volas demonstri, kiel ridige bagatelema, supraja estas nia fiere anoncita socia vivo, la civilizo, li montras tion sub la mikroskopa bildo de Liliputo. En Liliputlando la ŝnurdanco estas unu el la plej gravaj artoj. »Tiu, kiu la plej alten povas salti ne falante de la ŝnurego, ricevas la konkursitan oficon.« La plej granda artisto de la ŝnurdanco estas Flimnap, la financministro de Liliputo. Sur la naztuko de Gulliver tutaj rotoj de la liliputanoj povas ekzerci, sed ili kredas sin potencaj kaj estas plenaj de milita fiero. La groteskiga spegulo de Swift kompreneble ne indulgas la politikan vivon. El la du grandaj partioj unu portas altan ŝukalkanon, la alia malaltan. Konstanta milito minacas inter najbaraj landoj pro tio, ke la imperiestro, pro hazarda akcidento, malpermesis, ke oni rompu la ovojn ĉe la pli larĝa ŝel-parto. La revolucioj ekflamas en la signo de la ov-problemo. Jen la tradicioj en la spegulo de Swift.

Kiam Swift gvidas Gulliveron al la lando de gigantoj, la okuloj de la heroo rimarkas la difektojn de la homa korpo en giganta grandeco, li rimarkas la grason de la haŭto, la truon de la poroj, centobligite bloviĝas al li la haladzo de la korpoj. De alia flanko, la reĝo de la gigantoj atentigas Gulliveron, t. e. la leganton, ke »*la speco de homoj, el kiu vi devenas, estas la plej malnobla, la plej mizera el ĉiuj vermetoj, al kiuj iam la naturo donis lokon sur la surfaco de tiu ĉi bela terglobo.*« Tiu ĉi reĝo ne konas la kanonojn, kaj kiam Gulliver proponas malkaŝi la sekreton de ĉi tiu invento, la reĝo koleras kaj miras, ke »tia senpova kaj rampaĉa vermo, kia Gulliver, povas okupiĝi pri tiaj nehomaj kaj teruraj pensoj... ke oni povas tiel sensente priparoli tiajn terurajn sangverŝojn kaj detruojn, kiuj estas la natura efiko de tiuj kruelaj maŝinoj kaj apartoj, eltrovitaj certe de iu malica spirito aŭ de malamiko de la homa raso.«

Ne priskribeble ridinda estas la tria vojaĝo, al Laputa. Laputa estas la lando de la teoriuloj. Ili ne loĝas sur la tero, sed sur ŝvebanta insulo.

* En tiu ĉi rubriko ni konigos grandajn verkojn kaj verkistojn, en populara formo.

---

fortepianisto, kiu antaŭ granda koncerto faras longdaŭrajn lacigajn provojn.

Dum promeno ĝi esploras aron da indiferentaj, moviĝantaj ombroj, ĝi estas kiel homo, kiu estus faranta vojaĝon inter sonoj kaj planedoj — tio estas efektive interesa kaj bela, sed kiel do pensi pri distrajoj, kiam ĉirkaŭe estas tiom da misterajoj.

Strato kun sia bruo, ĝardeno kun verdaĵo, fremdaj loĝejoj, fremdaj personoj estas malproksimaj kontinentoj, nekonataj, vizitataj dum multjaraj vojaĝoj.

La laciĝinta infaneto ekdormas kaj moviĝas maltrankvile, ĉar ĝi vidas en sonĝo fragmentojn de antaŭ nelonge viditaj bildoj.

*

Oni montras al infaneto bildetojn, ĝi rigardas kaj ne komprenas, tamen observas scivole, kiel ĉion, kio ekzistas. Oni ja devas scii kiacele tio servas. Infano volas kapti la bildetojn kaj meti ilin en la buŝon.

Infano ridetas al aliaj infanoj kaj etendas manojn al ili. Tio estas bonaj spiritoj, servantaj al nekonataj celoj.

Oni starigis infaneton antaŭ spegulon. Ĝi ekrigardis la patrinon, ekmiris kaj kaŝis la vizaĝon sur ŝia brako, timante danĝeron. Ĝi argumentas: kiam mi ne vidas danĝeron, ĝi ne ekzistas.

Etulo denove enrigardas la spegulon, la scivolo de esplorulo venkis la timon. Kaj en la sama momento patrino forprenas etulon: ŝi faris eraron. Etulo ja longe devas rigardi kaj pensi, antaŭ ol ĝi ion komprenas.

Ĝi longe amuziĝas kun kolorigita ligna ovo kaj scias jam meti ĝin el unu mano en alian.

Nun ĝi jam ne plu bezonas centfoje esplori la samon, ĉar ĝi jam bone memoras.

Ĝi esploras la parolon de la bonaj spiritoj; okazis foje, ke patrino kolere alparolis infanon, ĝi ekmiris, treege ekmiris:

— Jen grava, tre grava, mistera afero.

Post nelonga tempo infano ekparolos la unuan vorton.

Baldaŭ ĝi komprenos, ke inter movebla pilko kaj bona spirito-patrino estas diferenco de vivo...

La bonaj spiritoj jam de longe ĉesis esti por ĝi ombroj sur hela fono.

*

Patrino aperas malantaŭ vitra pordo. Infaneto etendas la manojn al ŝi kaj renkontas la vitron.

Denove misteraĵo?

La tiel bone konstruita teorio pri la bonaj spiritoj kaj pri iliaj ecoj subite disfalis.

Infano ekploris.

— Ignorabimus. Ni ne scios.

*

Banante sin, infano faris malkovron: krom la manoj ĝi posedas piedojn — du malproksimajn landojn.

Kaj kio estas litkovrilo, kuseno, lito? Eble ili estas la infano mem?

Denove ĝi komencas penege esploradi, revizii la jam akiritajn verojn...

— Ignorabimus. Ignorabimus.

*

Infano staras per propraj fortoj.

Ĝi triumfas...

Infano, infano, kun kiel granda fido vi iras renkonte al la vivo...

El la pola: *Halina Weinstein.*

La kapo de la landanoj estas flankenturnita, unu el la okuloj rigardas al la ĉielo, la alia internen. Ili bezonas apartan serviston, kiu per bato atentigas la mastron, ke li devas aŭskulti aŭ paroli. Se oni volas atentigi lin pri aŭskultado, li ricevas frapon al la orelo, se pri respond-devo, al la buŝo. La virinoj en tiu lando ne estas tre fidelaj al la edzoj, ili ege ŝatas la fremdulojn kaj la edzoj estas tiom okupitaj pri siaj pensoj, ke ili rimarkas nenion.

Sub la influo de la Laputa-anoj fondiĝis en Lagado la Planfarista Akademio. Gulliver vizitas ĉi tiun akademion kaj renkontas eksperimentanton, kiu de ok jaroj penadas eltiri kaj enfioligi el kukumoj la sunradiojn.

La satiro havas nekontraŭstareblan forton, ĝia limo estas la senfino:

»Enirante la duan ĉambron, mi jam de la pordo ekretiriĝis, tiom terura odoro min frapis. Sed la gvidanto enpuŝis min kaj ankoraŭ alflustris, ke — mi ne ofendu la scienculon, ĉar li havas tre senteman naturon — kaj mi do ne kuraĝis eĉ fingre fermi la nazon. La loĝanto de tiu ĉi ĉambro estis la plej aĝa scienculo de la akademio: lia vizaĝo kaj barbo estis pergamenflavaj, liaj manoj kaj vestoj kovritaj per aĉajo. Kiam oni prezentis min, li ege ekĝojis, ĉirkaŭbrakis kaj kisis min, kiujn afablaĵojn mi volonte estus preterlasinta. Tiu ĉi scienculo, de kiam li estas en la akademio, laboras pri inventaĵo, per kiu oni povas restarigi el la homa ekskremento la originalan nutraĵon...«

Troviĝas scienculoj, kiuj, anstataŭ lacigi la pulmojn kaj langon, paroladas tiamaniere, ke objektojn ili portadas en sakoj, kaj kiam ili renkontiĝas... ili demetas la sakojn, serĉadas la aktualajn objektojn kaj tiel ili diskutas dum horoj. Poste ili reciproke helpas surmeti la sakojn kaj reekiras... Tiu ĉi lingvo — diras Swift — estas tre praktika, ĉar ankaŭ la anoj de diversaj nacioj povas kompreni unu la alian. (Jen tiel aperas la deziro de la internacia interkompreniĝo, en la formo de genia karikaturo, jam antaŭ ducent jaroj.)

La okuloj de Swift rigardas la homojn, kvazaŭ li ne vivus sur la tero, la homo restas al li kurioza besto. Gulliver fine atingas la idealan landon de la ĉevaloj, kaj en tiu lando la homa socio ricevas sian plej kruelan, plej teruran kritikon. Kiam Gulliver jam kredas, ke lia vivo atingis sian feliĉan havenon en la trankvila kaj saĝe direktita lando de la ĉevaloj, li devas foriri, ĉar la ĉevaloj estas maltrankvilaj pro la intima ĉeesto de Jehu (= homo). Li ploras, kaj li sentas abomenon, kiam li revenas al Eŭropo. Li preskaŭ svenas, kiam lia edzino volas lin ĉirkaŭbraki; li sentas la abomenan hom-odoron. Pli malproksimen neniu povis ekzili sin el la homa socio, pli ege neniu turmentis sin kaj la leganton, ol Swift, sed pli forte neniu povis veki la volon por la nobliĝo, ol tiu ĉi genio.

Pri lia vivo jen kelkaj indikoj: Naskiĝis en 1667, vivis en la — eble — plej tempesta epoko de Anglujo; revolucioj kaj reakcioj sekvis unu la alian; mizero kaj profitpelado: la ekevoluo de la kapitalismo markas tiun ĉi epokon, kies terurajn dolorojn vidis, bone vidis Swift, la verkisto. Swift, la homo ne kuniras kun Swift, la verkisto. La kontrastoj, kiuj kuniĝis en tiu genio, fine disŝiris lian konscion, li freneziĝis; sed homo, kiu ne povis toleri sian propran disharmonion, en kiu brulis la tuta kaoso de la freneza mondo, fine devis freneziĝi. Li mortis en 1745.

Kaj ni, kiuj legas la »Vojaĝon de Gulliver« — la plenan, ne por-infanan verkon, — ni ŝutu cindron sur nian kapon, ploru dum dek tagoj, klopodu iĝi puraj kaj tiam ni eklevu nian frunton kaj rigardu al la leviĝanta suno de la Bona Volo.

## Aŭtunvespero

— Ludmila Jevsejeva —

Larĝajn stratojn jam kovris nebula vualo,
Nudaj arboj dormetas sub aŭtuna ĉiel'.
Ne rakontas plu vent' pri pasio varmega,
Sole ploras la kor' pro malĝoj' kaj kruel'.

Sur la bedoj ĝardenaj sangruĝiĝas asteroj —
De l' aŭtuno modesta kaj unua salut.'
Vesperombroj densiĝas sur paneloj de l' urbo,
En malgranda kafejo ridas piano kaj flut'...

Ĉe haveno dormema sonas kanto marista,
Pri ventego terura kantas iu, pri vel'.
Ie krias freneze griza mevo senhejma,
Sed, pri kio ĝi plendas super akva nivel'?...

Ĉe preĝeja pordego sidas pala knabeto,
En okuloj infanaj regas zorgoj kaj pet'...
Sur stratetoj malhelaj raŭka voĉo virina
Alumeton postulas por la cigared.'

Larĝaj stratoj jam dormas sub nebula vualo,
Nudaj arboj jam sonĝas pri la vintra ĉiel'.
Ne rakontas plu vent' pri pasio varmega,
Sole ploras la kor' pro malĝoj' kaj kruel'.

---

II.

Kiam temas pri Gulliver kaj Swift, oni facile asocias la nomon de Andersen. La fama dana verkisto antaŭ sesdek jaroj mortis. Neniu en la homa literaturo povis rakonti pli belajn fabelojn al la infanoj kaj — al la plenaĝuloj. Andersen ne tro favoras al la feinoj; kelkfoje ankaŭ ili troviĝis ja en liaj fabeloj, sed li preferas la plej senpretendajn, plej ĉiutagajn aĵojn, kiuj ricevas vivon de li. Li importis en la literaturon la plej diversajn vazojn, potojn, ĉifonojn, flagojn, skarabojn, kaj li estas, kiu donis civitanecon en Fabelujo al la malbela eta ansero. Mirindaj estas tiuj fabeloj. Nemezurebla saĝo kaj kompreno ridas el ili. Malnovaj teujoj donas instruon al infanoj de seriozaj burĝoj kaj oni povas diri, ke la plej belaj estas tiuj ĉi domaj fabeloj.

En gazetartikolo mi legis, ke Andersen estas antaŭulo de Miki-muso kaj kelkaj rememoroj pri fabelpartoj asertas, ke estas vere tiel. Fostoj rolas en tiuj fabeloj, kiel juĝantaro en la konkurso de skaraboj; stebkandeloj parolas vivvigle kaj neniam mi forgesos tiun fabelon, en kiu, pro la malgajo de la reĝidino, la tuta regno estas tiom melankolia, ke la drinkemaj maljunulinoj nigrigas per inko sian brandon. Amo kaj humoro estas en tiuj fabeloj. Andersen amis ridi kaj en kelkaj siaj fabeloj serene li kontentigis sian kelkfoje maliceman inklinon. Rememoru tiun fabelon, kie la nokta vento interŝanĝas la firmtabulojn kaj oni volas viziti la barbiron en la domo de la ŝtatsekretario. La homa troseriozo estis la sola, kiun Andersen ne ŝatis, la solena tromemfido, kiun li tiel neforgeseble karikaturas en la fabelo »La novaj vestoj de la reĝo«, bone konata el la traduko de nia Majstro. Vi ĉiuj rememoras, kiel trompas du aventuristoj tutan popolon kaj kiel ili teksas novan veston al la reĝo, *kiun povas vidi nur tiuj, kiuj estas saĝaj kaj taŭgaj por sia ofico.* Kiamaniere neniu kuraĝas konfesi, ke li nenion vidas sur li. Fine knabeto kuraĝas diri la veron. Tiam klariĝas, ke la reĝo estas tute nuda.

Swift verkis al la plenaĝuloj kaj oni faris el li verkiston por infanoj. Andersen verkis por infanoj, sed plenaĝuloj povas lerni el liaj fabeloj kaj pleniĝi de la plezuro, kiun radias la saĝo kaj ĉarmo de tiuj etaj trezoroj. *F. S.*

# Kosmetikaj zorgoj en la biblia epoko



»Viaj karaj pomadoj estas bonaj — por igi bonodora« — mi legas en la *Kanto de l' kantoj.* »Kiam la reĝo sidas ĉe sia tablo, bonodoro de nardo venas de mi — laŭdas sin la fianĉino. »Pli bona estas la odoro de viaj ŝmirajoj, ol tiu de ĉiuj herboj« — asertas Salomono, la galanta kavaliro de la Biblio, pri kiu estas skribite:

»Kaj li havis edzinojn, 700 reĝinojn kaj 300 konkubinojn.«

Se ni atentas la lastan indikon, ni ne devas esti tre maltrankvilaj pro tio, ke la posedantoj de la tiamaj drogvendejoj estus finintaj sian vivon en la malriĉulejo de Jerusalem. La glora regnestro kaj sepcentfoja fianĉo (— la tricentmembra serio ĉe maldekstra flanko nun estu preterlasita —) mem faris tute respektindan trafikon en la drogvendejoj de la Sankta Urbo. Ho, ho, tiaj reĝoj estas sufiĉe maloftaj nuntempe!

La kosmetiko estas arto de ornamo kaj kaŝo. Ke tiu ĉi arto ludis gravan rolon jam en la biblia tempo, pri tio ni legis tre interesan artikolon en kuracista fakgazeto el la plumo de prof. *Török.* Tiu artikolo interese kaj vive sekvas la evoluon de la kosmetiko en la biblia epoko.

La ekirpunkto de tiu ĉi evoluo estas la moseaj leĝoj, kiuj okupiĝas pri la korpa pureco. En la Genezo ni trovas la jenan frazon: »Cibhon havis filojn, nomitajn Aja kaj Anah, kiu lasta trovis *varmajn* fontojn en la dezerto.« Prof. Török atentigas pri tio, ke la vorto *varma,* kiel atributo de akvo *ne taŭga por trinki,* en si mem indikas la ekiron de la praa kosmetiko. Ankaŭ tio estas verŝajna, ke la nomadaj hebreoj — krom la primitivaj nomadoj — jam konis ankaŭ la tatuadon.

La idoj de Jakobo venis al Egipto, kie ili konatiĝis kun la egipta kulturo kaj lukso, kaj same kun tiuj procedoj, per kiuj la edzino de Potifar kaj la aliaj egiptaj sinjorinoj klopodis pligrandigi sian »seksapelon«. Oni preskaŭ devas supozi, ke tiuj procedoj en multaj okazoj donis pli grandan rezulton, ol en la historio de la bela kaj hontema Jozefo.

Dum la kvardekjara vagado en la dezerto, la hebreaj sinjorinoj — kredeble — ne uzis pli bonan pudron, ol la polvon de la dezerto, sed en Palestino revekiĝis plene la arto de la kosmetiko, kiun eĉ pligrandigas la import-eksport-trafiko kun Fenecio. Tiu popolo transportis abunde balzamojn, rezinon, beligilojn al Palestino.

I. a. ni legas en la Biblio, ke reĝo Ahasvero kolektis la »belvizaĝajn« junulinojn kaj ordonis, ke »oni donu al ili beligilojn«. Ahasveron oni povas ankaŭ rigardi kiel mecenaton de la tiama drogkomerco, ĉar la elektitaj belulinoj precize dum dekdu monatoj estis preparataj al tiu solena momento, kiam ili rajtis montri sian plaĉan aspekton al la fakspertaj reĝaj okuloj.

Salomono ŝanĝis drog-donacojn kun la reĝino de Saba, kiu certe ne malŝatis parfumajojn.

La metio de la pomadfabrikado estis jam konata en la tempo de Saŭl. Troviĝas profetoj, kiuj mallaŭdis la troigon de ŝminkado. Mallaŭdintoj kaj mallaŭditoj havas posteulojn en la moderna tempo. Sed la oleado de la hararo estis tute ĝenerala kaj ekz. la harŝmirajo de la reĝoj kaj ĉefpastroj diferencis de tiu de la ordinaruloj.

Judit, antaŭ la log-sceno kun Holofernes, ŝmiris sian korpon per delikata mirho. Inter aliaj faktoroj ankaŭ tio konfuzis la kapon de la kompatinda Holoferno, tiel ke apenaŭ li povos retrovi ĉe la Lasta Juĝo tiun konfuzitan kapon.



# Junulino en la neĝo

— André Maurois —

»Usono? diris Blondel... Ha! ĝi estas multe pli kompleksa ol kredas niaj verkistoj... kaj eĉ ĝiaj. Ĝin mi trakuris de New-York ĝis New-Mexico, de Louisiane ĝis Arizona, mi instruis la francan lingvon en dektri universitatoj kaj en tri junulinaj gimnazioj, kaj mi asertas, ke Usono estas ne unu- sed mult-flanka. Kio estas vera pri Boston, tio estas falsa, se vi priskribas Kansas-City, eĉ pli, se vi pripentras Los Angeles. Babbitt? Sed Babbitt mem evoluis, eĉ se nur, ĉar li legis Babbitt. Vi, eŭropanoj, kiuj neniam eliris el Place de la Concorde aŭ el Piccadilly, ĉiam ŝajnas kredi, ke la usonanoj havas sentojn ne similajn al niaj? Sed jes! La usonano amas, ambicias, ĵaluzas proksimume kiel ni. Li estas malsama? Jes, konsentite. Mi diris »proksimume«. Sed la similecoj superas la diferencojn. La usona patrino estas antaŭ ĉio patrino; usona virino estas antaŭ ĉio virino. Kiam li amas, la usonano estas eble farĉita per puritanismo, cetere naive kompensata de pseŭdoscienca freŭdismo, sed tamen li amas, kaj liaj sentimentaj dramoj estas por ni tute kompreneblaj.

Blondel haltis momenton, elirigis el poŝo leteron kaj pludiris:

»Kelkfoje tamen oni estas surprizata. Tiam oni eraras. Nu, ĉi tiun leteron skribis viro el Chicago, Harry Plugg, kiu estis mia lernanto antaŭ... ok aŭ dek jaroj; kaj lian malfeliĉon mi senvole kaŭzis. Plugg estis brava tipo, tute ne sensprita, kun terura akcento de Middle-West. En tiu tempo mi instruis literaturon en Sandpoint, kurioza enmontara universitato iam fondita por kristanigi indianojn. Pli interesajn studentojn mi malofte renkontis dum mia tuta profesorkariero. Ja iom sovaĝaj, iom krudaj, sed tiom sinceraj, vivaj, ardaj... Mi kutimis kunvenigi ilin miahejme du-, trifoje ĉiusemajne, po grupetoj, kaj libere kaj familiare konversacii kun ili. Jen malfacilaĵo de l' matura aĝo: humane kontakti kun junaj homoj. Profesoro, kiu amas sian profesion, iĝas natura ligilo inter malsamaj generacioj. Post kelkaj semajnoj en Sandpoint, mi

---

La Talmudo, kiel ni legas en la citita studo, alvokas la edzon, ke li atentigu la edzinon pri la flegado de sia korpo kaj ke li estu oferema en tiu rilato. Per aliaj vortoj, li ne forstreku la parfum-rubrikon el la mastrumbuĝeto.

La buŝlavado devenas el la Talmuda epoko. La buŝodorigo originas en la egiptaj tempoj.

La ŝmirado per odora oleo havis purigan celon; la odoraj substancoj servis por forigi la ŝvitodoron kaj haladzon, kaŭzitan de la varma klimato. Inter la ingrediencoj de tiu oleo ni trovas olivon, migdalon, rezinon, vinon, mielon, gudron ktp. Fine oni ruĝkolorigis la miksaĵon. En la biblia epoko la ŝmirado tiom disvastiĝis, ke la ŝmirfarado iĝis aparta profesio.

La ŝminkado, la nigrigo de la okulharoj kaj brovoj jam delonge estas konataj en la historio de la kosmetiko. Ankaŭ tiu sinjorino jam sufiĉe longe songas en sia tombo, al kiu profeto Jeremio diras la jenan admonon: »Kaj vi perdita, kion vi faros *tiam*? Se vi vestas vin en purpuron, eĉ se vi ornamas vin per oraj pendjuveloj, eĉ se vi ŝmiras viajn okulojn per farbo, vane vi vin beligadas!«

Por la forigo de la superfluaj haroj oni uzis mirhon, kalkon kaj ian terspecon. Estas indikoj pri tio, ke oni konis la henaon. La publikulinoj en la tempo de Jesajo, portis sub siaj kalkanoj etan ujon, faritan el kropo de kokino. Se konvena individuo alproksimiĝis, ŝi piedpremis la saketon, el kiu la parfumo intense elŝprucis kaj ankaŭ tio efike atentigis la koncernan sinjoron pri la cedemo de la sinjorino.

Krom la ŝmirado oni beligis la harojn ankaŭ alimaniere. La rajdistoj de Salomono frotis siajn harplektaĵojn per orpolvo, tiel ke ilia kapo brilis sub la suno.

Bedaŭrinde, nek la citita interesa studo, nek niaj propraj esploroj donas respondon al kelkaj demandoj, ekz. kiel oni reklamis la bibliajn pomadojn, ĉu estis tiutempe komerca libertago, ĉu la komizoj estis kontentaj? Estus ja interese scii ion ankaŭ pri tio, ĉu ne?

Kopirajto ĉe *F. Sz.*



jam ne rimarkis ajnan ĝeniĝon ĉe miaj preferataj lernantoj. Ili alvenis en mian studĉambron moviĝemaj kaj ludemaj kiel aro da junaj hundoj. Unuj elektis foteloj n, aliaj sidis sur la tapiŝo, ĉiuj ekbruligis cigaredojn aŭ pipojn. Principe ni devis paroli nur pri Rousseau, Balzac, Stendhal; fakte ili parolis ĉefe pri si mem kaj pri la vivo, pri kiu ili havis grandajn timojn. Tiam efektive la krizo iĝis ĉiutage pli grava. La juna usonanaro timis pri sia estonto, kaj tiuj junuloj konsultis la francajn romanojn same kiel renesanculo demandis Virgilion aŭ Puritano la Biblion.

*

Iun dimanĉon, mi staris antaŭ la fenestro de mia ĉambro, kaj mi rigardis la neĝon fali, kiam mi vidis tiun junan Plugg, kies originalan parolmanieron kaj senflatan saĝon mi ŝatis, malsupreniri el malgranda aŭtomobilo, kiu jus haltis antaŭ mia pordo.

»Jen nia amiko Plugg, mi diris al mia edzino... En dimanĉo! Kion do li volas?«

Mi devas diri por klarigi mian surpriziĝon, ke la dimanĉojn usona studento preskaŭ neniam uzas por siaj studoj. Unuj vizitas la preĝejon (en Sandpoint ne multaj; sed ekzistas piemaj universitatoj); aliaj sportadas; preskaŭ ĉiuj promenigas junulinon. Resume, viziti dimanĉe la francan profesoron estas sufiĉe strange.

Plugg, sen haltigi sian motoron, kiun mi vidis tremi sur la neĝa vojo, laŭiris kun malbrvita kapo kaj malserena mieno la vojeton, kiu kondukas al mia domo. Mi malsupreniris por malfermi antaŭ li la pordon, ĉar ni ne havis serviston, kaj nur nigrulino kelkhore helpis mian edzinon en la mastrumado.

»Kia fervoro, Plugg... Paroli france dimanĉon matene!«

»Paroli france, li respondis... Ho! ne, Sinjoro, temas pri persona afero. Mi tre pardonpetas, Sinjoro, ke mi ĝenas vin tiel frue, sed mi jus faris agon... agon, kiun mi ankoraŭ ne komprenas. Mi bezonas konsilon, kaj mi pensis, ke eble vi konsentos ĝin doni al mi.«

Ju pli mi aŭskultis lin, des malpli mi rekonis la kvietan ĉiutagan Plugg. Lia embaraso ekembarasis min.

»Sidiĝu, Plugg, kaj prenu cigaredon. Tio trankviligos vin.«

»Dankon, Sinjoro. Cetere, ne daŭros longe... Stulta afero. Sed ĝin mi volus diri tute senkaŝe, eĉ se vi poste min riproĉos.«

»Bone, mi aŭskultas vin. Ĉu vi havas fajron, Plugg? Nun, ek!«

*

La soleneco de lia konfes-komenco igis min timi, ke li eble faris gravan agon: »Kial li prefere ne vizitas sian dekanon, mi pensis. Ja Philips, ne mi, devas zorgi pri la studentoj.«

»Mi estos tre verema, li diris; kaj eĉ, se mi povos, objektiva, kiel vi konstante diradas... Vi scias, Sinjoro, ke la studentoj de nia universitato la unuan sabaton de ĉiu monato organizas balon, al kiu rajtas inviti junulinon ĉiu el ni. Kelkaj havas sian »girl« en Sandpoint mem, el la profesor- aŭ bienul-filinoj. Tio estas la malplimulto, kaj plejparte ni venigas nian amikinon el la apudaj urboj. Kompreneble, ni ne rajtas gastigi ilin en nia loĝejo, ĉar ĉi tiu situas en la universitato mem. Cetere estus malmorale... (ne, maltaŭga vorto!), almenaŭ danĝere. Ni do luprenas por ili ĉambron en hotelo, ekz. Sandpoint-Inn aŭ aliloke.«

»Ĉion ĉi mi scias, mi diris. Mi mem loĝis en Sandpoint-Inn, antaŭ ol lupreni ĉi tiun domon. La komforto estis bona kaj mi efektive vidis dum multaj sabatoj la hotelon plena de fratinoj, kuzinoj, kaj fianĉinoj. Estis brue kaj rave.«

»Mi kredas, Sinjoro, pludiris Plugg, ke vi renkontis min lastan sabaton dum la maĉo Harward-Sandpoint, kiam mi estis kun Katherine. Vi sidis en la posta vico super ni, kaj mi eĉ senkulpigis Katherine, kiu apogis sin al viaj genuoj.«

»Efektive mi memoras, ke vi estis kun tre bela junulino, blonda, kun ruĝa robo, ĉu mi bone memoras?«

Li malfacile glutis salivon kaj diris:

»Jes, ŝi estas blonda kaj tre bela... Mi promenas kun ŝi de kelkaj monatoj. Hieraŭ vespere, ŝi do venis por la balo. Ni dancis parton de la nokto, poste mi kondukis ŝin al ŝia hotelo kaj mi revenis hejmen kaj enlitiĝis. Vi scias, kie mi loĝas en la teretaĝo de Harrison Hall. Mi devas diri, ke antaŭe dum la tago mi montris mian ĉambron al Katherine.

»Ĉu vi rajtas enirigi junulinon en vian ĉambron?«

»Ĝis la vespermanĝo, jes. Sed se virino estas vidita eliranta el la ĉambro de studento post la konvena tempo, tuj oni forigas lin el la universitato, kio estas tre malbona afero. Nu, mi estis kondukinta Katherine

---

# POEMO

— A. S. Puŝkin —

**(1829)**

Ĉu stratojn bruajn mi promenas,
Ĉu venas templon dum solen',
Aŭ feston gajan partoprenas,
De revoj miaj daŭras ĉen'.

Mi diras: fluos temp' alterne
Kaj mort' nin ĉiujn prenos for;
Ni iros teren por eterne;
Kaj jam proksimas ies hor'.

Kaj kverkon solan reĝfieran
Rigardas mi kun trista sent':
Transvivos ĝi min efemeran,
Jam kiel ngon de l' pragent'.

Ĉu vin, infan', mi ame tenas,
Adiaŭ, — batas mia kor':
De via voj' mi tomben venas,
Vi — al la vivo kaj disflor'.

Ĉe l' pas' de ĉiu jar' kaj tago
Mi ofte pensas kun sopir',
Penante trafi en imago
Je l' dat' de mia lasta spir'.

Kaj kie trafos min la sorto;
En ondoj, vojo, aŭ batal',
Aŭ lastan dormon post la morto
Mi trovos en najbara val.'

Se ĉie korpo senanima
Egale putros sen sufer',
Min tamen logas pli proksima
Ripoz' en mia hejma ter'.

Kaj daŭru plu ĉe tombo mia
La juna vivo sub ĉiel',
Kaj ĉiam floru senpasia
De la natur' eterna bel'.

El la rusa: *A. Lavrov.*

al ŝia hotelo, kaj la aŭtomobilon al garaĝo; mi ĵus eniris mian ĉambron kaj ekmalvestis min, kiam mi aŭdis malgrandan baton sur la fenestro. Sekvis dua, kaj tria, kvazaŭ ŝtonetojn oni ĵetus sur la vitrojn. Mi rigardis eksteren kaj mi vidis sub mia fenestro Katherine sur la neĝo kun ŝia blanka mantelo.

»Diablon, mi kriis mallaŭte, kio okazas, karulino?«

»Mi ne povis eniri hejmen, ŝi diris, mi forgesis la ŝlosilon de mia ĉambro.«

»Sed kial la pordisto ne malfermis?«

»Mi ne vidis lin.«

»Kio? Mi vidis lin, kiam mi lasis vin tie.«

»Mi malvarmas, ŝi diris, subite tremante.«

»Atendu momenton, karulino, mi tuj malsuprenirios kaj reiros kun vi al la hotelo. Certe mi sukcesos malfermigi la pordon.«

Tiam ŝi alproksimiĝis al la fenestro kaj flustris:

»Lasu min veni al vi, Harry, estos tiom pli ĉarme. Mi foriros morgaŭ tre frue.«

»— Mi estis tre embarasi'a kaj kolera. Nenio estas pli severe malpermesata ol tio, kion ŝi petis; tian aferon la dekano, vi scias, neniam pardonas. Pro tia, Finnegan estis forigita kaj tamen li estis unu el la kolonoj de la futbal-teamo, kio mi bedaŭrinde ne estas; fine, kompromiti mian tutan karieron pro virina kaprico ŝajnis al mi stulte... Plie, infano mi ne estas; mi tre bone imagis la tentojn de nokto pasigita kun junulino bela, kiel Katherine, kaj mi tute ne intencis serioze min ligi. Ŝi estas tia »girl«, kian oni plezure promenigas en stadionoj kaj baloj, sed... ni parolis antaŭ kelkaj tagoj, ĉu vi memoras, Sinjoro?... jes, kiam ni eksplikis »Les femmes savantes« de Molière... ni parolis pri la virin-specimeno, kiun mi volonte edzinigus, kaj ĉi tiu S-ino Harry Plugg tute ne similas al Katherine, tion mi certigas.

»Sed, dum mia kapo tiel saĝe rezonis, dum mi pensis, ke ŝia konduto estas ne komprenebla, ke ŝi mensogas pri la pordisto kaj aranĝis mem ĉi tiun aventuron, io en mi male deziris profiti la okazon. Mia kapo diris: ne! ; miaj manoj etendiĝis al ŝi. Ŝi kroĉiĝis kaj momenton poste mi tenis ŝin, malpezan kaj frostan, en miaj brakoj. Mi metis ŝin sur mian sofon, kaj fermis la fenestron.

»Katherine multe ridis. Ŝi stariĝis, demetis sian malsekan mantelon kaj aperis kun sia bala robo. Estis tiel bele, tiu robo blanka kaj brila, tiuj nudaj ŝultroj kaj tiu blonda kapo sur mia malnova sofo, ke dum momento mi forgesis mian malbonhumoron kaj mian maltrankvilon... Ŝi petis cigaredon. Ŝi estis tre senzorga kaj petis klarigojn pri miaj libroj, miaj fotoj, miaj desegnoj...

»... Katherine, mi fine diris, estas tre malfrue; morgaŭ matene, mi tenisludos; vi devos leviĝi je la sesa; nun necesas dormi. Vi havos mian liton, karulino, kaj mi transportos en la banĉambron mian sofon, sur kiu mi kuŝos. Morgaŭ matene mi vekos vin, kaj provos aranĝi vian eliron senakcidente... Kun iom da bonŝanco, ne estas neeble.«

Ŝi havis mokan mienon.

»Ĉu vi timas min, ŝi diris.«

»Kaj sen aldoni plian vorton, ŝi malagrafis sian robon. Ha. Sinjoro... kiel belaj kaj emociaj estas la gestoj de virino kiu malvestas sin... Vi kelkfoje diris, ke mi iam estos artisto; nu, mi dezirus tion pentri: tiun geston de la brakoj super la kapo kiam ŝi demetis sian robon. — Kelkajn sekundojn poste, Katherine estis nuda. Mi jam sciis, ke ŝi estas bele skulptita, ĉar



**Géza Csorba** **Hunna pafarkisto**

mi jam ofte vidis ŝin en banvesto. Sed nuda... Ha! Sinjoro, kia stranga besto, la viro...

»Mi diris: »Katherine!« Nenion plu mi bedaŭris. Ŝi ridetante ĵetis sin sur mian liton. »Tiel estu« mi pensis. Eble mian sorton mi nun ludas, sed ja ŝi valoras...«

»Tion vi volis, Katherine«, kaj miavice mi malvestis min, rapide, senorde. Mi ĵetis miajn vestojn ĉiuflanken kaj per salto mi estis apud ŝi.

»Tiam okazis nekredebla afero... Mi probable, kaj eĉ certe, ne konas la virinojn: ĉi tiun mi ja ne komprenis. Ĉar tiu ulino, kiu preparis la tutan aferon, kiel dirite, kaj venis kun bala robo tra la neĝo por pasigi nokton en mia ĉambro, kuraĝante nudiĝi antaŭ mi, laŭte ekkriis kaj ŝajnis ofendita, kiam miavice mi malvestis min.«

»Harry, ŝi kriis volvante sin en la littukoj, estas hontinde! Se mi estus opiniinta vin kapabla tiel konduti, mi ne estus veninta.«

»Sinjoro, mi ja ne povas rakonti ĉiujn detalojn de tiu nokto. Tamen ili estus kuriozaj, sed mi ne kuraĝas... Kvankam ĝis lasta grado provinte peton, petegon, perforton, furiozon, rezonadon, promesojn, mi pasigis la nokton apud tiu aminda ulino sen io ajn ricevi de ŝi. Ĉirkaŭ la 4-a matene ŝi endormiĝis. Dormi mi ne povis, mi malamis ŝin kaj pensis pri rimedoj por puni ŝin. Ĉu vi memoras, Sinjoro, pri tiu romano de Balzac, kiun li verkis por venĝi sin de koketulino? Li tie prezentas ŝin stampita per brulruĝa fero de la viro, kiun ŝi spitmokis.«

»Jes ja, mi diris. Estas »La Duchesse de Langeais«.«



# OBSERVO

(G. B.) LA ETA REĜO. La eta reĝo unufoje ĉiusemajne vizitas min; en la dimanĉnumera desegnoaldono de la »New York American«. Ĉiusemajne ekscite kaj ĝoje mi atendas lian alvenon, kaj kiam li alvenis, mi tranĉas lin el la gazeto. Mi konfesas, ke mi kolektas la etan reĝon, kiel infanaĝe la poŝtmarkojn. Liajn aventurojn desegnis O.. Soglow amerika grafikisto, kaj apud la Miĉjo-muso de Walt Disney, la eta reĝo estas la plej eminenta desegnita heroo de nia epoko. Estas certe, ke hodiaŭ li estas la plej populara reganto.. Ke liajn agojn eternigas ne grandegaj, seriozaj freskoj, sed etaj, koloraj desegnaĵoj, tio nur parolas por li. Mi timas la heroojn de freskoj.

La aspekto de la eta reĝo ne estas impona. Almenaŭ per du kaplongoj li malsuperas ĉiun; li havas dikan, stumpan nazon, pintan kaj kurban katlipharojn kaj grandegan ventron. Li portas ermenan reĝmantelon, kaj beletan, simplan orkronon. Liaj soldatoj, ministroj kaj lakeoj estas grandegaj, kolorpompaj kaj eksterordinare solenaj. La eta reĝo sidas sur belega granda trono, kaj se li ascendas aŭton, li apenaŭ vidiĝas el la monumentale grandmezura kurentlinia veturilo. Generale lin ĉirkaŭas grando kaj pompo; kaj la fortbrustaj lakeoj, kies vizaĝon ornamas barbo similanta dentbroson, atendas liajn ordonojn el la alto kun severa kaj glacia vizaĝo.

Soglow, la desegnisto, ĉiusemajne filmsimile raportas pri la aferoj de la eta reĝo. Iun semajnon li elveturas per kvarĉevala jungaĵo. Ĉe la vojrando infano ludas per turbo. La eta reĝo igas haltigi la ĉevalojn, descendas kaj demandas la infanon, kiel oni devas turnadi la turbon, poste li metas sur la pavimon sian ostfinan kronon kaj gaje ekturnas ĝin. Lia sekvantaro mirege lin rigardas. Tio estas la tuto. Alio. La eta reĝo veturas al piedpilka konkurso, sed li jam ne ricevas lokon. Li sendas hejmen sian gvardiestron, ke tiu alportu la tronon, li lokigas ĝin ĉe la pordego kaj de tie li rigardas la konkurson. Alio. Li devas iri al ŝipar—revuado, oni metas sur lin admiralan uniformon kun ĉiuj ordenoj. Li elŝteliĝas tra la malantaŭa pordo de la palaco, iras en parkon kaj sur la lageto naĝigas velŝipetojn inter infanoj. Kun ĉiuj ordenoj. Alio. Li rigardas soldatan paradon. En senfinaj vicoj salutante preterpasas lin ĉiuspecaj bataliloj. Timiga, edifa spektaklo. La eta reĝo oscedas, poste mansignas al sia adjutanto, kiu forrapidas kaj baldaŭ revenas kun tablo por kartludo. La eta reĝo sidiĝas kaj feliĉe ludas paciencon, dum la gvardianoj kun brustoj streĉitaj so'enpaŝe pretermarŝas lin.

Dum iom da tempo, la eta reĝo havis financan embarason, sed li ne malesperiĝis. Li akiris ŝtupetaron kaj gluis afiŝon sur la muron de la palaco: »Ĉambro luota«. Aliokaze li pentrigis sian portreton. La inaŭguron partoprenis la aristokrataro de la lando: uniformoj, frakoj, festaj tualetoj. La reĝo donas signon, ĉiu klinas sin profunde kaj la portreto senvualiĝas. Poste la vizaĝoj konsterniĝas. La reĝo sur la bildo manĝas sardinon kaj super li kolosaj literoj anoncas: »Lia majesto ĉiam konsumas sar-

---

»Nu, se la pasintan nokton mi estus havinta ruĝan feron, mi estus markinta Katherine iom super tiu bela mamo, kiun movetis ŝia kvieta spirado.«

»Vi iĝas romantika, Plugg.«

»Tia mi kutime ne estas. Sinjoro, eĉ la malon vi ĝenerale riproĉas al mi, sed ĉi-nokte... mi estis indignigita!... Je la sesa mi vekis Katherine, ĉar elirigi ŝin antaŭ la veno de la servistoj estis la sola savrimedo por eviti la punon de la dekano. Dimanĉe matene la stratoj de Sandpoint estas malplenaj; mi esperis, ke ŝi eliros tra la fenestro ne vidate.

»Kiam mi skumovis ŝin, ŝi malfermis grandajn surprizitajn okulojn, poste memoris kaj tuj estis tre gaja. Mi komprenis, ke la tuta aventuro por ŝi estas nur komika okazaĵo kaj ĝin vante ŝi rakontas al siaj amikinoj.«

»Vestu vin, mi diris kiel eble plej krude ĵetante al ŝi ŝian ĉemizon. Mi estas jam preta. Mi tuj iros al la garaĝo por havi la aŭtomobilon. Ne staru antaŭ la fenestro, sed atentu mian venon, kaj kiam vi vidos min, estu preta por malsupreniri. Mi helpos vin.«

»Dankon, Sir Harry, ŝi moke diris, vera kavaliro vi estas.«

»Post dek minutoj mi estis kun mia Ford sub la fenestro? Neĝis tre forte, kiel nun. Katherine malfermis.«

»Saltu en miajn brakojn, ne timu!«

»Ĉu mi aspektas kiel timema virino?«

»Kiam ŝi estis en la aŭtomobilo, mi ekirigis ĝin, sed ne al Sandpoint-Inn mi direktis! Ne, Sinjoro. Ĉar se tiel, Katherine ne estus punita, kaj mi pensis, ke ŝi meritas severan punon. Mi do trairis la tutan urbon, poste la riveron kaj direktis nin al la Longwood-arbaro.

»Harry, kien vi kondukas min?«

»Ĉar mi ne respondis, kaj ŝi havas senmezuran memfieron, ŝi ŝajnigis bone amuziĝi.«

»Bona ideo! ŝi diris. Matena promenado, arbaro kuŝanta sub la neĝo... estas rave! Vi estas poeto, junulo!«

»Dum mi laŭiris la vojon en la arbaro, kio ne estis facila pro la neĝo, kiu kaŝis la talusojn kaj la fostaĵojn, mi krude kridiris, kion mi pensas pri ŝi. Ĉion dirinte, kaj konstatinte ke ni nun estas almenaŭ ses mejlojn for de Sandpoint, mi haltigis la aŭtomobilon, senvorte prenis en miajn brakojn Katherine, tiel surprizitan kaj timigitan, ke ŝi eĉ unu demandon ne faris, kaj portis ŝin sub la abiojn ĝis maldensaĵo pli blanka ol ŝia blanka mantelo. Mi milde metis ŝin teren, kaj sen paroli aŭ atenti pri ŝiaj krioj, mi kuris al la aŭtomobilo kaj forrapidis. Katherine kredeble nun estas sur senhoma neĝa vojo, kun maldikaj ŝuetoj kaj bala robo, je almenaŭ duhora distanco de Sandpoint...«

*

»Jen, Sinjoro, kiam mi tiel agis, ĉio ŝajnis al mi tre justa. Sed dum la reirado mi demandis min, ĉu mi bone agis? Ho certe! mi ne multe kompatas tiun senkorulinon, kiu min ne kompatis. Certe, mi ankaŭ ne timas revenĝon. Ŝi ja ne kuraĝos rakonti la aferon kaj ŝi prefere elpensos ian rabhistorion, ol nomi min, kiun ŝi ĉiam pentras tiom humile sklava antaŭ ŝi. Al la elektra seĝo ŝi irus prefere ol diri mian nomon... Sed, sed... mi imagas la malfeliĉulinon kun ŝiaj maldikaj ŝtrumpoj en la mola neĝo, mi demandas min, ĉu mi ne devas malgraŭ ĉio iri savpreni ŝin. Tial mi eniris vian domon por ricevi de vi konsilon. Kion vi pensas? Kion fari? Ĉu ŝi meditu sian koketecon, aŭ ĉu mi petu ŝian pardonon?... Sed jen la diabla afero: nun ŝia fiero estas batita, kio estas por ŝi granda bono, sed se mi cedos kaj savos ŝin, ŝi tuj sammomente reakiros sian triumfan aspekton: »Kompatinda Harry!« Jam mi imagas ŝian rideton... Mi ne scias, Sinjoro, mi faros, kion vi konsilos.«

*

»Tuj iru al ŝi«, mi diris, ĉar neĝis pli ol iam ajn. Sed mi ofte bedaŭris tiun mian konsilon.

El la franca: *Roger Bernard.*

dinon de X. Y.! Malmultekosta kaj nutra!« Ĝenerale la eta reĝo havas senton por la reklamo. Foje surstrate li haltigas sian aŭton, kie li ekatentas pro granda tumulto. Makleristo vendas la kal-forigilon de Blotzky. La reganto aĉetas botelon da ĝi kaj hejme ĝin elprovas. Ĝi ne utilas. Alitage, fronte de solena defilo kaj soldat-orkestro, li pretermarŝas la standon de la vendisto. Li portas grandegan standardon kun la jena surskribo: »La kalforigilo de Blotzky valoras neniom!«

La interesajn reformojn ĉiam konsideras ĉi tiu regnestro. Ĉie li lernas ion. Dum vojaĝo en Hindio li vidis fakiron, kiu kuŝis sur najla tabulo. La reĝo post hejmenveno ĵetas la litojn el la dormoĉambro, li kuŝiĝas, kun krono kaj reĝa mantelo, sur najla tabulo kaj kun afabla movo invitas apud sin la miregantan reĝinon.

Grandparte tiel vivas la eta reĝo. Li amas malbone konduti, li amas indignigi la dignoplenajn homojn. Nenian rilaton li havas kun la reĝeco. Tiom pli al la reĝo, kiun oni senigis de la trono kaj kiu ie malĝojas sub nia konscio: kun la infanaĝo. Soglow, ĉiusemajne unu fojon, residigas sur la tronon nian ekzilitan infan-memon. La eta reĝo plej ofte protestas kontraŭ la severa kaj honorinda plenkreska mondo kaj faras pli-malpli grandajn skandalojn. Kiel evidentiĝas, li ĉiam pravas. Oni devus vivi, kiel vivas li: facilanime, sincere kaj senhonore. Kiomfoje mi jam volis sekvi lin kaj fari ĉiuokaze, kio ĝuste venas en mian memoron. Kiom bone estus kelkfoje, dum malfacilaj kaj seriozaj traktadoj kun vigla movo kapti muŝon kaj bonvole transdoni ĝin al la alia koncernato. En tramoj multfoje mi deziris amike frapeti la nazon de sinjoroj kun okulvitroj, aŭ senatende interrompi ilian konversacion kaj per unu-du afablaj vortoj trankviligi ilin: »Kial vi tiom ekscitiĝas, baldaŭ ja trafos vin apopleksio!« Sinjorinojn, tre honorindajn laŭaspekte, mi volus demandi ŝercvoĉe pri maldecaj aferoj. Dumlabore ofte mi volus iri promeni, kaj en solenaj kunvenoj fajfi laŭte. Sed, bedaŭrinde, eĉ pli simplajn petolaĵojn mi ne kuraĝas entrepreni. Eĉ mi ne kuraĝas telefone voki politikiston, por ke mi diru mian opinion pri liaj spiritaj kapabloj. Mi ne kuraĝas iri sur la straton kaj brue anonci, ke la kalforigilo de Blotzky estas malbona, ke ĉiuj produktaĵoj de Blotzky estas malbonaj, ke la plej multaj homoj malsaniĝas, eĉ malsatmortas pro ili, ke liaj libroj estas sensencaj kaj mensogaj, liaj konstruoj estas malsanigaj kaj multekostaj, liaj lernejoj estas malutilaj, kaj eble nur liaj gasreceptoj estas fidindaj. Blotzky bedaŭrinde dekutimigas la homojn pri la sincero. Ĝis nun mi ne atingis eĉ tion, ke en grandaj kaj elegantaj societoj mi deprenu miajn ŝuojn.

Facile estas al la eta reĝo, li povas fari tion. Unue, ĉar li estas reĝo, due, ĉar li estas nur desegnaĵo.

(G. L.) LA MURDANTA KINO. Ni rompas nian kapon, kion ĝi murdas, ĉu la kino murdas la teatron kaj dume ni ne rimarkas, ke ĝi jam murdis ion: la varieteon kaj la cirkon. Nome, ne tiel ni grupigu, starigante unu kontraŭ la alia, la teatrajn ludojn: teatro kaj kino, sed prefere, kiel ili disduiĝis ĉiutempe: la spektaklo kaj la dramatiko.

Tiuj du specoj de teatraĵoj ĉiam kunharmoniis, ĉar ili kontentigis malsamajn bezonojn. Ekzemple neniam ni aŭdis, ke la hispanaj taŭrludoj malhelpus la evoluon de la hispana dramliteraturo, aŭ ke la feinlud-baletoj de Molière malutilus la komediojn de Molière.

La kreaj elementoj de la spektakloj ekde pratempoj estis la sango, la lerto, la erotiko, la amaso kaj la burleskado. Laŭepoke kaj laŭlande jen tiu, jen alia elemento havis pli gravan rolon en ili, kaj laŭ teoria ekzameno la hodiaŭaj revuoj estas la idoj de la gladiatoraj ludoj, ĉar la revuo tiel similas la luktojn kontraŭ sovaĝaj bestoj, kiel la hodiaŭ franca lingvo similas la latinan, el kiu ĝi transformiĝis.

Kontraŭe la dramatiko (mi elektas ĉi tiun vorton por la komplekso de la tragiko kaj komiko) klopodas klarigi la grandajn homajn demandojn, kiuj volas timigi aŭ gajigi la kosmon kaj la socion.

Ekzistas ja »artspecoj«, en kiuj la dramatiko kaj spektaklo intermiksiĝis. Tiaj estis la mezepokaj teatraĵoj, kaj parte tiaj estas multaj hodiaŭaj filmoj, kiel ekzemple la »Kruca Militiro« de Cecil B. de Mille, en kiu la amo kaj la kredo (dramatiko) sovaĝe intermiksiĝas kun sango, lerto, erotiko, burleskado kaj amas-sceno (spektaklo).

Al la spektakloj apartenas ankaŭ la pratempa kaj hodiaŭa cirko, la varieteo, taŭrludo, kokbatalo kaj granda piedpilka konkurso, kiu estas sporto nur por la ludantoj; por la rigardantoj ĝi estas nura spektaklo.

La demonstracia loko de la dramatiko estas la teatro; pli ĝustedire, la scenejo: la universala kvadrato prenita el kaj lokita super la vivo.

La rigardanto por ambaŭspeca teatraĵo akceptas la vidpunkton de ekscito, sed dum la spektaklon akompanas tera (aŭ anima) ekscito, la dramatiko eligas el ni transcendan (aŭ animan) eksciton.

Pro tio, nenia aren-ludo povis malutili al la evoluo de la greka tragedio.

Kaj nun, iun belan tagon, aperis la kino, kiu eĉ hodiaŭ estas nur infana kaj infanludo. Samtiel ĝi ne trovis memstaran formon konvenan por si, kiel la aŭto, kvankam ĉi lasta ŝanĝis la malnovan kaleŝformon al la nova kurentlinia formo.

Komence la kino solvis nurajn fotograf-taskojn: ĝi fotografis homajn, nunajn aŭ historiajn okazojn (ekz: la morton de princo Guise, historia rekonstruo kun Le Bargy, antaŭ pli ol dudek jaroj, aŭ afrikan leonĉason per negrolancoj), naturpriskribon (la »Vivo de mimozo«) aŭ teatrajn (ekzemple Cines: Bataille »Femme nue«).

Poste venis la eposoj (ekzemple Arden Enoch), grandaj romanoj (Mizeruloj) kaj dume memstarajn vojojn klopodas fari por si la filmo, kiu dum la epoko de muta filmo vere atingis kulminon, kie ĝi efektive estis la senlima reganto de spektaklo kaj dramatiko.

Tiam la teatraj homoj komencis timi, ke la kino murdos la teatron. Kaj ĉu ĝi murdis? Jes kaj ne.

La laŭta filmo signifas regreson en tio, ke donante rolon al la homa voĉo, ĝi iom reŝovis la antaŭan senlimecon al la homaj fenomenoj kaj tiel ĝi denove komencis imiti la teatron. Sed ĉi tie estas gravaj malfaciloj. Nome, la teatro estas rigore nacia fenomeno, dum la spektaklo estas internacia. Ibsen ne plaĉas al la francoj. Shakespeare hodiaŭ estas plie »hungara teatra verkisto«, ol angla, la hispana dramo neniam povis enradikiĝi en Orient-Eŭropo, ktp.

La laŭta filmo kvazaŭ denove komencis la tutan filmevoluon kaj ankoraŭ ĝi tute ne estas en tiu stadio, kiun atingis la muta filmo.

Kun la teatro ĝi ne povas konkurenci, ĉar *draman* motivon ne eblas fotografi. Vane ja estas bonega kiel dramprodukto la filmo »Raskolnikov« de Harry Baur kaj Pierre Blanchar, la alternaj bildoj de la eksteraj okazaĵoj kaj la interna evoluo ne klarigas, sed malhelpas la evoluon de la tragiko, se ne paroli pri tio, ke la rusa aero de la romano fariĝas tute franca.

Kiom alia estas la Reinhardt-filmo, la »Sonĝo de Somermeza Nokto« rajte estiganta tiom da entuziasmo kaj sukceso. Tiu ĉi filmo volas elĉerpi ĉiun rimedon de dramatiko kaj spektaklo, kaj ĝi staras pli proksime al la »ideala laŭtfilmo«, ol la plej multaj hodiaŭaj filmoj: ĝia eraro estas ĝia virto, t. e. la volo anstataŭi la teatron. Tion la filmo ja ne povas laŭ sia naturo, ĉar ĝia esenco kaj nasko ligas ĝin al la spektakloj, kie pli grava estas la *reĝisoro*, ol la ludanta aktoro aŭ fakulo.

Pro tio oni vidas, ke la filmo tie estas la plej sukcesa en la spektaklo, kie la reĝisoro estas la senlima sinjoro super la rimedoj de la filmo kaj ne ligas lin historio, psikologia verŝajno kaj la tuta arsenalo de la dramatiko. Ni pensu nur pri la »Continental« de Ginger Rogers kaj Fred Astaire, kiu valoras tiom, kiom cirkludo, dum la timigaj infanaĵoj de aliaj amerikaj operetoj kaj dramoj nin lasas seninteresaj.

Kaj, ekzemple, tial ne povis la amerika filmo murdi

la eŭropan teatron, ĉar Eŭropo, ĉi tiu kunigita, komplika, multflanka, saĝa kaj malsaĝeta, pia kaj cinika, maljuna kontinento, neniam transiros sur la infanan, simplistan nivelon de la amas-Ameriko. Kaj kio en la jus menciita Reinhardt-filmo estis ĝena, ties kaŭzo estis, ke la anglan komplikajon volis esprimi amerika simplo (jen ekzemple la malsaĝa cirk-humoro de la ama paro), sed ankaŭ tio estas vera, ke la demona Puck (pro la bonvolo de Reinhardt) estis pli angla, ol Shakespeare mem.

Sed la kino murdis la cirkon (tion kunhelpis iomete ankaŭ la aŭto anstataŭante la ĉevalon) kaj la varieteon. Ĉu vere? Bonvolu ĉirkaŭrigardi. Kie malaperis la famaj nomoj, kiel Ronacher, Renz, Wulff? Arlekeno hodiaŭ nur tiam altiras la atenton, se li estas tiel eksterordinara talento, kiel Grock aŭ la Rivels-oj; kaj la plej granda arlekeno de la mondo hodiaŭ estas filmstelo: Chaplin. Ĉu cirka baleto aŭ paradmarŝo povas konkurenci kun la briloj de Hollywood? Ĉu ĉeval-spektakloj? Dum kvindek jaroj oni ne vidis en cirko tiom da aŭdacaj kaj belaj ĉevalprezentajoj, kiom en ununura bovknaba filmo.

Ni ne timu pri la teatro pro la kino, — sed ni timu pri la kino pro si mem, ĉar se ĝi forlasas la imiton de la teatro, kaj klopodas fariĝi la sola kulturanto de la »spektaklo« en la plena senco de la vorto — *sur novaj kaj memstaraj vojoj*, volante anstataŭi ne aparte la cirkon kaj aparta la varieton, sed ilin ambaŭ kune en komuna nova artformo — ĝi povas fariĝi tio, kio estis la universala romia »circenses«. Poste oni devas zorgi nur pri »panem«, ĉar eterna estas la klasika krio de la amasoj: *Panem et circenses!*

EINO LEINO (elp.: Lejno), finna poeto, nask. 1878, mort. 1926.

Li komencis la versfaradon kiel gimnaziano, kaj kiel juna studento li jam estis ŝatata poeto, vera princo de l' poezio. Deveninta el regiono, kie la popola dialekto estas abunde riĉa kaj fleksebla, Leino faris facile fluantajn, forme agrablajn, de esprimoj riĉajn versojn. Li majstre regis la poezian »teknikon«, li lerte ludis per rimoj kaj asonancoj. Tiu lerteco iam kaj tiam forlogis lin al ludajoj malindaj al lia talento. Tial oni trovas en liaj poemkolektoj inter veraj juveloj ankaŭ malpli valorajn vitropecetojn. Ĉiuokaze li estis kaj daŭre estas rekonata kiel la plej talenta finna vortaristo. Multaj el liaj poemoj fariĝis kvazaŭ popolkantoj kaj multaj el liaj parolturnoj estas uzataj kiel proverboj.

Li komencis kiel memstara, laŭkutima amkantisto. Iom post iom li tamen atingis altan nivelon de forte persona, individue travivita poezio. Lia esprimmaniero fariĝis elektre frapa, lia fantazio pli kuraĝa. Tute speciala trajto ĉe Leino estas lia nacie finna sed samtempe tre »homarana« vivkoncepto, kiu atestas pri vastanima kulturpersono.

Kvankam la lirikaj versajoj posedas plej gravan lokon en lia verkaro, li estis tre produktiva plumisto ankaŭ sur aliaj kampoj de la literaturo. La kolektita verkaro de Leino ampleksas 16 dikajn volumojn, konsistantajn el versajoj, dramoj, romanoj, literaturhistoriaj studoj, eseoj ktp. Krome li estis aktiva ĵurnalisto kaj majstre lerta tradukisto (i. a. li enfinnigis Divina Commedia de Dante). Do, lia vivo estis tre fekunda — sed ankaŭ konsuma; des pli multe, ĉar Leino malŝpare eluzis siajn fortojn, kaj spiritajn kaj fizikajn. Kiam la morto estingis lian vivon, la fajro jam estis preskaŭ forbrulinta.

En nia hodiaŭa numero ni prezentas kelkajn specimenojn el la poezio de Eino Leino. *L. I. L.*

GÖSTA BERLING SUR LA SCENEJO.

La famaj kaj pitoreskaj tipoj eternigitaj de Selma Lagerlöf en »Gösta Berling« estas revivigitaj sur la scenejo. Jen, varianto de la fama romano, farita de la verkistino mem, havis sian unuan prezenton en Reĝa Drama Teatro en Stokholmo kaj estis salutata kiel la ĉefa drama koazo de la sezono.

Dro Selma Lagerlöf deklaris, ke la multaj provoj dramigi ŝian verkon estis bonaj sed havis malfortajn punktojn, kiuj laŭ ŝia opinio dependas de tio, ke oni ne trovis taŭgan finon por la varianto.

Ŝi trovis la dialogojn tiel konvenaj por la teatro, ke ŝi opiniis nur malmultajn ŝanĝojn necesaj. Por la fina akto ŝi elektis la morton de la majoredzino en la rondo de Gösta Berling kaj liaj kamaradoj, la kavaliroj de Ekeby.

La prezentado estis brila, kaj la kolorplenaj scenaranĝo kaj kostumoj donis perfektan iluzion pri grandbiena vivo en Vermlando antaŭ cent jaroj.

La verkistino ĉeestis la prezentadon, kiu kulminis per entuziasma kaj kortuŝa tributo al la amata »grande dame« de la sveda literaturo. Post la prezentado ŝi aperis sur la scenejo, ĉirkaŭata de la famaj figuroj kreitaj de ŝia magia plumo kaj akceptis la ovaciojn de la publiko. *(Sveda — Internacia Gazetservo).*

INTERESA SVEDA LITERATURA KONKURSO.

Konata sveda eldonejo, »Natur och Kultur«, faris interesan literaturan konkurson por romanoj temantaj pri profesiaj vivo kaj laboro. La sveda literaturo havas relative malmultajn librojn de tiu speco, sed tiu konkurso rezultigis tri bonegajn librojn, elektitajn inter naŭdeksep manuskriptoj senditaj al la juĝantaro. El la tri gajnintoj du estas viroj, Josef Kjellgren kaj Hugo Swensson, kaj unu virino, Stina Aronsson.

La libro de Josef Kjellgren, »Pri ponto«, temas pri la konstruo de la lasta kaj plej granda ponto de Stokholmo, Västerbron, jus finita, kaj pri ĝiaj laboristoj. Li kapte priskribas la diversajn tipojn de laboristoj, iliajn vivojn, ĉagrenojn kaj ĝojojn. La viva rakonto kun sia riĉo de interesaj detaloj formas specon de epopeo de la moderna laboristo kaj ricevis altan laŭdon de la kritiko.

La libro de Hugo Swensson, »Paul Hoffman, instruisto«, temas pri la profesia vivo de instruisto en ŝtata gimnazio, de la komenco de lia kariero ĝis lia pensia aĝo. Estas bonega verko, artista kaj plena de vivo kaj koloro. Estas la unua libro de sia speco en la sveda literaturo, kaj ĝi donas detalan priskribon de lerneja laboro kaj de la problemoj de edukisto. Ankaŭ tiun libron la gazetaro tre varme akceptis kiel valoran aldonon al la sveda literaturo.

La libro de Stina Aronson, »La medalo pri Jenny«, priskribas la vivon de forte laboranta fraŭlino. Kvankam eble ne tute sur la nivelo de la libroj de la du aliaj gajnintoj, ĝi estas verkita per multe da talento kaj entenas profundan psikologian studon pri la menso de metiistino. Stina Aronson estas laŭdata por sia rava kaj riĉa stilo, kiu donas plian ĉarmon al ŝia verko. *(Sveda Int Gazetservo.)*

LA NOVA SOCIETO DE BELAJ ARTOJ

en Budapest dum la jus pasintaj semajnoj aranĝis sian ĉijaran printempan ekspozicion. La artistoj, apartenantaj al la Societo esprimas apud sia hungara karaktero plenan ligitecon al la okcidenta, pariza kulturo kaj en ĝi ni trovas la plej bonajn talentojn de la juna aŭ mezaĝa generacio de belartistoj. La printempa ekspozicio estis surprizo el la vidpunkto de ilia evoluo. Plejparte ilia temo estas la vivo de laboristoj, kamparanoj, kion ili prezentas per esprima forto vere majstra. La bildoj, prezentataj en nia numero bedaŭrinde nur pale povas redoni ilian valoron, kiu ĉefe troviĝas en la kolorefekto kaj temelekto.

# Traduko-konkurso

Ni sentas ĝis nun tre grandan mankon de seriozaj, unuarangaj gramofondiskoj en nia literaturo.

Tiun mankon deziras nun forigi la entrepreno, fondita de orĥestrmajstro Tord Benner el Stockholm. Tiu entrepreno farigos ankoraŭ en la komenco de la somero dudek diskojn, kiujn kantos la plej eminentaj kantartistoj de la mondo. Tiuj eminentaj kantistoj bezonas same eminentajn tekstojn kaj tion deziras akceli *Literatura Mondo*, anoncante la suban konkurson por arttraduko de kvar kantoj kaj novverko de unu kanto. Tiun konkurson rajtas partopreni ĉiu, kiu sentas en si talenton. Ni esperas kaj kredas, ke la seriozeco de la konkurso kaj la entute 130.— svisajn frankojn valorantaj premioj helpos malkovri novajn talentojn aŭ instigos al pli intensa laboro la malnovajn. Tion ni esperas des pli, ke laŭ promeso de s-ro Tord Benner la traduklaboro de la pluaj diskoj, fabrikotaj, estos disdonata inter la premiitoj (eble jam ĉiaŭtune) kaj ĉi tiuj tradukoj estos honorariataj per tre honestaj sumoj. Ni menciu ankoraŭ, ke por povi juĝi pri la tekstfideleco de la tradukoj, ni petis por helpo kelkajn akademianojn kaj por ke ĉiu, nur iel kalkulebla tradukanto povu labori, ni elektis juĝistaron, konsistantan el esperantistaj verkistoj, neniam ion tradukintaj.

*(Daŭr. sur pĝ. 63.)*

*Unua traduko: N. Hervé:* »Mam'zelle Nitouche«. Acte II. No. 11. *Couplet.*

La publikigo okazas per la speciala permeso de Mr. Heugel, (Abis, rue Vivienne, Paris) la posedanto de reproduktaj rajtoj.

And^no^ con moto

A mi-nuit, après la fê-te, - Revenaient Ba-bet et Ca-det Cris-ti
Ils mar-chaient à l'aveuglet-te; - Ca-det tremblait de tout Sou-dain
Le vo-leur, comme une fillet-te, - Vous fai-sait tourner Ca-det, L'au-tre
Tous ses yeux hors de la tê-te, - Il re-vint chez lui Ca-det. Tou-te

la nuit est complè-te, - Faut nous dé-pê-cher - Ba-bet - Tâch' d'en pro-fi-ter, gross
on leur crie „Ar-rê-te!" - La Bourse ou la vie!" - C'é-tait - Deux bons voleurs en go-
vo-leur plus hon-nête, - Te-nait Ba-bet, la - ser-rait - Chif-fon-nait sa col-le-
pen-sive et mu-ette, - Ba-bet len-te-ment - L'sui-vait - Ell' sou-pi-rait la pauv-

bê - - - - - - - - - - - - - te! - Fa-ri-lon Fa-ri-la - Fa-ri-
quet - - - - - - - - - - - - te. - Fa-ri-lon Fa-ri-la - Fa-ri-
ret - - - - - - - - - - - - te. - Fa-ri-lon Fa-ri-la - Fa-ri-
ret - - - - - - - - - - - - te. - Fa-ri-lon Fa-ri-la - Fa-ri-

let - - - - - te! — J'ai trop peur disait Ca-det. J'ai pas peur, Di-sait Ba-
let - - - - - te! — Un vo-leur saisit Ca-det, Un vo-leur saisit Ba-
let - - - - - te! - „Je me meurs" disait Ca-det, „Je me meurs" disait Ba-
let - - - - - te! - Je n'y r'viendrai plus Ba-bet". „Moi, j'y re-viendrai, Ca-

bet. - La-ri-ret-te La-ri-ré! La-ri-ret - te La-ri-ré! -
bet! - La-ri-ret-te La-ri-ré! La-ri-ret - te La-ri-ré! -
bet! - La-ri-ret-te La-ri-ré! La-ri-ret - te La-ri-ré! -
det!" - La-ri-ret-te La-ri-ré! La-ri-ret - te La-ri-ré! -

*Dua traduko.*
(Joh. XVI, 25, 26; Cor. XV, 20.)
Third part N:o 43. *Air*
*G. F. Händel:* »Messiah«

*Larghetto*

17 I know that my Re-deem-er liveth, 3 and that He shall stand at the lat - ter
day ——— up - on the earth; 3 I know that my Re-deemer liveth, and that He shall stand ——
— at the lat - ter day upon the earth, ——— upon the earth. I know - that my Redeemer liv-eth, and that
He shall stand at the lat — ter day upon the earth, ——— upon the earth. 8
And tho' worms de-stroy this bo-dy, 2 yet in my flesh shall I see God, yet in my flesh shall I see
God. 3 I know that my Re-deem-er liveth: and tho' worms destroy this body, yet in my
flesh shall I see God, yet in my flesh — shall I see God, shall I see God. I know that my Re-deem-er
liveth. 3 For now is Christ ris-en from the dead, 1 The first fruits of them that sleep, — of
them that sleep, the first - - fruits of them that sleep, 3 For now is Christ ris-en, for now is Christ
ris-en from the dead, 1 the first fruits of them that sleep. 11

*Kvara traduko:*

Min tankes tanke ene Du er vorden.
Du er mitt hjertes förste kjaerlighed!
Jeg elsker Dig som ingen her paa jorden,
Jeg elsker Dig, jeg elsker Dig,
Jeg elsker Dig i tid og evighed,
Jeg elsker Dig i tid og evighed!

*Tria traduko.*
*Richard Wagner:*
»Tannhäuser
*Lied an den*
*Abendstern*

Wie To - des-ah-nung Dämm'rung deckt die Lande, umhüllt das Tal mit schwärzlichem Ge-
wan-de; der See - le, die nach jenen Höh'n verlangt, vor ihrem Flug durch Nacht u. Grausen bangt!
3 Da scheinest du, o lieblichster der Sterne, dein sanftes Licht entsendest du der Ferne, die nächt'ge
Dämmrung teilt dein lieber Strahl, und freundlich zeigst du den Weg aus dem Tal. 1 4
O du mein hol - der A — bendstern, wohl grüsst' ich im-mer dich so gern; vom Herzen, das sie
nie — ver-riet, grü - sse sie, wenn sie vor-bei — dir zieht, wenn sie entschwebt dem Tal der Erden, ein
sel'-ger En - gel dort zu werden, wenn sie entschwebt dem Tal der Erden, ein sel'ger En-gel —
dort — zu wer - - den! 13

La tradukotaj tekstoj estas la tri, kies muziknotojn ni kune publikigas kaj la kvara, kanto de Grieg, kies teksto estas sur la 63-a paĝo. Ankaŭ ĝian muziknoton ni volonte sendas senpage al ĉiu petanto.

La originalan tekston oni devas verki por la mondfame konata *valso de Johann Strauss: La blua Danubo*, kies muziknoton pro ĝia longeco ni ne povas publikigi. Ĝin oni povas havi tre malkare en ĉiuj muzikvendejoj. La versoj devas esti farataj por la tuta muziko.

Kaj nun jen, la

KONDIĈOJ DE LA KONKURSO:

1. La traduko de ĉiu unuopa kanto estas aparta tasko. Ĉiu partoprenanto rajtas konkursi per ĉiuj tradukoj kaj per la verko de nova teksto, sed ankaŭ per unu sola tra-15-a de majo.

2. Al ĉiu konkurso estas aldonota letero pseŭdonima, per kio ankaŭ la konkursaj tekstoj devas esti provizataj. En tiu letero devas esti enfermata la nomo kaj preciza adreso de la konkursinto. Konkursojn, el kiuj la juĝistaro povas ekscii la nomon de la konkursanto, oni flankenmetas.

3. Limtempo de la ensendo de konkursoj estas la 1-a de majo.

4. Por gajni la konkurson, oni devas nepre atenti, ke

a) La tradukita teksto devas resti fidela al la originalo, la originala kanto harmonianta kun la muziko;

b) La tradukoj devas esti unuarangaj el vidpunkto de la Esperanto-poezio kaj facile kompreneblaj eĉ por neperfektaj esperantistoj. Avantaĝo estas, se la traduko estas pli malpli komprenebla je unua aŭdo ankaŭ al tiuj, kiuj ankoraŭ ne lernis Esperanton.

c) Kun granda zorgo oni devas atenti la kanteblecon de la teksto, la fidelecon de la ritmo al tiu de la originalo kaj muziko, la lokigon de la vokaloj kaj konsonantoj ktp.

5. La konkursverkojn unue oni komparos kun la laŭvorta traduko de la tekstoj, due prijuĝos ilin juĝistaro, konsistanta el Hendrik Adamson, Julio Baghy, Vilhelmo Bleier, Raymond Schwartz kaj E. Stillmann. La membroj de la juĝistaro ne rajtas konkursi. La verkojn, por premio rekomenditajn de la juĝistaro fine prijuĝos sinjoro Tord Bennner el la vidpunkto de muzikeco kaj kantebleco. Li mem decidos pri la disdono de la premioj kaj pri tio, kiuj tradukoj estos aplikataj sur la diskoj.

8. La premioj estos disdonataj nur, se la juĝistaro trovos la tradukojn aŭ la originalan kanton indaj por ili.

7. La premioj de la konkurso estas la jenaj:

5 unuaj premioj po 10.— svisaj frankoj en kontanto;

5 duaj premioj po 10.— svisaj frankoj en libere elekteblaj libroj eldonitaj de Literatura Mondo;

5 triaj premioj po 6.— svisaj frankoj en libere elekteblaj libroj eldonitaj de Literatura Mondo.

8. Ĉiuj rajtoj pri la premiintaj konkursverkoj apartenas al s-ro Tord Benner sen pago de aparta honorario.

9. La rezulto de la konkurso estos anoncata en la aŭgusta numero de Literatura Mondo.

## Jubileo

Maloftan jubileon festas nia kolego *Jakobo Ŝapiro* en Byalistok. Li en aprilo nunjara fariĝas 25 jara esperantisto. Inter liaj multaj funkcioj ni trovas la ĉefdelegitecon de UEA por Polujo, multe li kunlaboris al diversaj gazetoj kaj precipe la esperantistaro en Byalistok dankas al lia energia agado tre multe. Ni deziras al li kaj al ni pluajn 25 jarojn en sano kaj aktiveco.

La jubilea festo okazos la 9-an de majo. Gratulleteroj estas sendeblaj al: Esperanto, Bialystok, Sienkiewicza 35, Polujo.

## Multajn el niaj artikoloj

verkis kolego dr. Szilágyi, kiu plene resaniĝinte el grava malsano, nun dediĉas multan tempon al nia gazeto. El lia plumo ankaŭ estonte aperos en ĉiu numero sur kelkaj paĝoj tiutipaj interesaj kaj variaj artikoloj kaj ni esperas, ke tio trovos la plaĉon de niaj legantoj. Al niaj gazetokolegoj ni speciale atentigu, ke ĉiu kopiorajto de tiuj artikoloj ĉu en Esperanto, ĉu nacilingve, apartenas al la verkinto mem.

## Nekrologo

Kun funebra koro ni informas niajn legantojn pri la morto de unu el la plej ĉarmaj esperantistoj, s-ano *Mihaelo Arabeno* el Genova. Li estis konata inter ni, kiel »Oaklo Miĉjo« kaj laboris tre multe por la movado. Li estis oferema, helpema, ĉiam ridema. Per lia laboro eldoniĝis la verko de Mazzini: »Devoj de l' Homo«, multe li laboris por nia revuo kaj kunlaboris al la eldonpreta Itala Antologio. Ni kunsente kondolencas al la familio kaj al la esperantistaro en Genova.

Kun funebra koro ni devas informi niajn legantojn ankaŭ pri la morto de s-ano *Honor. Bonnevie* la nestoro de la norvegaj esperantistoj, ĉefkunlaboranto de la Enciklopedio, helpanto de ĉiu bona afero, longjara abonanto de nia revuo. Li estis ĉie, kie oni povis ion fari por la movado, por ĝia literaturo. Li estis inter la plej fruaj esperantistoj en Norvegujo kaj mortis 78 jara en marto. Plej sincerajn kondolencojn al la norvega esperantistaro kaj al la familio sendas la redakcio de Literatura Mondo.

## Kurcvortenigmo

aperinta en la januara numero enhavis kelkajn preseraroјn kaj ankaŭ cetere ĝi estis iom malfacila. Tial ni ricevis nur tre malmultajn solvojn. Ni bedaŭras tion kaj samtempe publikigas jene la nomojn de la gajnintoj:

| | |
|---|---|
| Teodor Kilian | Ĉehoslovakio |
| J. Pascha | Nederlando |
| F. Christaller | Germanujo |
| P. Brunet | Francujo |
| J. Csapó | Rumanujo |
| M. Dzün | Nanking |

La premioj al ili estas jam senditaj.

## Niaj subtenantoj

denove kreskis en la pasintaj monatoj kaj ni danke salutas inter ili

S-aninon Seckel el Almelo
S-anojn K. Bruklis el Alŝvanga
Chr. Kromziek el Rotterdam
Kennedy el Glasgow
Freitas el Porto
E. C. Stillmann el Bruxelles
kaj Esperanto-Grupo St. Gallen

Ni esperu, ke en la proksimaj monatoj ni povos ankoraŭ saluti inter ili la mankantajn dektri.

*AELA-anoj, atentu!* Ni ekspedas en la tempo inter 8-a — 15-a aprilo la verkon: »Romano de San Michele«, kiu estas la tria volumo de la serio C. Neriĉevintoj bonvolu reklamacii.

Kelkajn tagojn poste sekvos plua volumo.

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.

Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11. La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz 19. Poŝtĉekkonto nro 7

**NEDERLANDO:** A. C. van Ingen, **Rotterdam W.** Voorhaven 43. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.